XIXª jaro. Nº 276-277 (8-9) ☆ Monata ☆ Aŭgusto-Septembro 1923

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Nia XVª Universala Kongreso.

Kvinmil esperantistoj el 43 landoj kunvenis en aŭgusto en Nürnberg kaj nia XVª kongreso estis tiel vastnombra, ke la konatuloj perdiĝis en amaso. Plej bonajn amikojn oni renkontis okaze la unuan fojon jam la lastan tagon antaŭ forveturo. Pri kongreso ne taŭgas plu paroli, sed pri vera popolamaso esperantista. Cetere, post la malfermo, nur milo da kongresanoj sekvis la laborkunsidojn.

Provizi hotelojn, poŝton, ekskursojn, festojn ktp. por tiom da personoj en la nuna kriza stato de Germana Respubliko estis ja malfacila tasko Multe laboris kaj sindone klopodis la loka komitato, sed okazis diversaj maloportunaĵoj de materiala vidpunkto, kiujn oni devos eviti estonte.

Kontraŭe, morale la kongreso kreis bonan atmosferon. Bonhumoro regis kaj la mirinda urbo kun mezaĝaj muroj kaj turaj dompintoj lasis al ĉiuj neforgeseblan impreson. La ĝojon tamen malheligis la mizera situacio de la neriĉaj klasoj en la lando kaj la bedaŭrinda deviga foresto de niaj francaj kaj belgaj amikoj.

Ĉiufoje kiam oni menciis ilin, aplaŭdis la kongreso kaj niaj germanaj samideanoj sincere serĉis ĉiun okazon por publike kaj kuraĝe esprimi sian koran senton al ili. Inter la akraj afiŝoj sur la muroj kaj la frata internacia atmosfero de l' esperantistaro, la kontrasto aperis vere grandega kaj honoriga al nia movado.

La XVª kongreso estis la unua, kie la organiza demando ne staris plu sur la tagordo. Tio signis ja komencon de pli bona epoko. La Konstanta Reprezentaro de Naciaj Societoj (K. R.) kunsidis kaj elektis sian estraron. Ni deziras al la nova prezidanto S-ro Merchant kaj al lia kunlaboranto S-ro Edmonds plej bonan sukceson en ilia konstrua laboro. Niaj naciaj societoj multe gajnos kune diskutante komunajn spertojn pri propagando kaj lernante unu el aliaj. K. R. kaj UEA elektis interkonsente la novan Centran Komitaton de nia movado, kies ses anoj dediĉos tutan sian liberan tempon kaj forton al la antaŭenpuŝo de nia tutmonda propagando. S-ro Page zorgos pri financoj kaj klopodos trovi monon por subteni niajn oficialajn instituciojn kaj la necesan eksteran agadon. S-ro Hromada organizos internacian gazetservon. D-ro Dietterle kolektos statistikojn kaj atentos pri la tuta instrua flanko de nia movado. S-ro Chavet daŭrigos sian internan laboron de kunigado kaj konstantigo de niaj organizaĵoj. S-ro Kenn, nia fervora ĉina pioniro, nun en Eŭropo, reprezentos la dezirojn kaj bezonojn de la kreskanta esperantistaro el ceteraj kontinentoj.

Oni volis meti sur miajn ŝultrojn la pezan respondecon prezidi tiun C. K. kaj gvidi la ĝeneralan internacian propagandon anstataŭ permesi, ke mi revenu nun al trankvileco kaj literatura verkado. Koran dankon pro la fido. Ni ĉiuj daŭros fari nian eblon, sed la ĉefa laborado estas en viaj ĉies manoj. Nur per via pacienca ĉiutaga kunhelpado ni atingos ion!

Laŭ la deziresprimo de la XVª, la XVIª kongreso devos okazi en Sofia, la bulgara ĉefurbo, por konigi nian aferon en tute alian parton de Eŭropo ol ĝis nun. Oni atendas ankoraŭ ĉu la registaro estas preta inviti oficiale kaj garantii la necesan protektadon. Ankaŭ en Vieno okazos tre grava afero, pri kiu ni reparolos. Intertempe estas urĝe, ke teknika konferenco kaj kunsido de K. R. okazu dum vintro aŭ printempo en Parizo aŭ Bruselo por ke ankaŭ la Okcidento aŭdu pri niaj progresoj.

Do brave antaŭen. La afero marŝas. Dankon al niaj amikoj en Nürnberg pro ilia kuraĝo.

*Edmond Privat.*

# XVª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Nürnberg, 2—8 aŭgusto 1923.

## Protokolo

pri la

## Solena Malferma Kunsido.

Kulturvereinshaus, 2 aŭgusto 1923, 11ª horo.

*Estraro:*

P-ro D-ro *J. Dietterle*, prezidando.
P-ro D-ro *Rich. Ledermann*, vicprezidanto.
S-ro *Ed. Stettler*, vicprezidanto.
S-roj *Hans Jakob, Andreo Ĉe, Hönigsberger*, sekretarioj.

Post la tradicia kantado de la himno, akompanata de orgenludo malfermas la kongreson S-ro *K. von Frenckell*, prezidinto de la XIVª kongreso en Helsingfors. Li bonvenigas la grandnombran ĉeestantaron kaj kun elkora danko al la Loka Kongresa Komitato, proponas la jenan estraron de la XVª kongreso:

kiel prezidanto: P-ro *Dietterle*,
kiel vicprezid.: D-ro *R. Ledermann* kaj
S-ro *Ed. Stettler*, prez. de UEA.
kiel sekretarioj: S-roj *Hans Jakob, A. Ĉe*, kaj
S-ro *M. Hönigsberger*.

La estraro estas aklame akceptata. Kiel naciaj vicprezidantoj elektiĝas:

Aŭstra: S-ro *F. J. Schade*
Brita: S-ro *Isaacs*
Bulgara: S-ro *Georgiev*
Ĉeĥoslovaka: D-ro *Stan. Kamaryt*
Dana: S-ro *Martin Blicher*
Estona: S-ro *V. Vaher*
Finna: S-ro *Attila*
Germana: D-ro *A. Steche*
Hungara: Prelato *Giesswein*
Itala: F-ino *Asquini*
Jugoslava: D-ro *Stan. Maruzzi*
Litova: S-ro *Ruokis*
Nederlando: S-ro *Isbrücker*
Pola: S-ro *Stan. Essigmann*
Rumana: S-ro *Henriko Fischer*
Sveda: S-ro *Paul Nylen*.

Por la ekstereŭropaj kontinentoj:
S-ro *Drummond* el Melbourne (Aŭstralio).

* * *

Profesoro *Dietterle*, transprenante la oficon de prezidanto per sinceraj paroloj bonvenigas la kongresanojn. Li komparas nian movadon kun ŝipo portanta kulturan ŝarĝon, renkontanta ofte rifojn kaj ventojn. Dezirante, ke nia ŝipo evitu tiajn danĝerojn, li insistas je nepra neŭtraleco kaj senpartieco kaj promesas la saman de sia flanko. Tiu ĉi kongreso estas la dua sur germana tero. Dum la kvara kongreso en Dresden oni proklamis la devizon: „Ni restu fidelaj". Tiun devizon ni discipline sekvis kaj certe sekvos. La vorto „Fideleco" entenas pliajn virtojn el kiuj dankemo ne estu la lasta. Dankemon ni ŝuldas al nia kara majstro, al niaj pioniroj foririntaj kaj vivantaj. Antaŭ ĉio ni ne forgesu tiun viron pri kiu nia majstro mem diris, ke lia nomo devus esti skribata orlitere en la historio: Leopold Einstein, vivinta en Nürnberg. Ni honoru la mortintojn de la lasta jaro, kaj precipe la du eminentajn pionirojn D-ro Mybs kaj kolonelo Pollen. (La ĉeestantaro per leviĝo esprimas sian kunsenton). Post tio la prezidanto direktas varmajn parolojn al la ĉeestanta vidvino de nia majstro, kiun la kongresanoj entuziasme salutas.

La prezidanto transdonas la parolon al la sendito de la Germana Respublika Registaro, S-ro ŝtat-sekretario Schulz, kiu en la nomo de la Imperia prezidanto kaj de la ministro por internaj aferoj salutas la kongreson. En sia parolado li konfesas esti nur platona amiko de nia afero kaj gratulas la esperantistojn pro la sukcesa transpaso el la komenca epoko propaganda al la epoko de ĝenerala rekono. Li insistas por la nepre helpa karaktero de nia lingvo, kies tasko estu antaŭ ĉio la senpera interkomunikiĝo de homoj diverslingvaj, ne tuŝante la uzadon kaj evoluon de naciaj lingvoj. Restante tia nure teknika helpilo, Esperanto tamen estas grava faktoro de la moderna kulturo, kaj ĝi certe potence influas la alproksimiĝon de la popoloj kaj preparas pli bonan estonton. Ĉiam la lernado de naciaj lingvoj estas necesa; sed ĉar unu lingvo ne sufiĉas por atingi ĉiujn popolojn, Esperanto plenumos utilan rolon kiel peranto. Li ankaŭ akcentas la socian mision de komuna lingvo facile akirebla de la amaso. Transdonante la esprimon de simpatio de la ministro por internaj aferoj li sincere bondeziras sukcesan laboron al la kongreso. La paroladon, varme aplaŭditan, interpretas D-ro Ledermann kaj refoja ĝenerala aplaŭdo esprimas la konsenton de la kongresanoj.

En la nomo de la kongreso, la prezidanto dankas al la reprezentanto de la registaro. Li mencias pri la favoroj kaj valora helpo donitaj al nia movado de la registaro, precipe pro la subteno al la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko. Li dankas por la alta protekto kaj petas S-ron Ŝtatsekretarion transdoni tiun dankon. Li proponas sendi danktelegramon al la Imperia Prezidanto Friedr. Ebert kaj al ministro por internaj aferoj S-ro Oeser. Post akcepto de tiu propono la kongresa prezidanto transdonas la parolon al S-ro D-ro Luppe, ĉefurbestro de Nürnberg, kiu en Esperanto direktas jenan parolon al la kongresanoj:

Tre estimataj gesinjoroj, geesperantistoj,

El ĉiuj partoj de la mondo vi rapidis al Nürnberg pro ideala afero, por akceli la grandiozan ideon de mondhelplingvo, kiu celas la plifaciligon de merkato kaj trafiko, la ebligon de pli bona kaj pli rapida kompreno de fremda kulturo, kiu celas fine la alproksimiĝon de la tutmondaj popoloj al paca konkuro, al reciproka indulgemo kaj interkompreniĝo.

En via ĉijara kongresurbo Nürnberg ekzistas plena kompreno kaj vigla intereso por via granda verko. La malnova komercurbo, kiu estis iam unu el la centrejoj de internacia trafiko, la moderna industriurbo, kiu liveras ĉiumonde konatajn kaj ŝatatajn produktaĵojn, ĝi bone scias, kion signifas facila interkompreniĝo por la mondtrafiko. En ĝiaj popolklerigaj kursoj, ĉe la Komerca Altlernejo, ĉe la Popola Altlernejo estas Esperanto instruata kaj lernata de multaj, dank' al la nelaca propagando de ĝiaj anoj.

Tial la urbo Nürnberg kaj ĝia urbkonsilantaro plej kore bonvenigas vian kongreson en siaj muroj. Ni deziras vin, ke vi bone sentu vin en Nürnberg kaj ĝuadu la grandajn trezorojn de ĝia malnova kulturo, sed deziras ankaŭ al via kongreso plenan sukceson en intereso de la disvolviĝo de Esperanto kaj de ĝia alta graveco por mondtrafiko kaj interkompreniĝo de la popoloj.

La surpriza alparolo en nia lingvo vekas entuziasman aplaŭdon ĉe la kongresanoj.

*D-ro Ledermann,* prezidanto de la Loka Kongresa Komitato, bonvenigas la kongreson, dankas por la konfido esprimita per la partopreno de 5000 Esperantistoj el 43 landoj. Li petas senkulpigon se pro eksteraj cirkonstancoj, nedependaj de la L. K. K. iaj aranĝoj ne plene kontentigas la kongresanojn.

En plena atento de la ĉeestantaro, *D-ro Privat,* la tradicia oratoro de niaj kongresoj prenas la parolon. En la nomo de Universala Esperanto-Asocio, la granda familio esperantista, li salutas la kunvenintojn el ĉiuj mondpartoj. Li estas feliĉa troviĝi en Nürnberg, urbo de tiom da revoj. Kiel infano ĝojanta pri la Nürnbergaj ludiloj, kiel studento aŭskultanta la rakontojn pri la glora tempo pasinta kaj atestata hodiaŭ de ĉarmaj turoj, fortikaj muroj, pintaj domoj, kiel esperantisto memoranta pri la unuaj pioniroj, unuaj libroj, unua gazeto, lin ravis la samaj revoj. Ne ekzistas esperantisto nescianta, ke tie ĉi vivis niaj unuaj pioniroj, kiuj tute solaj, kelkdekoj, prilaboris la malfacilan komencon, fidele kaj ame, tenis la standardon kuraĝigis kaj helpis la majstron. Kian plezuron ili nun havus vidante tiun imponan kongreson en sia urbo. Dank' al vi ĉiuj ni alportis al la tombo de la Nürnbergaj pioniroj la plej indan kronon per la rezultoj de nia ĝisnuna laboro. Nia afero ne plu estas karesata infano, ĝi jam fortiĝis, venke kontraŭbatalis uraganojn kaj fariĝis jam granda helpo spirita kaj teknika por la tuta homaro. Antaŭ dudek jaroj, kiam eniris nian movadon nia memorinda Hodler, ni pene devis batali por la unuaj rezultoj, kiuj nun venas abunde. En tiuj tempoj ni havis grandan trezoron en la persono de la Majstro kun ni laboranta, nin inspiranta. Li ne plu estas inter ni kaj ni ne plu povas premi lian manon, sed lia memoro kaj inspiro restis inter ni. Dum la kanto de la himno ni ĉiuj sentis, ke lia spirito estas kaj agas tie. Veturante per aeroplano, ni ne plu vidas la surterajn bagatelojn, detalaĵajn formikojn; ĉio sub ni aperas kiel unu sama pejzaĝo, sama naturo, samaj homoj kune aspektantaj, same ĝojantaj, same suferantaj. La spirito de Zamenhof estu por ni tia aeroplano nin forportanta de la ĉiutagaj detaloj kaj tedaĵoj al sfero de pli vasta kaj alta kompreno. Filozofema, li tamen sciis kunigi la idealon kun la praktiko kaj nin instruante li donis al ni ankaŭ rimedon por efektivigi.

Oficiale, per la Bulonja Deklaracio nia movado estas ja nur teknika movado por disvastigi mondlingvon uzeblan de ĉiu por ĉiaj celoj. Tial estas pravaj ĉiuj fakaj societoj esperantistaj, kiuj malkaŝe kaj sincere anoncas sian apartan celon aŭ intereson. Sed la demando estas: ĉu tiom da homoj donus vivon, tempon, forton, monon, sanon por nia afero nur por faciligi la komercon aŭ la vojaĝojn aŭ eĉ la rilatojn inter sciencistoj? Ne. Esperantismo neniam vekus tiom da sindonoj se ne ekzistus pli profunda motivo en niaj koroj. Tiu kaŭzo de laboro estas la interna ideo, la espero entenata en la verko de Zamenhof. Se nia movado ĝin perdus, kaj ni restus sole kun la bataloj de la cetera mondo tradukitaj en nia lingvo: klaso kontraŭ klaso, eklezio kontraŭ eklezio, nacia propagando kontraŭ alia nacia kontraŭpropagando, ĉu ni estas tiel fortaj, tiel unuigitaj? Ne, tio, kio nin kunligas estas ne nur la lingvo, sed la alta espero kiun ĝi simbolas. La interna ideo estas motivo kaj inspiro al laboro. Ni laboru fake kaj teknike per konferencoj, per vortaroj, per propagando, sed unu fojon en la jaro, laŭ la esprimo de la Majstro, ni kunpilgrimas por festi la internan ideon de Esperanto.

Kio ĝi estas ja, tiu interna ideo? Ĉu ĝi estas ia sistemo, ia partio? Ne, ĝi neniel pretendas solvi aŭ eĉ tuŝi la nunajn sociajn aŭ naciajn problemojn kiuj bataligas homojn. Ĝi rilatas nur al la estonta tempo, kiam la vivo de l' homaro estos pli normala, ĝi estas kutimiĝo al frata kaj paca vivado inter diversgentaj kaj diversreligiaj homoj. Ĝi estas preparado kaj kutimiĝado al normaleco de interhomaj rilatoj. Ĝi estas apliko de moralaj leĝoj al tutmonda vivo, triumfigo de solidareco super egoismo en ĉiuj rilatoj, ĉu individua, ĉu kolektiva. Fine ĝi ankaŭ entenas sian poeziecon kaj donas al nia lingvo ĝian apartan vivan karakteron, malsaman de la naciaj lingvoj, kun speciala tradicio.

Kion faros gejunuloj el sia vivo? Ĉu ili ĝin uzos por riĉiĝi aŭ batali? Ĉu ne pli noble ĝin dediĉi al tia granda konstrua movado? En la nigraj tempoj de l' homaro Esperanto fidele vigligas fajron sur la monto por ĝojigi la koron de la lacaj vojaĝantoj en malproksimo. *(Longaj aplaŭdoj).*

La kongresprezidanto dankas la eminentan oratoron pro la emociiga parolado, kiu kiel ĉiam estas la kulminacia punkto de niaj kongresoj. Per sprita paradokso li rimarkas ke, „Ĉe Esperantista Kongreso publikaj aferoj restas ĉiam privataj kaj *Privat*'aj aferoj estas ĉiam publikaj".

Sekvas la alparoloj de la jenaj registaraj reprezentantoj:

*Ĉeĥoslovaka Ministra Konsilantaro:* S-ro St. Stejskal transdonas bondeziron kaj certigas, ke la simpatio por nia movado de la Ĉeĥoslovaka Registaro estas daŭre vigla.

*Finnlanda Ministro por Instruado:* S-ro Leo Jalava rememorigas la favoran sintenadon de la finna parlamento kaj registaro, pruvita per jam trijara subvencio kaj informas, ke la ministro volas konsideri serioze la eblecon de enkonduko de Esperanto en la lernejoj. (Aplaŭdoj.)

Laŭ propono de la prezidanto la kongreso decidis sendi salutan telegramon al la finna ministro por Instruado.

*Jugoslava (Serbo-kroata-slovena reĝlando) Ministro por Financoj:* S-ro Radomir Klajić.

*Litova Ministro por Popolinstruado:* S-ro A. Opulskis.

*Nederlanda Ministro por Instruado, Artoj kaj Sciencoj:* S-ro J. R. G. Isbrücker per spritaj komparoj aludas la signifon de Nürnberg por la infanoj de la tuta mondo, por la personoj uzantaj krajonojn de Faber kaj por la esperantistoj pilgrimantaj al la tombo de pioniro Einstein, ne la relativa sed la absoluta. Li salutas la samideanojn nepovintaj partopreni la kongreson, kaj esperas, ke oni kompletigus la geografiajn lernolibrojn tiel: Nürnberg, urbo de ludiloj, krajonoj, kaj XV^a Kongreso de Esperanto.

*Itala Registaro:* S-ro Kavaliro Attilio Vaona.

*Rumana Ministro por Industrio kaj Komerco:* S-ro Henriko Fischer.

*Saksaj Ministro por Popoleduko kaj Ministro por Ekonomio:* Per la prezidanto de la kongreso bondeziras la kongreson.

Sekvas la alparoloj de jenaj korporacioj:

*Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, Genève:* S-ro Rud. Horner rimarkigas, ke jam la trian fojon post la milito la Ruĝa Kruco sendis reprezentanton al la Universala Kongreso de Esperanto.

*Tria Internacia Kongreso de Blinduloj:* S-ro Jos. Kreitz.

*Internacia Ligo de Virinoj por Paco kaj Libereco:* S-ino Theilhaber.

*Interfoira Komisiono:* S-ro Robert Kreuz, direktinto de la Esperanto-fako ĉe la Foiro de Frankfurt am Main. Transdonas la saluton de la foiroj uzantaj nian lingvon, kunigitaj en la Interfoira Komisiono kaj speciale de la Direkcio de la Foiro de Frankfurt a. M.

Sekvas la alparoloj de la naciaj vicprezidantoj, reprezentantaj la Esperanto-societon de siaj landoj:

*Por la ekstereŭropaj kontinentoj:* S-ro Drummond, Melbourne (Aŭstralio).

*Aŭstra:* S-ro F. J. Schade, en la nomo de la Esperanto-Delegitaro kaj urbo Wien.

*Bulgara:* S-ro Pan. Kolev, anstataŭ S-ro Georgiev.

*Ĉeĥoslovaka:* S-ro D-ro Stan. Kamaryt.

*Dana:* S-ro Martin Blicher.

*Estona:* S-ro V. Vaher.

*Finna:* S-ro Attila.

*Germana:* S-ro D-ro A. Steche, esprimas la bedaŭron de la germanaj esperantistoj pri la foresto de niaj francaj kaj belgaj samideanoj inter ili fervoraj, meritplenaj pioniroj, necesaj por la konstruo de la ponto al kompreno internacia.

*Hungara:* S-ro Prelato A. Giesswein, salutas la „utopistojn" kiuj faris el la utopio de hieraŭ, realaĵon de hodiaŭ.

*Itala:* F-ino Asquini.

*Litova:* S-ro Ruokis.

*Nederlanda:* S-ino Isbrücker.

*Pola:* S-ro Stan. Essigman.

*Rumana:* S-ro H. Fischer.

*Sveda:* S-ro P. Nylén.

Post tiu alparoloj akceptitaj kun aplaŭdoj la prezidanto finas la Solenan Malferman Kunsidon je la 1½ horo.

Protokolis:
*Hans Jakob* *Andreo Ĉe*
Kongressekretarioj.

* * *

## Unua Labora Kunsido.

Vendredo, 3 aŭgusto 1923.

Tagordo:

Salutparoloj.
Raporto de la Lingva Komitato kaj de la Akademio.
Administra raporto de UEA 1922.
Proponoj.

Prezidis S-ro Dietterle. Komencas paroli kaj saluti la kongreson la jenaj samideanoj:

Por *Egipta Esperanto-Asocio*: S-ro J. Benŝahar.
*Esperanto-Asocio por Nordameriko:* F-ino Stoeppler.
*Ligo de Germanaj Esperantistoj en Ĉeĥoslovakio*: S-ro K. Hell.
*Pekina Esperanto-Societo*: S-ro Eroŝenko.
Por *Kroataj Esperantistoj*: S-ro Franjo Novljan.
Por *Labora Ministro por Latvio:* S-ro Ĉaĉe.
Por *Unuiĝo de Kristanaj Junaj Viroj (Y. M. C. A.)*: S-ro R. Horner.
Por *Nederlanda Ministro de Laboro, Komerco kaj Industrio:* S-ro Isbrücker.
Por *Virina Rondeto Esperantista en Praha*: F-ino Julie Šupichová.
Por *Klerigfilantropa Societo en Tartu (Estonio)*: S-ro Vadim Anofrijev.

Post tiuj salutparoloj, P-ro Ledermann konigas leterojn kaj telegramojn ricevitajn de: Internacia Labora Oficejo, Genève; Familio Zamenhof; Ge-roj Parrish, Buffalo N. Y.; Unua Esperanto-Unuiĝo, Wien; D-ro Milan kaj Vera Crtenjak, Zagreb; Foiro de Reichenberg; Asocio de Junaj Germanaj Esperantistoj en Breslaŭ; Foiro de Leipzig; Esperantista Rondeto „Comenius", Jičín(Ĉeĥoslovakio); S-ro inĝ. Molnár, Praha; Ge-roj Ĉernohvostov kaj Setälä, Helsinki; Gimnaziana Esperanto-Societo, Amsterdam; S-ro Ludwig Schwarzschild, Berlin; Esperantista Grupo en Eichwald (Ĉeĥoslovakio); Ge-roj Thilander, Ösmo (Sved.).

Alvenis plie telegramo de S-ro Bredall, Croydon, konatiganta la ĵusan morton de nia alteŝatata amiko kaj senlaca propagandisto Richard Sharpe (Ro-Ŝo). La kongresanoj per leviĝo esprimas sian funebron.

S-ro J. M. Warden prezentas klarigon al la raportoj de P-ro Th. Cart, prezidanto de la Lingva Komitato kaj Akademio. La raportoj estas akceptitaj unuanime. Sekvas jena raporto de D-ro Privat, estro de Sekcio por Konkursoj kaj Premioj:

„Nur 32 verkoj estis prezentitaj al la Akademio tiun ĉi jaron kaj inter ili kelkaj broŝuroj ne premieblaj pro nesufiĉa amplekso. Aliparte multaj el niaj plej bonaj aŭtoroj tute ne partoprenis la konkurson. Ankaŭ estas rimarkinde kaj bedaŭrinde, ke diversaj libroj prezentitaj enhavis tro da preseraroj aŭ tro malmulte da literatura valoro por esti rekompencataj. Eĉ kelkaj enhavis malkorektaĵojn. Entute la kolekto ne estis tre altranga.

El la 32 la Sekcio rekomendis al ekzameno de l' Akademianoj ses. Ĉiuj ricevis po unu ekzemplero kaj atente legis la verkojn, notante utilajn kritikojn. Du libroj balote ricevis la plimulton de la voĉoj kaj tial akiris la oficialan aprobon de l' Akademio, t. e. originala novelo de S-ro Bulthuis: „Idoj de Orfeo" kaj versa traduko de S-ro Küster el Goethe: „Hermano kaj Doroteo".

Gratulante la verkinton kaj la tradukinton pri ilia majstra uzado de nia lingvo, la Akademio tamen notis ĉe la unua ne ĉiam logikan uzon de la kondiĉa tempo kaj ĉe la dua diskuteblajn formojn de heksametra versfarado.

Kelkaj aliaj verkoj ricevis ankaŭ voĉojn, sed la plimulto de l' Akademio deziris limigi sian nuran premiadon al tiuj ĉi du plej bonaj esperante, ke la venontan jaron niaj poetoj kaj prozistoj plimultnombre partoprenos la konkurson. Intertempe ĝi dankas ĉiujn aŭtorojn kaj tradukintojn pro ilia kunlaborado al la pliriĉigo de nia literaturo. Ili kuraĝe kaj pacience daŭrigu sian laboron pliperfektigante sian stilon kaj ne forgesante funde trastudi niajn modelojn kaj antaŭ ĉio la verkaron de Zamenhof."

P-ro Dietterle bedaŭras la foreston de nia alte respektata prezidanto de L. K. kaj proponas sendi al li telegramon de danko kaj saluto. La kongreso aklame akceptas.

La prezidanto donas la parolon al S-ro Wilhelm Kaufmann, Ĝenerala Konsulo Bulgara en Dresden, kiu germanlingve salutas la kongreson, konfirmas la simpation kaj seriozan atenton de la Bulgara Registaro al nia movado kaj invitas la XVIan kongreson al Sofia. La multe aplaŭdita parolado estas tradukata de S-ro Ivan H. Krestanoff, konsula sekretario.

En la nomo de Sovjetlanda Esperantista Unuiĝo alparolas la kongreson S-ro E. Dresen el Moskvo. La sovjetlandaj esperantistoj dum kvin jaroj estis baritaj for de la cetera esperantistaro. Dum tiu ĉi tempo ili devis fari ŝanĝojn en la koncepto pri esperantismo. Tamen ili volas resti en kontakto kun la tutmonda esperantistaro kaj serĉas eblecon por kunlaboro.

La prezidanto invitas al ovacio antaŭ la monumento de Albrecht Dürer, okazonta tuj post la kunsido. D-ro Privat invitas la anojn de la Konstanta Reprezentantaro al kunsido.

Sekvas raporto de Universala Esperanto-Asocio. Prezidis S-ro Ed. Stettler, prezidanto de UEA. Skizante la malfacilaĵojn de nuntempa internacia laboro, li konstatas, ke la Asocio iom post iom revenas al la normala funkciado kaj sukcese realigas sian idealon per serioza laboro praktika. Vidinte en la urbo simbolan kandelon kun surskribo *„Serviens consumor"* (Servante mi konsumiĝas), li deziras, ke ni povu diri pri UEA „Servante ĝi progresigas la movadon". Li transdonas la parolon al S-ro Hans Jakob, Ĝenerala Sekretario de UEA por prezenti la raporton pri la pasinta jaro. Per la kongresa libro, kiu enhavas la administran raporton pri 1922, S-ro Jakob mallonge klarigas la bilancon. Li atentigas pri la fakto, ke dum 1922 devis esti

forstrekitaj pli ol 1000 membroj pro nepago de la kotizo. Venante al la nuna jaro, li plezure konstatas plibonigon de la ĝenerala situacio, sekve de pliaj enspezoj kaj iom malaltigo de la kostoj. Bedaŭrinde ankaŭ tiun jaron multaj membroj devas esti forstrekataj kaj li insistas je nepra fideleco al nia paca armeo. Tiuj nerepagintoj similas al dezertoroj, kiuj forlasas la batalejon en la momento kiam la armeo atingis la venkon. La venko signifas en tiu kazo senŝulda fino de la administra jaro.

S-ro Stettler informas la kongreson pri la akcepto de la Administra Raporto per la Komitato de UEA kun danko al la Ĝenerala Sekretario por lia laboro. En la diskuto petas la parolon *S-ro Applebaum, Liverpool,* pri la *helpmembroj* proponante la allason en tiun kategorion de personoj el ĉiuj landoj ne sole de malbonvalutaj. Proponas aranĝon de anoncvarbado per profesiaj agentejoj, kaj rimarkigas la mankon de sufiĉa afranko ĉe diversaj al li adresitaj sendaĵoj.

S-ro Stettler informas, ke la kategorio de la helpmembroj estas provizora kaj por landoj kun tre malbona mono. La ideo estis prezentita dum la Praha kongreso. Helpmembroj pagas 50 centimojn svisajn, sed ricevas nur la membrokarton. La sperto montris tamen, ke tiu provizoraĵo ne altiris konsiderindan nombron de aliĝoj. Kontraŭ nesufiĉa afranko kaj sekvanta postpagigo de la manko ekzistas nur unu rimedo: rifuzi la sendaĵon.

Petas la parolon *S-ro Degen, Leipzig,* plendante pri misuzo de la servoj. Informas pri okazinta malagrablaĵo en Leipzig, mendo de ĉambroj kaj neveno de la mendintoj el kio rezultis domaĝo, respektive perdo de mono al la Delegito. Respondas je tiu plendo la Ĝenerala Sekretario, atentigante, ke plendoj devas esti skribe farataj al la Centra Oficejo, kiu donas sian tutan atenton al tiu neagrabla afero. Li insistas, ke la Delegitoj kaj Membroj nepre atentu la statuton.

*S-ro O. Bünemann, Hamburg,* kritikas la Statistikon ĉiujaran de UEA, opiniante la Demandaron nerespondebla por multaj Delegitoj pro manko de tempo, preparo aŭ ordemo. Same li trovas nenecesa servon de statistiko entreprenata de la Germana Esperanto-Instituto. Pri kotizoj li trovas, ke ili ne estas tro altaj, se oni ilin komparas kun la elspezoj por fumado kaj plezuraĵoj.

S-ro Stettler redonas la prezidon al D-ro Dietterle, kiu informas pri diversaj flankaĵoj. Pro la jam malfrua horo oni daŭrigos la diskuton pri statistiko en la dua laborkunsido. Petas la parolon *S-ro Groot, Riga,* kiu transdonas la bondeziron de 12 societoj kaj gazetoj latvaj. La prezidanto aludas la Fakajn Kunsidojn dezirante al ili prosperan laboron.

La prezidanto fermis la kunsidon je la 11a horo.

La protokolintoj:
*Hans Jakob. Andreo Ĉe.*

* * *

## Dua Labora Kunsido.

6 aŭgusto 1923, komenco $10^1/_2$ horo.

Tagordo:

Raporto de UEA. (Statistiko).
Jarlibro de UEA.
Komerca Konferenco.
Raporto de S-ro Page pri Organizo.

Malfermas la kunsidon D-ro Dietterle. Li konigas diversajn informojn kaj rekomendas, ke la fakaj kunsidoj sendu raportojn al la kongresa sekretario kaj Gazetara Servo. Li transdonas la prezidon al S-ro Stettler, prezidanto de UEA, kiu parolas pri la neceso subteni UEA per kotizoj ne perdiĝante en flankaj aferoj relative malgravaj por la movado kiel tuto. Internacia lingvo devas esti uzata internacie, alie ĝi ne havus sencon. Parolas nun pri statistiko S-ro Dietterle, sub kies kompetenta zorgo estis preparita la statistiko de servoj de UEA (kongreslibro, paĝoj 92—93). Li nepre insistas pri la graveco de taŭge aranĝita statistiko, kiu sole montras al skeptikuloj la progreson de nia movado; ĉe registaroj ĝi estas la sole uzebla materialo. Necesas antaŭ ĉio, seriozeco de la respondoj. Li citas kelkajn tiajn fuŝrespondojn.

*S-ro Stan. Kamaryt, Bratislava,* akcentas la gravecon de la statistiko de UEA, kiu laŭ lia opinio estas aranĝita tre praktike kaj estas facile respondebla. Cetere tia laboro devas esti ne ŝarĝo sed plezuro por Delegito konscia pri sia tasko. Admonas, ke oni respondu laŭ la vero sen troigo.

*S-ro Degen, Leipzig,* parolas pri la statistiko entreprenita de la Germana Esperanto-Instituto kaj plendas, ke nur 50% de la demanditaj instruistoj respondis. Li juĝas necese, dividi la laboron: propaganda — administra. Preciza statistiko estas utila kaj grava.

Pro la daŭra alveno kaj iro de personoj sekvas kelkminuta diskuto pri la enlaso de pluaj kongresanoj en la jam plenan salonon. Post tiu diskuto, ĉe kiu partoprenis S-roj Privat, Ledermann, von Frenckell, Soltykeviĉ, Butler, Dietterle Isbrücker, Fanta, oni decidas daŭrigi la kunsidon, farante lokon por pluaj kunsidantoj.

Post tio la prezidanto voĉdonigas akcepton de la Administra raporto de UEA 1922, kio okazis unuvoĉe.

Sekvas punkto 2 de la tagordo: Jarlibro de UEA. La prezidanto prezentas kaj konigas la jarlibron 1923. Informas pri la plibonigoj dezirindaj kaj preparataj kiel enmeto de hotelaj adresoj, facile komprenebla skizo de la nuna organizo esperantista. Pro teknikaj kaŭzoj oni eligis la Interrilatan Adresaron kiu estonte ne plu aperos. Oni konsentas al la Membro-Abonantoj senpagan anonceton en „Esperanto“ aŭ en speciala aldono por interŝanĝontoj.

*S-ro Schamanek, Wien,* proponas aldoni landkarton (mapon) kiel estis en 1914.

*S-ro Montagu C. Butler, London,* gratulas pri la bela, riĉa jarlibro kaj konsilas uzi la landnomojn laŭ la rekomendo de la Lingva Komitato.

La prezidanto dankas al la parolinto, sed rimarkigas, ke UEA ne povas diskuti pri lingvaj aferoj, estante organizaĵo, pure praktika.

*F-ino Noll, København,* deziras, ke la jarlibro enhavu indikon pri la hoteloj abonantaj esperantajn gazetojn.

*S-ro A. Pitlik, Praha,* kritikas la uzadon de ne laŭleĝaj nomoj de la lokoj en Ĉeĥoslovaka Respubliko, publikigitaj en la adresaro.

*D-ro Privat* klarigas la sintenon de la Centra Oficejo kaj opinias, ke kontentiga solvo de tiu ĉi delikata demando povas esti atingata nur per neŭtrala forumo, kia estas la Universala Poŝta Unuiĝo, al kiu sin turnos UEA.

*S-ro Hans Jakob* konigas la principon ĝis nun sekvitan. La adresaro enhavas la indikojn ricevitajn de la koncernaj delegitoj; la poŝta libro plej parte enhavas tiujn nomojn.

*S-ro O. Bünemann, Hamburg,* proponas la uzon de esperantigitaj nomoj por la pli gravaj lokoj kiel ekzemple Berlino, Kembriĝo, Parizo, Varsovio. Por adreso sur postaĵo la uzo de nacilingva nomo estas preferinda.

La prezidanto resumas la diversajn opiniojn pri la nomoj de lokoj kaj certigas, ke tiu afero trovos plej zorgan atenton de la Centra Oficejo.

*S-ro Otto Reber, Bamberg,* deziras, ke la Jarlibro de UEA enhavu la adresojn de la Vicprezidantoj de I L E P O (Internacia Ligo de Esp. Poŝtoficistoj). Li konstatas, ke la fakaj unuiĝoj ne estas atentataj kiel decus kaj proponas, ke la jarlibro enhavu en la laŭloka listo de Delegitoj la nomojn de fakaj reprezentantoj.

*S-ro S. Freund, Breslau,* proponas, ke la jarlibro estu aĉetebla.

La Ĝen. Sekretario de UEA konigas, ke tio ne estas rekomendinda por ne endanĝerigi la eldonon, kaj pro certaj eksportaj kondiĉoj.

*S-ro Arth. Witham, Burnley,* protestas kontraŭ la enmeto de informoj pri la Ligo de Nacioj.

D-ro Privat atentigas pri la pure informa karaktero de la enciklopedia parto. Necesas, ke UEA rilatu kun ĉiuj ekzistantaj internaciaj organizaĵoj por la bono de nia afero. Kia ajn estas nia persona sinteno al aŭtoritatoj, UEA devas trakti kun ili, se tion postulas la interesoj de nia movado.

*S-ro Groot, Riga,* plendas pri kelkaj eraraj sciigoj kaj preseraroj.

*S-ro Applebaum, Liverpool,* instigas, ke la Centra Oficejo klopodu ricevi anoncojn per profesiaj reklamistoj.

Al ĝi respondis la prezidanto, ke UEA tion faris sed sen sukceso pro la tute speciala karaktero de la jarlibro.

*S-ro Henriko Fischer, Bucuresti,* diras, ke la internacia karaktero de nia movado postulas internacian organizon kiel UEA. Honora devo de ĉiu esperantisto estas, ke li aliĝu al UEA. Nura loka aŭ nacia grupiĝo. Skizas planon de aŭtomata aniĝo de rumanaj esperantistoj, samtempe membroj de Rumana Esperantista Societo kaj de UEA.

*S-ro Elten, Hildesheim,* proponas enmeton de plenaj alfabetoj nelatinaj anstataŭ la nunaj ekzemploj de fremdaj skriboj.

*S-ro O. Bünemann, Hamburg,* petas, ke la kunsido esprimu dankon kaj gratulon al UEA kaj al la verkinto de la jarlibro pro ĝia bonega aranĝo.

La diskuto pri la jarlibro estas finita. La prezidanto de UEA informas la kunsidon pri la akcidenta morto de S-ro Humbel, oficisto de UEA, fidela laboranto. La kunsido leviĝas je lia memoro. Poste la prezidanto konigas la nomigon de S-roj Paul Linares, komitatano, kaj D-ro Privat, vicprezidanto de UEA, kiel honoraj membroj. Per varmaj vortoj S-ro Stettler dankas al la du kunlaborantoj, ambaŭ nun dek jarojn en la komitato de UEA. Sin turnante al D-ro Privat, li speciale dankas por la valora laboro de li plenumita. Kiel konkretan esprimon de tiu danko li transdonas al li fotografaĵon de aktara ŝranko, honordonaco de UEA, necesa meblo por konservi la multnombrajn manuskriptojn kaj paperaĵojn alvenantaj ĉe redaktoro de esperantista gazeto.

(La kunsido forte aplaudas.)

*D-ro Privat* kortuŝe dankas pro la surprizo tre plezuriganta. Memorante la morton de S-ro Humbel, D-ro Privat skizas lian vivon bedaŭrante, ke la Centra Oficejo perdis tiun laboreman, diligentan kaj modestan viron.

Poste D-ro Privat raportas pri la Venezia Komerca Konferenco kaj ĝiaj postaj rezultoj. La oficiala protokolo nun aperis en esperanta, franca, itala, angla kaj germana lingvoj kaj povas esti utiligata kiel propagandilo inter komercaj rondoj. La delegito de la Londona Komerca Ĉambro, S-ro Edmonds, sukcesis starigi komitaton de britaj komercaj organizaĵoj, kiu dissendas dek mil ekzemplerojn en la tuta mondo. Jam multaj gravaj organizaĵoj aliĝis al la rezolucioj de Venezia, sed la laboro nur komencas. Ni devas ĝin daŭrigi senhalte.

*S-ro Pitlik* opinias, ke Venezia Konferenco, kiu ankaŭ temis pri turismo, montriĝis eĉ pli grava ol la Ĝeneva pri instruado kaj enkondukis Esperanton en rondojn, ĝis nun absolute fermitajn. Li esprimas la dankojn de la esperantistaro al UEA kaj al D-ro Privat pro tiu grava klopodo.

*S-ro Degen* transdonas decidon de la faka kunsido de instruistoj, ankaŭ dankas D-ron Privat pri la Ĝeneva Konferenco, kies semoj nun ĉie ekfloras.

*S-ro Kreuz* transdonas saman decidon de la faka kunsido de komercistoj pro la Venezia Konferenco.

*D-ro Privat* dankas el koro la dankintojn, sed petas, ke oni nun ĉesigu tiun superŝuton por ne perdi tempon kaj ne igi niajn kongresojn ian asekuran societon de reciproka interkomplimentado. Estas granda ĝojo konstati la sukceson de ambaŭ konferencoj; kun ĉies helpo oni povos iam organizi aliajn en ceteraj fakoj.

*La prezidanto* interrompas la diskuton pri komerco por aŭdi gravan raporton de *S-ro Page* pri la Centra Komitato de la tuta esperantista movado, grupigita internacie per UEA kaj laŭnacie per Konstanta Reprezentantaro de Naciaj Societoj. Tiu lasta organizaĵo, kies nova estraro estis ĵus elektita (S-roj Merchant, prez., Edmonds, sekr.-kasisto kaj sidejo en Pariza Centra Oficejo, kies ĝenerala sekretario estas S-ro Chavet) havis preparan kunsidon en Venezia kaj tri plenkunsidojn tie ĉi. Kune kun UEA ĝi aplikis la decidojn de la lasta kongreso' konatajn sub la formo de la Helsinka Kontrakto. Jen ĝiaj plej gravaj paragrafoj:

II.

La K. R. kaj UEA interkonsentos pri la elekto de Centra Esperanto-Komitato, kiu konsistos el ses anoj, oficantaj dum tri jaroj kaj reelektotaj po du ĉiujare.

Tiu C. E. K. zorgos pri la ĝeneralaj interesoj de la movado. Ĝi starigas *Centran Kason* kaj por tio enspezas donacojn, kotizojn de kongresoj, kotizojn de naciaj societoj pere de la K. R. kaj subvencion de UEA.

IV.

La C. K. decidas pri la okazigo de la universalaj kongresoj kaj komisias ilian organizon al K. K. K., kiu enhavos du reprezentantojn de la C. K., du anojn de la loka komitato de la estinta kongreso, du anojn de la estonta kongreso kaj du kuratorojn de la kongresa kaso.

V.

Krom la universalaj kongresoj povos okazi periode oficialaj konferencoj laŭ decido de la C. K., kiu tamen ne zorgos pri konferencoj politikaj aŭ religiaj.

La K. R. nun funkcias [Merchant & Edmonds], sidejo en Parizo (Chavet) kaj la interkonsento inter ĝi kaj UEA estas aprobita por komencaprova periodo de tri jaroj.

La du institucioj interkonsentis en Nürnberg pri jena C. K.:

S-ro Gabriel Chavet, Parizo;
D-ro Johann Dietterle, Leipzig;
S-ro Rudolf Hromada, Praha;
S-ro Kenn (Ĉino), Lyon;
S-ro W. M. Page, Edinburgo;
D-ro Edmond Privat, Ĝenevo.

Tiu nova komitato de nun gvidos la ĝeneralajn interesojn de nia movado.

Bedaŭrinde S-ro Chavet kaj S-ro Kenn ne povis ĉeesti en la nuna kongreso, sed la aliaj komitatanoj jam dufoje kunvenis kaj zorge pristudis la agmanieron de la C. K., kaj mi nun havas la plezuron raporti pri iliaj decidoj.

Estas rimarkinda fakto, ke en Nürnberg ni venas al la komenco de nova fakto en la historio de Esperanto.

La organiza demando, kiu ŝarĝis la tagordon de niaj kongresoj dum multaj jaroj nun solviĝis, kaj ĝi nun malaperis. Venas nun al niaj kongresoj tiom da homoj, ke novaj metodoj

utiligi ilin devas esti pripensataj. La tasko de la kongresoj estos ne nur provizi kadron por laboro de niaj komitatoj kaj fakaj kunsidoj, sed inspiri kaj entuziasmigi niajn samideanojn, kiuj ĉeestas kaj precipe la junulojn al kiu la estonteco de nia movado apartenas.

La C. K. ellaboradis unikan laborplanon pri kiu mi deziras speciale atentigi vin.

La C. K. opinias, ke ĝi povas pli bone funkcii, ne kiel ordinara komitato en kiu eble nur unu aŭ du personoj laboras, kaj la aliaj sidas en kunvenoj kaj kritikas; sed kiel komitato en kiu ĉiu ano ludos apartan rolon, plenumos apartan laboron.

Ĝi fariĝos do kvazaŭ kabineto de la Esperanto-movado. Konsistanta el ses ministroj aŭ popolaj komisaroj.

Uzante la vortojn „kabineto" kaj „ministroj", mi deziras forigi ian impreson, ke oni celas krei registaron; la vortojn mi uzas nur kiel utilajn por ilustri.

1. Ni elektis kiel prezidanton D-ron Privat, li estos kvazaŭ ĉef-ministro. Vi ĉiuj scias la ecojn de nia amiko, krom elokventeco — laboranto — inspiranto, oferante ĉion al nia afero.

2. La financa afero estas grava. La nuna ekonomia stato postulas, ke se eble la Centra Kaso estu en bonvaluta lando, kie oni ne povas timi perdon per la malaltiĝo de la valuto. La ceteraj anoj de la komitato, do elektis min, ĉar Brito kiel Ministron de Financo. Al mi do venos la mono, kiun kolektos de la naciaj societoj la K. R., la donacoj, la profitoj de la kongresoj, kaj la subvencio de UEA. Tiu mono estos uzata per komerca propagando, kaj por la subteno de la oficialaj institucioj de Esperanto.

Estas tre grave, ke oni havu bonan kapitalon en la kaso, kaj la nuna tempo estas tre oportuna por bonvoluloj pri la nova organizo donaci al la komitato fortajn monrimedojn. Krom la Ministro de Financo, mi ankaŭ agas kiel Ministro de Juro (regularo).

3. La instrua kaj literatura flanko de nia movado estas ankaŭ tre grava kaj postulas la gvidon de sperta edukisto. Ni do komisias al D-ro Dietterle, la zorgon pri instruo, la statistikon pri ĝi ktp., kaj pri literaturo ankaŭ pri la ĝenerala statistiko. D-ro Dietterle do fariĝos nia Ministro de Instruado.

4. Ni difinis oficon al S-ro Hromada, kiu havas specialan kompetentecon, la zorgo pri la tutmonda gazetaro. Li estos fakestro de Publika Informo.

5. S-ro Chavet, kiu estas en Parizo, ĉe la Centra Oficejo, tute nature estos nia Ministro de Internaj Aferoj. Li zorgos pri la interrilatoj inter la maŝinaro de nia movado, niaj institucioj ktp.

6. Por la zorgo pri nia propagando en Oriento kaj en Norda kaj Suda Ameriko S-ro Kenn, estante Ĉino estos tre kompetenta. Nia movado ne plu estas nur eŭropa.

Sub la energia kondukado de nia estimata D-ro Privat, en la C. K., S-roj Merchant kaj Edmonds en la K. R. (tre praktikaj homoj); kaj S-roj Stettler kaj Jakob en UEA ni antaŭvidas por nia movado bonan estontecon.

Ni petas al niaj samideanoj indulgon en la fruaj tagoj. Ni eble faros erarojn; bonvolu simpatii kaj pardoni. Ni ne povos fari kolosan laboron ĉar en la nuna stato de la afero kaj en la nuna stato de la mondo estas malfacile eĉ fari malgrandan laboron. Ne tro kritiku, ne malhelpu, sed subtenu.

Nia movado do eniras novan periodon. La roloj estas bone metitaj; la maŝino pretiĝas por la vojaĝo; la kampo estas vasta; ni ordigu niajn fortojn; vi deziru por ni bonŝancon kaj ni faros nian eblon. *(Longaj aplaŭdoj).*

*D-ro Dietterle* demandas ĉu la kongreso deziras diskuti la raporton de S-ro Page.

*S-ro Pitlik* demandas ĉu la naciaj societoj prezentis la kandidatojn por C. K.? Li ne aŭdis, ke la ĉeĥa asocio tion faris.

*D-ro Privat* respondas, ke la naciaj societoj ne proponis naciajn kandidatojn, ĉar ja temas nur pri 6 homoj, kiuj ne reprezentas naciojn, sed la komunajn interesojn de la movado. La delegitoj de 9 naciaj societoj en Venezia kaj de 17 societoj en Nürnberg starigis unuanime kaj ambaŭfoje unu saman liston, kiu ricevis ankaŭ la konsenton de UEA.

Nun la C. K. povis tuj ekfunkcii sed estus bone, ke K. R. kaj UEA poste submetu sian interkonsenton al skriba konfirmo rajtigante la C. K. por la provizora periodo de 3 jaroj fiksita en Helsinki.

La Prezidanto anoncas, ke la diskuto daŭros morgaŭ.

* * *

## Tria Labora Kunsido.

7 aŭgusto 1923, 9a horo.

Tagordo:

Raportoj kaj proponoj.

---

Malfermas la kunsidon D-ro Dietterle; li donas la parolon al D-ro Takács kiu informas pri okazinta aparta kunsido, samtempe kun la dua labora kunsido.

La prezidanto proponas prezenti tiun protokolon post la regula tagordo.

*D-ro Spielmann, Bern,* vicprecidanto de Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtoficistoj legas raporton pri la agado de I L E P O, petskribo al Univ. Poŝta Unio, kaj prezentas rezoluciojn.

La prezidanto aprobas la agadon, rekomendas labori per la helpo de la naciaj societoj kaj raporti al la Konstanta Reprezentaro (K. R.).

El la rezolucioj proponitaj nin interesas tiu, petanta „klarecon" ĉe telegrafo. Ceteraj rezolucioj iru al K. R.

*D-ro Spielmann* informas, ke li kolektis jam pli ol mil subskribojn, petas fervore kolekti subskribojn, intencas prepari petskribon al ĉiulandaj poŝtaj administracioj por ke la okazonta Poŝta Kongreso en Stockholm 1924 povu disponi pri konvinkiga materialo kaj decidi favore.

*S-ro Frey, Wien,* sciigas pri la laboro en Wien. Oficialaj rondoj konfirmas pretecon sekvi se aliaj landoj komencas.

La prezidanto proponas akcepti kaj transdoni la liston al naciaj societoj por ke ili kolektu la subskribojn.

*D-ro Spielmann* donas kelkajn kompletigajn sciigojn.

*S-ro A. Pitlik, Praha,* opinias, ke pli certa vojo estas sin turni rekte al la ministrejoj, per helpo de oficistoj kompetentaj. Aŭtoritatoj prefere aŭskultas fakulon, kaj kutime malatentas aliajn. La I L E P O turnu sin tial nur al la minestrejoj. Proponas, ke la poŝtoficistoj esperantistaj faru petskribon al ministrejo en sia lando; I L E P O rekte ĉe Poŝta Unio; la kongreso esprimu deziresprimon de enkonduko de nia lingvo ĉe poŝto, telegrafo, telefonio.

Unuanime akceptita.

*D-ro Spielmann* petas la helpon de Ilepanoj por tiu ĉi laboro.

La prezidanto gratulas la raportinton, deziranta plenan sukceson, en tiu evidente grava klopodo.

Sekvas raportoj de K. K. K. kaj K. R. (Konstanta Kongresa Komisio, Konstanta Reprezentantaro).

*S-ro Applebaum, Liverpool,* demandas ĉu K. K. K. restos memstara aŭ eniĝos en la C. K.

D-ro Privat respondinte informas, ke la Centra Komitato (C. K.) estas responda pri la elekto de kongresloko; la Kon-

stanta Kongresa Komisiono zorgas pri la supera aranĝo kaj kolektas la spertojn.

La prezidanto proponas daŭrigi trakti negocojn de UEA, poste raportojn kaj speciale pri la monumento al D-ro Zamenhof. Petas ke la fakaj kunsidoj donu baldaŭ la raportojn.

Prezidas S-ro Stettler. Li parolas pri la Komerca Konferenco en Venezia kaj la raportoj pri ĝi, aperintaj en Esp., angla, franca, kaj itala lingvoj. Ĵus aperis en la serio de ekonomiaj broŝuroj de la Foiro de Frankfurt, germana traduko kun apuda teksto esperanta, bele presita kun arta kovrilo. La prezidanto dankas al la Foiro de Frankfurt, kiu per tiu gesto ree montris sian konfidon al nia movado.

Li plie dankas al la teknikaj aranĝantoj de tiu valora libro, precipe S-ron Rob. Kreuz, honora direktanto de la esperanta fako ĉe la foiro.

Li informas, ke UEA kreos komercan organizon aŭ servon. Unue per specialaj komercaj delegitoj en lokoj kie tia aranĝo povus esti valora.

*S-ro Glück, Berlin,* opinias, ke nia lingvo povas multe helpi al la komerco. Bedaŭrinde la informpetoj ricevitaj de la delegitoj estas plejofte ne seriozaj. Instigas, ke nur spertaj komercistoj estu elektataj kiel komercaj delegitoj.

*S-ro Henriko Fischer, Bucuresti,* salutas la novan aranĝon. Li konfirmas la antaŭan parolinton rilate la neseriozaj informpetoj. Li ankaŭ subtenas la regulon, ke komerca delegito estu nepre komercisto prefere memstara.

*S-ro Schamanek, Wien,* opinias, ke ekzistas ja multaj esperantistoj sed inter ili nur malmultaj komercistoj. Oni klopodu gajni komercistojn do ilin esperantigi, sed oni ne komercistigu esperantistojn.

S-ro Stettler, precizigis la kondiĉojn sub kiuj persono povas esti notata kiel komerca delegito. La kandidato nepre devas havi certan aĝon, do ne tro juna, esti komercisto ĉu memstara ĉu supera komerca oficisto. Necesas ke ni protektu nin kontraŭ la naivuloj skribantaj malspritajn poŝtkartojn por ricevi katalogon kutime kolektotan kiel esperantaĵo. Li citas ankaŭ alian malbonaĵon nome la fakto, ke delegito ricevas informpeton pri ia komerca servo, kies rezulto restos ofte nekonata al li.

*D-ro Halbedl, Graz,* aprobas la kreon de specialaj komercaj delegitoj sed kredas, ke la tempo ne ankoraŭ estas favora al tia aranĝo, pro la malmulteco de la komercistoj uzantaj nian lingvon. Pro tio la specialigo de la delegitoj devas esti farata tre atente kaj nur tiam, kiam nepra bezono montriĝas. Proponas ke la vicdelegito estu komercisto por plenumi la funkcion de komerca delegito.

*F-ino Noll, Kopenhago,* proponas, ke oni simpligu negocojn per Esperanto havigante profiton al la peranto.

*S-ro Henriko Fischer, Bucuresti,* kontraŭdiras la opinion de S-ro Halbedl kaj opinias, ke ne necesas komence granda listo de komercaj delegitoj sed gravaj personoj el la komerca vivo. Se mankas al firmo oficisto sciante la lingvon tiam esperantisto-komercisto proponu sian helpon.

La prezidanto detale klarigas la kvinan rezolucion de la Venezia konferenco, ke UEA atentigu la komercistojn pri la mirinda klareco de la radikoj en Esperanto por la senfadena telegrafio. Per mallongigoj komprenataj de la telegrafema publiko, la uzo de nia lingvo pro sia simpleco ŝparigas monon kaj tempon.

Pri komercaj gvidfolioj la prezidanto informas, ke la Centra Oficejo donas tutan atenton al tiu tre interesa propono kaj supozeble baldaŭ povos aperi la unuaj. Pri hoteloj kaj eventuala starigo de listo aŭ enskribo en la adresaro de la delegitoj, decido jam estas farita. Klopodi je favoraj prezoj konsentataj al niaj membroj li konstatas, ke nenio estas farebla nuntempe pro la nenormalaj cirkonstancoj. Ankaŭ la eldono de komerca gazeto ne rekomendiĝas, ĉar tia jam ekzistas. La starigo de listo de firmoj uzantaj nian lingvon estas malfacila kaj necerta. Ĉiuj tiuj demandoj estas transdonotaj al kreota komerca komisiono de UEA.

*D-ro Spielmann, Bern,* konigas cirkuleron de nove kreita Radiotelegrafa Oficejo en Locarno, uzanta Esperanton kaj starigianta fakon Radio-Servo. Li petas, ke oni publikigu en naciaj gazetoj la rezolucion de la XV[a] Kongreso pri Esperanto ĉe la poŝto.

S-ro Stettler informas pri la situacio de UEA konstatante senteblan pliboniĝon de la financoj. Li insistas, ke oni aliĝu al UEA donante al ĝi la necesan forton per la kotizoj. Internacia movado bezonas internacian centron kaj tial estas nepra devo de ĉiu esperantisto, ke li estu membro de UEA. Nur multenombra UEA povas plenumi tiajn laborojn pri kiuj oni diskutis.

D-ro Dietterle reprenas la prezidon kaj konigas salutleteron de S-ino Hankel, Dresden, transdonita de S-ro Krestanoff. Li proponas sendi dankesprimon, kio estis akceptita kun aplaŭdo.

*S-ro Warden, Edinburgh,* raportas pri la Konstanta Kongresa Komisiono. Li parolas pri la multaj komplikaĵoj rezultiĝintaj el la granda nombro de aliĝoj unuflanke kaj la eksteraj cirkonstancoj aliflanke kaj petas je objektiva konsidero okaze de kritiko. Li konigas invitojn por la XVI[a] kongreso al Bruselo. Vieno kaj Sofio. Plie invito de Italio por la jaro 1925.

D-ro Dietterle dankas la parolinton kaj petas opiniojn. La raporto de la K. K. K. estas unuanime akceptita.

D-ro Privat petas ke la sugestioj pri kongresaranĝoj iru laŭvice de la tagordo. Li raportas pri la Konstanta Reprezentantaro (K. R.). Li trovas, ke la nuna situacio de nia movado laŭ organiza vidpunkto simpliĝis kaj demokratiĝis. Ne plu estas malcerteco pri la roloj. Unuflanke UEA zorganta pri la internaciaj aferoj kaj praktika apliko aliflanke la naciaj societoj okupiĝantaj pri la propagando. Li skizas la novan organizon: *Centra Komitato* (C. K.) konsistanta el ses personoj, plej supera instanco de la esperantistaro. *Konstanta Reprezentantaro* (K. R.) konsistanta el reprezentantoj de la Naciaj Societoj. *Universala Esperanto-Asocio* laŭ ĝia elprovita sistemo. Sendependaj de iu organizo la Lingva Komitato, zorganta pri la lingvaj flankoj kun la Akademio kiel supera komisiono. La sidejo de la K. R. estas en Parizo. Tuŝante la financan flankon li informas, ke la Naciaj Societoj pagu parton el la enspezoj.

*S-ro Fischer* raportas pri la financoj de la K. R. rimarkante, ke la movado bezonas monon. Ĝis nun dekkvar naciaj societoj promesis pagi parton el la kotizoj de la membroj. Por atingi firman bazon li proponas pagon de 50 centimoj po jaro kaj membro al la K. R. kaj laŭcirkonstancan kalkuladon al landoj kun tre malbona mono.

D-ro Privat dankas al la raportinto. Li rememorigas pri Generalo Sebert la maljunan pioniron de nia afero en Francio ĉiam sekvanta kun atento la movadon. Li proponas sendi telegramon de danko kaj estimo. (Akceptita kun aplaŭdo).

*D-ro Takacs, Budapest,* legas raporton pri la aparta kunsido neoficiala okazinta en la ĝardeno de la kongresejo. Ĉeestis 86 personoj kiuj pro manko de loko en la salono ne povis partopreni la regulan kunsidon.

Prezidis S-ro Nylen.

S-ro Novljan el Zagreb proponas kreon de Universitato kondukata de eminentaj samideanoj korekte parolantaj la lingvon donantaj prelegojn pri historio kaj konstruo de internacia lingvo, sciencaj temoj ktp.

*S-ro Drummond, Melbourne,* deklaras, ke la aŭstraliaj samideanoj jam proponis la preparon de gramofonaj diskoj, permesantaj ĉie konstati korektan parolmanieron de nia lingvo. La kunsido proponas rezolucion, ke UEA studu la eblecon aranĝi someran kelksemajnan restadon esperantistan en konvena loko por faciligi la unuecan elparolon de nia lingvo.

Pliaj proponoj pri aranĝo de la kotizo laŭ la interkonsento en Helsinki kaj pri la venonta kongresloko. La prezidanto informas ke la decido pri tiuj proponoj apartenas al la Centra Komitato.

D-ro Privat atentigas ke la Centra Komitato bezonas rajtigon por ke ĝi povu agi kun respondeco.

*S-ro von Frenckell, Dresden,* ĝojas pri la fina solvo de la organiza problemo. Bedaŭras, ke la Centra Komitato enhavas personon malmulte konatan kaj eble sen spertoj. Insistas, ke la elekto de komitatano dependu de liaj kvalitoj rilate la movadon. Proponas aldoni spertulojn al la C. K., kreon de subkomitato aŭ rajtigi la Centran Komitaton por elekto de tia komisiono de spertuloj.

Respondas D-ro Privat kaj atentigas, ke la elekto de ĉino en la C. K. kaj speciale de S-ro Kenn havis profundajn motivojn. Nia movado enradikiĝas en la oriento precipe en Ĉina respubliko, kion pruvas la favoraj decidoj de la registaro kaj la subteno de Esperanto ĉe la Ligo de Nacioj. Pri S-ro Kenn li informas, ke li estas malnova propagandisto en sia lando. La fakto, ke li loĝas por almenaŭ tri jaroj en Lyon igis ankoraŭ pli rekomendinda tiun elekton.

Resume la elekto de S-ro Kenn okazis tute korekte, observinte severe la interesojn de nia movado en Oriento ĝis nun neniam reprezentita en la supera gvidado kiel decus. La proponon nomi spertulojn apud la C. K. por konsiloj li aprobas volonte. La C. K. certe ne malatentas tiun proponon.

*S-ro Eroŝenko, Peking,* subtenas la nomigon de S-ro Kenn, kiel ano de la C. K., opinias ke la organizo esperantista estis aranĝata ĝis nun tro amatore. Oni laboru pli science pli fake. Postulas impostigon de la nuraj plezuraĵoj por certigi la ekziston de la organizaĵoj. Konstatas, ke la publiko ne estas informita pri nia movado kaj konkludas, ke ankaŭ la propagando ne estas organizata kiel devus esti.

La prezidanto voĉdonigas pri la propono de S-ro von Frenckell. La propono estas akceptita kontraŭ unu voĉo *Ne* kaj kvin neŭtralaj. Poste la raporto pri C. K. estas aprobata.

*S-ro Page, Edinburgh,* dankas por la proponoj en la nomo de la C. K. Li petas, ke la Naciaj Societoj konfirmu la raporton pri K. R.

*S-ro Degen, Leipzig,* proponas dankesprimon al la C. K. (Aklamo). S-ro Dietterle resumas la tutan demandon pri organizo ĝojante, ke fine post multaj jaroj tiu afero estas solvita. Por ke la laboro sukcesu necesas subteno materia kaj morala.

La prezidanto transdonas la parolon al S-ro Applebaum, honora sekretario de la komitato por la Zamenhofa monumento. Li legas raporton. Priskribas la komplikaĵojn renkontitajn precipe la apation kaj senintereson ĉe la esperantistoj en bonvalutaj landoj. Proponas la jenan rezolucion:

> La XV[a] Kongreso de Esperanto en Nürnberg aŭdis la raporton de la komitato por la monumento al D-ro Zamenhof pri la progreso farita, rilate la starigon de monumento. La kongreso aprobas la raporton kaj direktas sian peton al la tutmonda esperantistaro por daŭra subteno de la monkolekto por tiu ĉi celo.

La rezolucio estis aklame akceptita.

La prezidanto konigas proponon de S-ro Senff, Hamburg, pri aranĝo de specimena ekspozicio dum la kongresoj. Respondas D-ro Privat, konsilante transdoni la proponon al la Komerca Komisiono de UEA.

*S-ro Fischer* klarigas la celojn de la varborso fondita dum la konferenco en Venezia kaj petas sin turni al ĝi okaze de bezono.

*S-ro Bano, Budapest,* blinda samideano atentigas pri la plaketo de Zamenhof kaj petas, ke oni ĝin aĉetu helpante per tio la blindulan esperantistan movadon.

D-ro Privat aprobas tion kaj rememorigas pri la movado inter blinduloj laŭproporcie pli granda ol tiu de la vidantoj. Instigas subteni la blindulan gazeton valora kaj interesa dokumento pri tiu flanko de nia afero. La prezidanto konigas diversajn proponojn de la grupo Zamenhof en Venezia, de S-ro Konstansoff, de Bulgara Esperantista Societo.

Tiuj proponoj estas transdonotaj al la Centra Komitato.

Post konigo de diversaj informoj la prezidanto fermas la kunsidon tagmeze.

* * *

## Ferma Kunsido de la Kongreso.

8 aŭgusto 1923, 9[a] horo, Kulturunuiĝa domo.

Tagordo:

Loko de la venonta kongreso.

Malfermas la kunsidon D-ro Dietterle, prezidanto de la kongreso. Oni legas la ricevitajn telegramojn kaj saluteterojn de:

*Esperantista Societo en Susak; Ge-roj Koeppen, Hamburg; A. B. C. Senff, Hamburg; S-ro Kan, Panevezys; Grupo de Birmingham; Grupo en Jerrez de la Frontera; D-ro Bischitzky, Praha; Kuba Esperantistaro, Habana; S-ro L. Poncet, Lyon; Rivarola Esp. Unuiĝo; Rondo Esperantista, Trieste; Grupo en Mainz; Esp. Grupo en Preŝov; Unio de Pola Libera Skoltaro; Turkestanaj Esperantistoj en Taŝkent; S-ro Otto Simon, Bad Reichenhall; Esperanto-Grupo en Kreuznach;* S-ro *Krum Mlaĝov, bulgara esperantisto; Andaluzia Federacio kaj Grupo en Sevilla; Laborista Esperantista Grupo, Genova; Junaj Esperantistoj, Breslau; Societo Paco kaj Amo, Barcelona; Fiuma Esperantistaro; D-ro Robin, Warszawa; S-ro Ed. Dauce, Korsawa; S-ro Jakob Schmid, Bern; Esperantistoj en Tuttlingen; Internacia Rejna Karavano, Koblenz; S-ro Onni V. Palin, Lappeenranta;* **Bulgaraj** *samideanoj Asen Grigorov kaj Geo Ĥarŝev, Sofia; Profesoro Bujwid, Krakow.*

La prezidanto legas leteron de P-ro Cart, alvokante je severa disciplino kaj fideleco al la fundamento. (Aplaŭdo.)

Post konigo de diversaj informoj pri la bankedo, kaj protokoloj de fakaj kunsidoj, oni venas al la ĉefa punkto de la tagordo nome la elekton de la estonta kongresurbo. La prezidanto konigas detale la situacion kaj rekomendas, ke invitoj estu farataj nur post serioza studo kaj ekzameno de ĉiuj kondiĉoj. Li informas ke venis invitoj por la XVI[a] kongreso el Bruselo, Vieno kaj Sofio. D-ro Dietterle petas la invitantojn, ke ili parolu. La delegito de la Viena Esperantistaro, S-ro F. J. Schade, prezentas la inviton de la urbo Wien informante la kongreson pri la bona stato de la movado en tiu urbo. La aŭtoritatoj subtenas la inviton kaj promesas helpi. S-ro Schade legas konfirmajn leterojn de la komunumo Wien, de la ĉefpolicejo, de terista landligo, Viena Esperantista Delegitaro. Li bedaŭras, ke belgoj kaj francoj ne povis ĉeesti la dekkvinan kongreson kaj forte substrekas, ke la urbo Wien ĝoje akceptos ĉiujn popolojn. (Aplaŭdo.)

*S-ro von Frenckell, Dresden,* prezentas la inviton por Sofia. Li konfirmas la inviton de la Bulgara Registaro transdonita per la Ĝenerala Konsulo S-ro W. Kaufmann. Li informas plie, ke se la kongreso efektive okazus en Sofia, S-ro Kaufmann promesis notindan subtenon financan de lia flankó. Ne altrudante al la kongreso kaj la tuta esperantistaro tiun inviton la parolinto petas, ke oni libere kaj senantaŭjuĝe diskutu ĉiujn proponojn. Se la plimulto de la kongreso estas por Wien li lojale subtenas ankaŭ tiun inviton. (Aplaŭdoj.)

*S-ro Warden, Edinburgh,* prezentas la inviton faritan de la Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj en Bruselo. Li atentigas, ke necesas ree okazigi kongreson en tiu parto de Eŭropo por faciligi ankaŭ al la esperantistoj en okcidentaj landoj la partoprenon. Li certigas bonan aranĝon kaj gastigon. (Aplaŭdoj.)

La prezidanto resumas la tri invitojn kaj malfermas la diskuton pri ili.

*S-ro Atanasof, Sofia,* esprimas la opinion de la neoficialaj rondoj. Li insistas, ke oni okazigu kongreson kie estas atendebla la plej granda rezulto. Tiun ŝancon sendube havas Bulgario kie nia lingvo estas instruata en gimnazioj. Li kredas, ke universala kongreso en Sofia havus neatendeblajn konsekvencojn, eĉ povus veni la deviga instruado de Esperanto aŭ certe favore influus tiucelajn klopodojn. Tia paŝo ankaŭ havus influon sur aliaj ŝtatoj kaj registaroj. La nun okazinta deka bulgara esperantista kongreso en Tirnovo decidis unuanime inviti la deksesan kongreson. Pri la financoj li informas, ke laŭformala demando estis farita al la registaro; respondon oni ne ankoraŭ ricevis.

La prezidanto petas la parolanton, ke li donu nur faktojn. Sufiĉas kompletigaj sciigoj pri la gastigoj, pri loĝado, pri prezoj. Li pli demandas ĉu ekzistas sufiĉe da hoteloj modernaj kaj ebleco de loĝado ĉe privatuloj.

S-ro Atanasof certigas, ke ne estas manko je bonaj hoteloj kaj ke la bulgaraj esperantistoj disponas pri personoj povontaj organizi kongreson.

*S-ro Panajot Kolev, Sofia,* konfirmas la inviton de la deka bulgara kongreso. Sekve de la promeso subteni la kongreson, farita de S-ro Kaufmann, la registaro certe subtenos.

*S-ro Franjo Novljan, Zagreb,* rimarkigas, ke Sofia ne estas ebla pro formala manko, nome skriba invito. Dubas ĉu financa garantio estas certigata, atentigas pri la necertaj politikaj cirkonstancoj sur la Balkano.

*S-ro Stettler* rimarkigas, ke necesas starigi principon, ĉu necesas kunveni ĉiujare aŭ ĉu ne estus dezirinde kunveni nur post du aŭ tri jaroj. Li trovas, ke ĉe la kongresoj mankas tempo por reala laboro neproporcia al la grandaj klopodoj. Plie la organizo elspezigas multe da mono.

La prezidanto voĉdonigas pri tiu principa demando. La propono estas malakceptita per granda plimulto.

Petas la parolon *S-ro Henriko Fischer el Bucuresti.* Informas pri la bona aranĝo de la Tirnova kongreso (nacia kongreso esperanta bulgara). Li varme subtenas la inviton de Sofia kaj opinias, ke la kongreso havus certe la rezulton de deviga instruado en la lernejoj. Li proponas okazigi la XVIIan en Vieno kaj teknikan konferencon dum 1924 en Bruselo.

*S-ro Pelz, Ĝenerala Konsulo de Aŭstra Respubliko,* informas (germanlingve), ke li estas komisiata de lia registaro raporti pri la nuna kongreso. Kredas, ke la registaro sekve de lia raporto invitos oficiale.

*S-ro Major, Budapest,* subtenas inviton de Vieno pro monaj cirkonstancoj.

*S-ro Paulsen, Kristiania,* pledas por Bruselo por ne okazigi kongreson ree en germanlingva urbo.

D-ro Privat informas pri la formala flanko laŭ la nova organizo. La kongreso nur esprimas la deziron sed decidas la Centra Komitato post severa kaj justa ekzameno de ĉiuj detaloj. La C. K. bone observos la diversajn opiniojn, demandas kial ne invitas Milano por 1924 anstataŭ 1925.

*S-ino Süssmann, Sofia,* garantias pri bonaj loĝejoj en Sofia kaj opinias, ke rabatoj por faciligi la partoprenon al esperantistoj el malbonvalutaj landoj estas donataj.

*S-ro Andreo Ĉe, Bucuresti,* prezentas la vidpunkton de la orientlandaj samideanoj kiuj ĝis nun neniam vidis kongreson facile atingeblan ankaŭ por ili. Li petas la kongreson ankaŭ atenti tiun flankon kaj esperas, ke la C. K. kiu decidos ne malatentos la interesojn de la balkanaj esperantistoj.

*S-ro Salo Grenkamp, Jaslo,* elokvente pledas por Sofia per proksimume samaj argumentoj kiel la antaŭa parolinto.

*S-ro Cav. Vaona, Verona,* sciigas, ke volonte la itala esperantistaro invitas la kongreson al Roma aŭ Milano sed ke tio ne estas ebla por la venonta kongreso pro internaj malfacilaj cirkonstancoj.

D-ro Privat demandas ĉu la Milananojn helpus se la kongreso esprimus la deziron, ke la XVIa okazu en Italio. Li proponus eventuale voĉdoni deziresprimon.

*S-ro Grot, Riga,* rimarkas, ke estas kontraŭ esperantisma spirito ignori iun popolon; atentigas, ke Wien estus ree germanlingva urbo. Subtenas la proponon de Sofia.

*F-ino Nickel, Potsdam,* sciigas pri ŝiaj impresoj en Vieno kie regas sincera entuziasma laboremo inter la esperantistaro. Tial Vieno meritas esti konsiderata.

La prezidanto demandas ĉu oni fermu la diskuton pri la estonta kongresurbo post aŭskulto de paroloj de S-roj Drezen, Schade, Pitlik, von Frenckell. Akceptita.

*S-ro Drezen, Moskvo,* proponas, ke la kongreso rezignu la elekt-rajton de la kongresurbo al la Centra Komitato. Pro la ŝanĝeblaj cirkonstancoj tia procedo estas pli rekomendinda.

*D-ro Ledermann* konigas la sinceran bedaŭron de la organizintoj de la XVa pro la foresto de belgaj kaj francaj samideanoj, timas, ke en Bruselo ne ĉiuj samideanoj povas samrajte kaj sammaniere eniri. Pro la internacieco de niaj kongresoj insistas, ke oni atentu tiun eblecon.

Respondas D-ro Privat, ke, se estus iaj malfacilaĵoj rilate facilan eniron en Belgio la C. K. ne akceptus la inviton.

*S-ro Schade, Wien,* konstatas, ke el ĉiuj invitoj nur la viena estas konforma al la regularo. Garantio pri sukceso ekzistas ĉar invitas la registaro kaj la urbo Wien.

*S-ro Gunĉo Gunĉev,* sekretario de la deka bulgara kongreso, substrekas, ke urbo Sofia plene taŭgas por internacia kongreso. Ekzistas bonaj hoteloj kaj certe speciala rabato estos donata.

*S-ro Aug. Pitlik, Praha,* opinias, ke pro la propaganda karaktero de niaj kongresoj estus rekomendinde okazigi la kongreson tie, kie la registaro ankoraŭ ne favoros nian movadon.

La prezidanto petas je justa konsidero de ĉiuj invitoj.

*S-ro Blicher, Kopenhago,* subtenas inviton por Vieno.

*S-ro von Frenckell,* dankas la bulgarajn samideanojn pro ilia serioza ne facilanime farita invito. La balkanaj landoj neniam ĝis nun havis internacian kongreson kaj nia movado bezonas fortan puŝon en tiuj landoj. Li definitive invitas al Sofia kaj petas, ke la Centra Komitato decidu dum unu monato tiel ke la Bulgaraj samideanoj klopodu je registara subteno. Estas nia devo konservi la jamajn samideanojn kaj tial ĉiujara kongreso okazu. Pri Vieno li opinias, ke la Vienaj esperantistoj kontentiĝu per la akcepto de traveturontaj samideanoj aŭ ke ili organizu antaŭkongreson. La prezidanto resumas la diversajn opiniojn kaj unuavice tuj voĉdonigas la proponon de S-ro Drezen, foriganta la elektrajton de estonta kongresurbo al la nuna kongreso. Tiu ĉi propono estas malakceptita kun granda plimulto.

Laŭregule voĉdonante pri la invitoj por Bruselo kaj Milano leviĝis kelkaj manoj, por Sofia voĉdonis 248, por Vieno 213.

*S-ro Scheibler, Wurgwitz,* deziras novan voĉdonon disiganta la du preskaŭ samfortajn partiojn. Propono malakceptita pro formaleco.

*S-ino Mälzer, München,* temperamente kritikas la sintenadon de la kongreso kaj energie pledas por Vieno.

D-ro Privat petas la parolon por trankviligi la ekscititajn samideanojn. Li dankas por la invitoj kaj konstatas la dezir-esprimon pri Sofia. Li certigas, ke la Centra Komitato senpartie, juste kaj severe ekzamenos la invitojn kaj decidos post esploro de ĉiuj flankoj. La tasko de la Centra Komitato estas malfacila kaj respondeca. Tial ni ĉiuj konservu disciplinon kaj ni altiĝu super la detaletoj kaj malgravaĵoj de la ĉiutaga vivo. Venas la momento finfermi la kongreson kaj li uzas la okazon varme danki al la anoj de la loka komitato por ilia sindona laboro sub la malfacilaĵoj ĝis nun ne konitaj kaj spertitaj. Kvankam estiĝis diversaj kritikoj pri iaj neperfektaj aranĝoj ni tamen ne forgesu la efektive grandajn malhelpojn kaŭzitajn de la stranga ekonomia situacio. Kvankam ĉiuflanke montriĝis nuboj, la loka komitato kaj aparte ĝia prezidanto D-ro Ledermann faris ĉion eblan por sukcesigi la kongreson. Varman dankon al ili kiuj ne perdis la kuraĝon nek fidon. Pro la ĝojo vidi tiom da samideanoj el la kvin kontinentoj ni tamen ne forgesu la amikojn al kiu la partopreno ne estis ebla, koran saluton al ili kaj esperon de revido je estonta kongreso. La nuna kongreso kun preskaŭ 5000 partoprenantoj formas nur eron de la esperantistaro. Partoprenis tiuj al kiuj permesis la sorto alveturi facile: ili kvazaŭ estas riĉuloj kaj tial estas nia devo esprimi niajn sentojn al tiuj ne povintaj veni nian feston. Bedaŭrinde ni havas ree okazon priplori la morton de ne-forgesebla samideanino; F-ino Anna Ŝarapova en Moskvo. Al tiuj, kiuj konis ŝin ĉu en Ruslando, ĉu en Genève, kie ŝi vivis dum longaj jaroj tiu foriro kaŭzas ĉagrenon. Malofte ekzistas tia persono tiom fidele plenumanta la evangelion de reciproka amo kaj estimo. Krom la mortintoj pri kiuj ni jam parolis ni memoru S-ron Sevenhuijssen el Nederlando, maljunulo kun junula koro. Li multe klopodis por nia afero en instruista sfero kaj estis elektita honor-prezidanto de la instrua konferenco en Genève. Ni memoru ankaŭ alian maljunulon bone konatan de la esperantistaro, S-ron Richard Sharpe (Ro Ŝo). (La kongreso leviĝis je la memoro de tiuj mortintoj).

D-ro Privat daŭrigante la paroladon esprimas la ĝojon de la esperantistoj pri la fina klareco en la organizo. Ne plu regas nun tiu malcerteco, tiu disputo pri la formo de organizo kaj direktado. Klara estas nia organizo, klara nia vojo. La nun funkcianta Centra Komitato promesas fari ĉion por akceli la disciplinon en agado. Sed ni ne forgesu, ke ses homoj ne povas labori sen forta subteno morala de la tuta aktiva samideanaro. Ni promesu, ni ĵuru, ke ni discipline kaj kuraĝe laboros ĉiu laŭ sia povo kaj kapablo ne timante oferojn kaj okazan seniluziiĝon pro ne laŭdezira efektiviĝo de niaj ideoj kaj esperoj. Ĵetu la lumon de via koro, de via scio al la tuta homaro kaj la sukceso estas al vi. Dependas de vi mem ĉu venos novaj sukcesoj, novaj triumfoj. Vivu la kongreso kaj ĝiaj rezultoj. Laboru rekte kaj unuece. (Longa forta aplaŭdo).

*D-ro Richard Ledermann,* prezidanto de la loka kongresa komitato prenas la parolon, memorante ĉiujn personojn kiuj kunhelpis por la sukceso de la kongreso. Li esperas, ke la laboro, peniga kaj malfacila ne estis vana. La ĉeesto de tiom da samideanoj ĝis nun ne viditaj ĉe internacia kongreso pravigas la esperojn kiujn oni havis. La impreso ĉe la loĝantaro kaj aŭtoritatoj pri la kongreso estis granda, eksterordinara. Oni admiris la harmoniecon, konkordon kaj disciplinon kaj plene konvinkiĝis pri la taŭgeco de nia lingvo. Sincere bedaŭrante la nevenon de niaj belgaj kaj francaj samideanoj li dankas ilin, ke ilia rezigno permesis senmalhelpan okazigon de la kongreso. (Aplaŭdo).

Al la gazetara servo, kondukita de D-ro Döring, li esprimas gratulon pro la bonega gvidado de tiu servo. Venas la momento por adiaŭi; forlasante nian urbon kunportu la simpatiojn de la Nürnbergaj samideanoj kiuj estas ĉe vi dum via hejma laboro por nia movado.

„Vivu Esperanto".

La prezidanto de la kongreso, D-ro Dietterle prenas la parolon. La fermo de kongreso signifas la malfermon de nova rubriko en la libro de nia afero. Malŝatante personan laŭdon li esprimas sinceran dankon al la Germana Registaro sendinta altan funkciulon kaj observinta kun atento nian klopodon, kiel al la urba aŭtoritato reprezentita per ĝia plej alta oficisto la ĉefurbestro D-ro Luppe. Rekonante la ekzistantajn komplikaĵojn kaj opozicion eksteran, li varme dankas al la Loka Kongresa Komitato kiu neniam ŝanceliĝis aŭ malkuraĝis. Citante la parolon de Ulrich von Hutten: „Ich habs gewagt" (Mi riskis ĝin"), li komparas la sintenon de la Loka Komitato kun tiu fama kuraĝa viro netiminte eksterajn malhelpojn sur la vojo de li rekonita kiel ĝusta. Al la kuraĝulo apartenas la mondo, diras proverbo. Li rimarkigas pri la kongresinsigno kiu meze de la stelo portas la latinan ciferon XVa turnante tiun insignon la cifero donas la latinan vorton PAX = PACO. Nun, ke ĉio sukcesis sen notindaj malhelpoj kvankam ekestis lastmomente ankoraŭ multaj duboj ni ne forgesu la kuraĝulojn kaj ree danku al ili. Parolante al S-ino Zamenhof li dankas ŝin por ŝia veno malgraŭ la ekzistantaj komplikoj de la vojaĝo.

Memorigante la Dresdenan Kongreson li alvokas la kongresanojn „Ni restu fidelaj". La nepoj nin benos se ni pacience eltenos. Ni mem ja ne estas nepoj sed samtempanoj kaj apartenas al ni prepari tiun estonton kiu ne konas la malhelpojn en la intergenta vivo rezultiĝanta el la lingva okazo. Ni zorgu, ke la nepoj de tiu viro kiu kreis nian lingvon povos nin beni. Nia devo estas batali; esti homo signifas batali. Ni devas, eĉ se ni ne vidas la venkon. Sed ni ne rezignu je tiu espero. Estu benata la memoro de nia majstro kaj vivu Esperanto.

Per kelkaj vortoj de bona revojaĝo kaj ĝoja revido ĉe venonta kongreso la prezidanto fermis la kongreson tagmeze.

La protokolintoj:
*Hans Jakob. Andreo Ĉe.*

---

☆

**Vi
parolas
pri centmiloj
da Esperantistoj!
Pruvu ke estas almenaŭ dek mil.
UEA bezonas 10000
membrojn!**

☆ ☆ ☆ ☆ ☆

# Konstanta Reprezentantaro de la naciaj societoj.

## Prepara kunsido de K. R.

la 2 aŭgusto 1923 en ĉambro 36 de „Kulturverein“, Nürnberg.

Provizora gvidanto, D-ro Privat, komencigas la kunsidon je la 5.30 posttagmeze. Sekvantaj societoj estis reprezentataj: brita, ĉeĥoslovaka, dana, franca, germana, hungara, nederlanda, norvega, sveda, svisa, usona, entute 11. D-ro Privat proponas elekti kunsidan gvidanton kaj demandas ĉu D-ro Arnhold estus preta. D-ro Arnhold rifuzis kaj D-ro Privat estis kun aklamo elektita prezidanto de la kunsido de K. R. en Nürnberg.

Pro la foresto de kelkaj reprezentantoj kiuj tamen ĉeestis la kongreson oni konsentiĝis rigardi la hodiaŭan kunsidon nur prepara kaj la morgaŭan kiel plenrajta.

Diversaj reprezentantoj plendis pri la Centra Oficejo en Parizo kies komunikoj oni ne estis ricevinta kaj trovis la kotizaĵon tro alta.

La prezidanto legis la raporton de Generalo Sébert. Li nomis la liston de C. K.-anoj, rekomenditan en Venezio kaj akceptitan de UEA sen kritiko, sed kiun Generalo Sébert rigardis ne konvene submeti al voĉdonado antaŭ la okazo de la kongreso en Nürnberg. La prezidanto konstatis, ke tiu ĉi kunsido havas la rajton tuj akcepti la liston de C. K.-anoj, sed li tamen proponas, ke ni rekomencu la aferon.

Laŭ propono de la germana reprezentanto oni konsentiĝis unue elekti la estraron de K. R. La prezidanto sciigas, ke Generalo Sébert rezignas je la prezidanteco kaj proponas S-ron Merchant kiel prezidanton, kio estis subtenata de la brita reprezentanto. Oni ĝenerale sentis la avantaĝon havi prezidanton kaj sekretarion en sama lando. Pro tio estis hezito inter S-roj Edmonds kaj Chavet kiel sekretario. La sveda reprezentanto akcentis, ke la demando estas pri laboro, ne pri nacioj, kaj subtenis S-ron Edmonds. La prezidanto kaj diversaj reprezentantoj akcentis, ke ŝuldas multe al la francoj kiuj multe laboris kaj oferis por la komuna intereso de nia movado. La ĉeĥoslovaka reprezentanto konstatis, ke estis du vidpunktoj, tiu de dankemo kaj tiu de bezono. Li interalie rimarkis, ke Generalo Sébert ne donos la bibliotekon al C. O. de K. R. Post detala diskuto dum kiu oni konstatis la malfacilecon de la afero, oni decidis prokrasti la elekton ĝis la sekvonta tago.

* * *

## Ĉefa kunsido de K. R.

la 3 aŭgusto 1923 en ĉambro 40 de „Kulturverein“, Nürnberg.

Prezidis: D-ro Privat.

Ĉeestis reprezentantoj por 21 naciaj societoj, nome:

| | |
|---|---|
| por aŭstra: | S-ro Schade |
| „ brita: | „ Butler |
| „ ĉeĥoslovaka: | „ Hromada |
| „ dana: | „ Blicher |
| „ danciga: | „ Klaps |
| „ egipta: | „ Benŝahar |
| „ estona: | F-ino Dresen |
| „ finnlanda: | S-ro Jalava |
| „ franca: | „ D-ro Privat |
| „ germana: | „ D-ro Arnhold |
| „ hungara: | „ D-ro Tokács |
| „ itala: | „ D-ro Vaona |
| „ litova: | „ Ruokis |
| „ melbourna: | „ Drummond |
| „ nederlanda: | „ Isbrücker |
| „ norvega: | „ Bugge-Paulsen |
| „ pola: | „ Essigmann |
| „ rumana: | „ Fischer |
| „ sveda: | „ Nylén |
| „ svisa: | „ D-ro Privat |
| „ usona: | „ Stephens. |

### 1. Elekto de Estraro de K. R.

Unuvoĉe estis elektita honorprezidanto: Generalo Sébert; prezidanto: S-ro Merchant kaj sekretario-kasisto: S-ro Edmonds kun la aldono, ke estraro klopodu por ke la societa sidejo de K. R. restas la Centra Oficejo en Parizo kies ĝenerala sekretario estas S-ro Chavet, ĉar la kunsido trovis necese, ke la prezidanto kaj la sekretario de K. R. restu en sama lando. D-ro Arnhold retenis sin de voĉdono. Arnhold, Drummond, Privat, Essigmann, Butler, Fischer proponis diversajn solvojn por kontentigi ĉiujn per elekto de vicprezidantoj kaj sekretarioj, sed la kunsido opiniis ne elekti grandan estraron per 11 kontraŭ 4 voĉoj.

D-ro Arnhold opiniis, ke la voĉdonado ne estas ĝusta laŭ la Helsinka kontrakto, ĉar tiam devus voĉdoni nur pagintaj societoj. Prezidanto petas do, ke voĉdono okazu ankaŭ tiel kaj la brita reprezentanto kiu povas sole voĉdoni, ĉar nur B. E. A. pagis, voĉdonis kiel la plimulto. Prezidanto do konstatis, ke laŭ ambaŭ metodoj la voĉdonado estas ĝusta.

### 2. Elekto de Centra Komitato (C. K.)

Prezidanto laŭtlegis la liston de C. K.-anoj proponitan de la Venezia konferenco, nome: Kenn (ĉino), Page (anglo), Dietterle (germano), Hromada (ĉe o), Chavet (franco), Privat (sviso).

La kunsido unuanime, inter tiuj ankaŭ Butler, akceptis senŝanĝe la liston. La ĉeestanta prezidanto de UEA, S-ro Stettler, deklaris, ke li ricevis plenpovon akcepti ankaŭ tiun liston en nomo de UEA, kiu poste submetos ĝin al konfirmo.

### 3. Pri voĉdonsistemo.

S-ro Butler proponis por la unua jaro, ke ĉiu nacio havu unu voĉon, sed la plimulto opiniis tiun aranĝon nur provizoran ĉar la laŭmembra voĉdonado instigos la societojn pagi por kiel eble plej multaj membroj. Laŭ propono de Fischer la kunsido decidis, ke la provizora voĉdonado (1 nacio = 1 voĉo) estu akceptita ĝis proksima kunsido de K. R., sed ke intertempe la pagintaj societoj havu la rajton postuli referendon laŭ la Helsinka kontrakto por ĉiuj decidoj inter tiu ĉi kunsido kaj la venonta.

### 4. Pri kotizaĵoj.

Laŭ propono de prezidanto ĉiu nacia reprezentanto diris kiom sia societo povas minimume pagi por la kaso de K. R. Entute estis promesitaj ĉirkaŭe 7000 fr. francaj por la nuna jaro.

Prezidanto petis S-ron Fischer sumigi tiun liston pri la kotizaĵoj ĝis la morgaŭa kunveno en svisajn frankojn kaj sur bazo de la rezulto tiam paroladi iom pri la financa situacio. Li akceptis tion.

Jalava proponis, ke la societoj pagu unu dekonon de la ordinara membra kotizaĵo de UEA almenaŭ dum la venonta jaro. La kunsido tamen post modifa konsilo de la prezidanto de UEA, Stettler, decidis jene:

La kunsido petas la estrarojn de la naciaj societoj restudi la demandon pri kotizaĵoj kaj proponi solvon ĝis la venonta jaro; ĝis tiam la naciaj societoj kiel eble respektu la principon de Helsinki (unu dekono de UEA).

### 5. Pri kunlaborado inter la naciaj societoj.

Hromada proponis kaj la kunsido unuvoĉe akceptis, ke la naciaj societoj interŝanĝu siajn raportojn reciproke laŭ la rezolucio de Venezio, aldonante ke estus dezirinde sendi tiujn raportojn ankaŭ al UEA.

6. Oni laŭ propono de Hromada decidis okazigi ankoraŭ unu kunvenon de K. R. la venontan tagon samloke je la 11 a por pritrakti eventualaĵojn kaj speciale la financan situacion.

Prezidanto fermis la kunvenon je la 2 a.

* * *

## 3a kunveno de K. R.

dum la Nürnberga Kongreso la 4 aŭgusto 1923 en ĉambro 40 de „Kulturverein“.

Prezidis: D-ro Privat. Komencis je la 11.30.

Ĉeestis: la aŭstra, brita, ĉeĥoslovaka, dana, estona, finna, franca, hungara litova, norvega, rumana, sveda, svisa kaj usona reprezentantoj, entute 14.

### 1. Referato.

Prezidanto petis la sekretarion de la kunsido de K. R. en Nürnberg, la reprezentanton de Norvegio, Bugge-Paulsen, laŭtlegi la protokolon de la du antaŭaj kunvenoj (2 aŭgusto kaj 3 aŭgusto 1923). La raporto estis post kelkaj malgrandaj ŝanĝoj kaj aldonoj unuanime akceptita, kaj kun la rezervo proponita de Nylén, ke la listo de la kotizaĵoj de la naciaj societoj al la kaso de K. R. estu esceptota oni decidis publikigi la tutan raporton kia ĝi estas.

### 2. Financa problemo.

Prezidanto donis la vorton al Fischer kiu parolis pri la financa situacio ĝenerale kaj speciale pri la listo de kotizaĵoj de la naciaj societoj al K. R.

Li proponis kaj la kunsido akceptis, ke la estraro de K. R. studu la demandon pri voĉdonado kune kun la financa demando kun speciala atento al tio, ke tiuj naciaj societoj kies pomembraj kotizoj estas malsuper la Helsinka sumo (unu dekono de UEA = sv. fr. 0,50) ne devus havi voĉdonrajton.

### 3. Gazetara servo.

Hromada enkondukis diskutadon pri la gazetara servo en la diversaj landoj. La brita, aŭstra, sveda, norvega, hungara k. a. reprezentantoj raportis pri la diversmetoda gazetara servo por propaganda celo en siaj landoj.

Prezidanto petis S-ron Hromada ellabori al la proksima kunveno de K. R. raporton pri la servoj en la diversaj landoj kaj proponon pri la plej bona sistemo por atingi unuecon kaj kunlaboradon inter la naciaj servoj. Li akceptis.

### 4. Teknikaj konferencoj kaj kunvenoj de K. R.

Prezidanto atentis pri la bona efiko de la teknikaj konferencoj, kiuj samtempe povos bone servi kiel kunvenoj de K. R. La kunsido estis de sama opinio. Oni sentis, ke kunvenoj de K. R. nur dum la universalaj kongresoj estas tro malofta].

Prezidanto sciigis, ke S-ro Edmonds proponis kunvenon de K. R. inter venonta Kristnasko kaj Novjaro en Parizo; prezidanto rekomendis tion kaj proponis kunligi tiun kunvenon kun teknika konferenco. Laŭ propono de Butler oni trovis tre dezirinde, ke tiu teknika konferenco pritraktu Esperanton kaj radio-telegrafion kaj -telefonion, entute trafikon.

5. Post kelkaj vortoj de dankesprimo de S-ro Nylén en la nomo de la kunsidintaj membroj de K. R. al la gvidanto de la kunsido, D-ro Privat, la kunsido estis finita je la 1 a.

Raporto finita, Nürnberg, 4 aŭgusto 1923.

**R. Bugge-Paulsen**
funkciinta sekretario.

# KONGRESAJ IMPRESOJ

## Prezentado de „La Majstrokantistoj de Nürnberg“.

Se oni vizitis operon dekkvar fojojn, oni ordinare ne fordonos de la tre okupita dumkongresa tempo 5 vesperajn horojn por aŭdi ĝin denove. Sed la „Majstrokantistoj“ en Nürnberg mem — tio allogis min al dekkvina vizito. Kaj mi ne pripentas. Ĉar kvankam mi ja vidis jam prezentadojn pli perfektajn, kun aktoroj, kies gloro resonas en la mondo — ĉie kaj ĉiam la verko restis „opero“, al kiu oni venis el sia ĉiutaga vivo kaj post kiu onin ree ĉirkaŭis la bruo de la nuntempo.

Sed ĉi tie! — Dum la vespero malleviĝas, ni iras malrapide malsupren de la fiera Nürnberg-a kastelo, kies ruĝtegolaj tegmentoj varmkolere lumas sub la lastaj sunradioj. Tie sur malnova placo kun vere mezepoka pavimo ni trovas sidanta sur sia soklo lin, Hans Sachs-on, la bravan ŝuiston kaj diligentan poeton, kiu postlasis pli ol 6000 poeziaĵojn, inter ili 4000 majstrokantojn. Kaj se li nun malsuprenpaŝus de sia monumento kaj irus tra la stratoj hodiaŭ, li trovus ilin plejgrandparte ankoraŭ kiel en sia 16a jarcento. Lia spirito iras kun ni preter la malvastaj dometoj kun la belege skulptitaj balkonoj kaj ruze antaŭenstarantaj tegmentaj nazoj, tra la turpordegoj, trans la larĝan fosaĵon — ni vivas en la mezepoko! Kaj la pompa teatrokonstruaĵo tie trans la strato ŝajnas al ni nerealaĵo. Rapide eniru, por ke la luksaj ŝtuparoj kaj vastaj, belegaj koridoroj restu por ni hodiaŭ nur preterfluganta imagaĵo; por ke ni tuj ree estu en la historia aero, kiu nin ĉirkaŭas nun jam dum tagoj. Ĉu estas vere, kion ĵus ni legis sur presita papero, ke la bajonetoj ree marŝas, ke malamo, envio, perfido, suspekto regas inter la popoloj — aŭ ĉu estas vera, kio vivas antaŭ niaj okuloj: 2000 homoj el ĉiuj kontinentoj, sidantaj pace flanko ĉe flanko, aŭskultantaj la prologan alparoladon (de P-ro Ledermann) el la buŝo de Hans Sachs (elkore parolita de talentulo)? Vere, oni jam ne scias, kio estas reala mondo, kio estas revo en ĉi tiu urbo de l' misteroj kaj mirakloj.

Muzikaj motivoj el „La Majstrokantistoj“

de *Richard Wagner.*




Sed silentu! Fiere kaj senkonscie leviĝas el la orkestrejo la marŝritma motivo de la majstrokantista arto (1), gloranta la idealan flankon de tiu okupiĝo amata de metiomajstroj, kiuj post la taglaboro kunvenis, por lerni kaj praktiki la kantarton. Sed arto praktikata en skoloj, gildoj, konventikloj facile kondukas al pedanteco, al nura regulservado, kiu ne toleras alian opinion (2). Ĉu la majstrokantista kantregularo („tabulaturo“) eble povas ligi la langojn de ĉiuj aliaj, nemajstraj kantemuloj? Tute ne; gaje kaj senĝene kaj iomete sentimentale flutoj, hobojoj kaj dolĉaj violonoj eksonigas melodion (3), kiu pensigas al amo, printempo kaj floroj, al ĉaste ekardantaj junaj koroj, sed ne al grizbarbaj majstroj. Tial jen! la kritikemaj, nurkonservativaj, nur regulojn sciantaj „ĝisostuloj“ defendas sin; kaprokantante la lignaj blovinstrumentoj sin ĵetas sur la nedeziratan senĝenulon, kiu gaje kantas plu, ĝis fine la komponisto post ĥaosa disŝoviĝo de ĉiuj akordoj trovas kompromisan solvon, ludigante la ĝisnunajn tri motivojn kune, samtempe: la solida fundamento estu la celado al majstreco; la scio kaj praktikado de reguloj estu la nealtruda meza akompano, sed la melodion kantu la produktiva genieco kaj la amo, kiu puŝas antaŭen! Vere, estas meditiga prediketo, ĉi tiu muzika prologo, speciale por esperantistoj!

Kaj nun la agado evoluas: la diservo en la antaŭvespero de l' Johanes-festo (4) vekas la amon inter la juna kavaliro-poeto Walter von Stolzing (5) kaj Eva, la filino de l' orforĝisto Pogner; kaj Eva estos la premio, donota morgaŭ al venkanto en publika vetkantado de la majstroj. Ĉu Walter ne povos venki? Aĥ, por li la arto estas sankta afero, kiel lia amo; por la majstroj ĝi estas kvazaŭ metio, lernebla, manipulebla plimalpli lerte. Tial atentu, mia kara! Beckmesser (6) spionas, la korpiĝinta kontraŭo de ĉiuj sanktaj aferoj, simpla banalulo, kiu malklare sentas, ke lia gloro valoras nur inter la malvastaj bariloj de la tabulaturo, kaj tial li uzas ironion kaj intrigojn, eĉ ne hezitas je personaj, malicaj insultoj, por sidigi sur la trono sian sanktan egoismon. Parolu, kantu por via nova ideo (7), vi sentima kavaliro — la saĝa publiko de spertuloj suprentiras la ŝultrojn opiniante, ke ĝia nekompreno de la novaĵo estas pruvo por ties netaŭgeco. Hontu, vi juna idealulo! La buboj ridas pri vi kaj

faras mokdancon (8) ĉirkaŭ via fajrebria, tremanta koro! Jes, ĝi estas tre meditiga, instrua verko, tiu opero, speciale por esperantistoj.

Sed paciencon! Ekzistas ankaŭ homoj, kiuj staras super la ordinaraj rezonoj. Hans Sachs ekkonis la novan arton kaj ĝian fonton (9), kaj lia propra verkado nun ŝajnas al li nura mizera versfarado. Des pli volonte li decidas, gardi la junan sangvinulon kontraŭ malsaĝaĵoj. Sed kiel? Ĉu li, la maljuniĝanta grizharulo, lasu disflui sian revon pri estonta, malfrua amfeliĉo havanta la aspekton de la ĉarma Eva Pogner? Nu, antaŭe la malica konkuranto Beckmesser estu flankenigata, kies serenado antaŭ la fenestro de Eva komenciĝas noktan interbatiĝon (10) sur la strato; la popolo uzas la okazon, por priparoli per bastonoj siajn diferencajn opiniojn tute personajn, banalajn, liliputajn, ridindajn. Ho, belaj idealoj! Ho, kara amo!

La filozofieca uverturo por la 3a akto — la rezignacio de la maljuna Sachs (11), la rezigno pri amo en la vivaŭtuno, la sinreteno al laboro por sia modesta publiko, la Nürnberga popolo, en kies koro li restos vivanta (12). For imagoj! For altencelaj iluzioj! For vi fantomo de la malfeliĉa reĝo Marke! La germana ŝuisto estas konanto de la homaj koroj kaj filozofo — alie li ja ne estus germana poeto. Tial unue li kontraŭagas la troan fajrecon de la juna kavaliro, kaj tamen poste ĝin helpas verki majstrokanton, kiu ĉirkaŭas la sanan, konservindan kernon de la tradiciaj reguloj per la plensange vivanta karno de nova melodieco kaj poezio. Ĉu ĝi venkos en la vetkantado kontraŭ pendanteco, malbonvolo, malico, malamo? —

Kaj nun — la neforgesebla bildo de la lasta sceno: sur verda herbejo centoj da gajaj homoj, apud seriozaj viroj, belaj sinjorinoj, gajaj gejunuloj kaj infanoj, ĉiuj vestitaj laŭ la kolorama modo de la 16a jarcento; flirtantaj flagoj kaj rubandoj, muziko, danco, ŝercoj! La majstroj enmarŝas; komenciĝas la vetkantado. Beckmesser kaptiĝas en la maŝoj de siaj propraj intrigoj kaj estas superŝutata de la mokridoj de l' popolo. Walter atingas la venkon, la majstrorangon kaj la manon de Eva. Fideleco al principoj, tamen orelo delikate aŭskultanta al la bona novo; evoluo, sed ne revolucio nek ĝisosta rigidiĝo; kaj super ĉio la amo, la krono de l' vivo: ili estas rekompencataj per la venko. — Jes, ĝi estas tre instrua kaj meditiga afero, tiu opero, speciale por Esperantistoj.

Ni forlasu detalan fakkritikon pri la bone ludinta orkestro (Matthäus Pitteroff) kaj la geaktoroj, kiuj ĉiu laŭ sia povo penis fari sian eblon, precipe Magdalene (Lotte Dörwald), Eva (Eva Graf) kaj Beckmesser (Gustav Landauer). Lasante plusonadi la belegan muzikon de tiu eterna verko ni ankoraŭ foje migras tra la silentaj stratoj, nun sub lunlumo. La scenejo de antaŭe nun ree fariĝis nia reala ĉirkaŭaĵo: gotikaj putoj plaŭdetas; la vera domo de Hans Sachs kaŭras ĉe la stratangulo; arĝentaj lumoj ŝpiniĝas ĉirkaŭ la turetoj kaj sennombraj figuraĵoj de l' katedralo de Sankta Sebaldo; petolaj ombroj kaŝglitas sur la fasadoj de patriciaj palacoj, tra stratetoj, trans pontojn en anguloriĉajn kortojn — — — en mallaŭte spiranta trankvilo kuŝas ĉirkaŭ ni la realiĝinta revo pri multcentjara germana kulturo.

*F. B.*

☆

**Helpu ŝpari**

**sendante duoblan poŝtkarton kiam vi petas informon de la Centra Oficejo de UEA.**

**La kosto de afranko estas la plej alta en Svislando.**

# Prezentado de „Natan la Saĝulo".

Se oni post la kongreso demandus diversajn personojn, kiu el la aranĝaĵoj de la Loka Kongresa Komitato plej multe plaĉis al ili, oni ricevus respondojn diversajn laŭ la interesoj kaj la gusto de la demandito; sed ne povas esti dubo, ke ĉiu, kiu kunigas en si amon al noblaj ideoj, intereson pri literaturo kaj komprenon de la arto aktora, nomos la prezentadon de „Natan la Saĝulo", kulminacia punkto de nia mondfesto.

La „internacia ideo" de Esperanto instruas nin, ke la unueco de la homaro ne estas forigata de naciaj diferencoj, ke ĉiu homo nobla kaj honesta povas esti nia frato, al kiu ajn gento, raso aŭ nacio li apartenas. La interna ideo de „Natan la Saĝulo" predikas al ni la samon rilate la religiojn. „Ĉu judo kaj kristan' ne estas *homo* — pli frue ol kristan' kaj judo?" demandas Natan, kaj en la idea kerno de la drama: en la *fabelo pri la tri ringoj* li decidas la disputon inter la religioj, kiu el ili estas la plej bona, plej laŭdinda per jenaj vortoj:

„Se ĉiu el vi ricevis sian ringon (t. e. religion) de la patro (Dio), ĉiu rajtas kredi sian ringon la ĝusta. . . . Ĉiu havu sian amon neinfluitan kaj liberan de antaŭjuĝoj! Ĉiu el vi vetklopodu, elmontri la forton de la juvelŝtono en sia ringo! helpu ĉi tiun forton per mildeco, per kora pacemo, per bonfarado, per plej sincera sindonemo al Dio!"

Nur post miloj da jaroj oni povos decidi, kiuj el la religioj pruvis per la noblaj ecoj kaj faroj de siaj anoj sian verecon kaj dian originon.

Ĉiu tiu ĉefa, kiel multaj aliaj altaj ideoj estas kadrumita per delikata ludo inter ampasio kaj saĝeco — sen multaj dramaj okazaĵoj, sed kun brilaj dialogoj, en kiuj malkaŝiĝas la interesaj, plejparte amindaj karakteroj de la drampersonoj. Ne estas ĉi tie la loko por detalaj priskriboj. Ĉiu informu sin per legado de la dramo mem. Ke ĉi tiu legado estas — same kiel estis la aŭdado en la kongresprezentado — granda ĝuo, ni dankas precipe al la lerta tradukinto *Karl Minor*. Bonege li sukcesis verŝi la noblan vinon de la Lessing-aj pensoj en la kristalklaran vazon de nia lingvo. Nekutimaj esprimoj estas preskaŭ ĉiam pravigataj de same nekutimaj esprimoj en la originalo aŭ de la bezonoj de la enversigo. La komprenadon de la senco ili same kiel la malmultaj neologismoj ne malhelpas.

Juĝante la prezentadon oni devas ne forgesi, ke ĉiuj aktoroj, escepte de Alfred Richter-Anschütz (Natan), nove lernis Esperanton nur por ĉi tiu unu prezentado. Sed la cirkonstanco, ke ili kiel profesiaj aktoroj preskaŭ ĉiuj jam ludis „Natan"-on en germana lingvo, plifaciligis al ili la penan laboron. Ili ĉiuj donis sian plejbonon, kaj la rezulto estis pli ol kontentiga. La entuziasma aplaŭdado post ĉiu sceno, kiu ĉiam denove elvokis la geaktorojn kaj fine ankaŭ la meritplenan tradukinton, donis nur nesufiĉan esprimon al la ĝojo kaj dankemo de la aŭdintoj, vidintoj kaj — ĝuintoj.

Ne estu malpliigo de la laŭdo al la aliaj, se mi citas la simpatian *Ludwig Histermann* (Templano) kaj la ravan *Camilla Oderbeck* (Sittah) pro iliaj perfektaj ludo kaj parolo. Eble prononcis ankaŭ la originala Monaĥejano en sia lingvo la „s" kiel „z". Tion supozante ni pardonu al lia prezentinto *Alexander Starke* la saman parolneĝustaĵon kaj ree ĝoju memorante lian kortuŝe belan reprodukton de sia simplanima, modesta kaj sincera rolulo. Al la talentaj aktoroj kiel al ĉiuj aliaj ĉi tie ne citeblaj esperantistoj kaj neesperantistoj, kiuj per sindona laboro ebligis la plenan sukceson de nia kongresdramo apartenas niaj admiro kaj danko. Sed la plej profundajn admiron kaj dankon ni ŝuldas al la du grandaj geniuloj: al Lessing, la poeto, kaj al Zamenhof, per kies kreaĵo Lessing povas paroli al la anoj de ĉiuj nacioj kaj ĉiuj religioj!

*D-ro W. Lippmann.*

## La madrigalkoncerto

en la grandega salono de l' kongresejo estis eble la plej valora muzika dono, kiun la LKK preparis; ĉar tian programon kaj tian subtilan kantarton, kiun prezentis la *Nova Ĥorunuiĝo Nürnberga* sub la gvidado de sia eminenta direktanto *Anton Hardörfer*, oni nur tre malofte trovas en la plej famaj muzikcentroj de Germanujo. La ĥoro kantis unue 4- kaj 5-voĉajn madrigalojn de *Hasler, Arcadelt, Marenzio, Lasso* kaj *Gastoldi*, verajn perlojn el la 16a ĝis 18a jarcento, kun nedirebla bela diferencigo de la nuancoj, admirinda tonformado kaj modele bona prononcado de la teksto (tradukoj de *Paul Bennemann* kaj *Artur Degen*). Kiu dubis ankoraŭ pri la taŭgeco de Esperanto por la kantado, tiun certe konvinkis tiu prezentado, kiu donis tute puran, artan ĝuon. La germanaj popolkantoj, prilaboritaj de la nuntempa Nürnberga komponisto *Ludwig Weber*, estis treege interesaj por muzikfakulo. Pro niaj eksterlandaj samideanoj mi ja estus preferinta por tiuj simplaj, kortuŝaj melodioj la ordinaran, kvarvoĉan, homofonan aranĝon; ĉar nur tiel ili elmontras sian originalan ĉarmon; sed la maniero, kiel la ĥoro superis la nemalgrandajn malfacilaĵojn ankaŭ de ĉi tiuj modernaj prilaboraĵoj, estis miriga. La preskaŭ senspira atento de la 2000 aŭdantoj kaj la vigla, kelkfoje tondra aplaŭdo igis la dirigenton ripeti kelkajn numerojn. Li kaj aliaj bravaj gekantantoj estu korege dankataj pro la alta ĝuo, kiun ili havigis al ni. — *Maria Kahl-Decker* pianoludis sonaton de *Beethoven* kaj rapsodion de *Liszt* kun teknika virtuozeco kaj pasia enprofundiĝo.

Ju pli valoraj estis la prezentadoj de ĉi tiu vespero, des pli oni devis bedaŭri, ke **koncerto** de la sama ĥoro, aranĝita la antaŭan vesperon **en la Lorenz-preĝejo**, kunigis nur malmultajn aŭdantojn, ĉar la koncerto ne estis anoncita en la oficiala programo! Tiel la granda laboro de la gekantantoj kaj de la tradukinto *(Paul Bennemann)* preskaŭ perdiĝis. Ĥoroj kaj kantoj de *Reger, Rosenmüller* kaj *Wagner*, solokantoj por aldvoĉo *(Maria Uebelacker)* kaj violonludo *(Anita Portner)* donis al la malgranda aŭdantaro trankvilan, vere edifantan horon inter la historiaj muroj de tiu belega preĝejo.

Ankaŭ **la evangelia diservo** en la preĝejo de **Sankta Sebaldo** permesis inter la multflankaj kongresaj distriĝoj horon de trankvila sinkoncentrigo. Kvazaŭ el la ŝtonaj kolonegoj elpenetris la seriozaj virvoĉaj kantoj de ĥoro (seminarianoj el *Auerbach* sub la gvidado de muzikdirektoro *Saalheim*) nevideble staranta malantaŭ la altaro. Kiel alaŭdo malsuprenflugis la klara voĉo de *F-ino Lotte Keilig (Auerbach)* de alta balkono. Kaj la pensoriĉa, imprese parolita prediko de superintendento-licentiato *D-ro Kühn (Auerbach)* vere efidis la tre grandan aŭdantaron. *S-ro Gerisch el Auerbach*, kiu per multaj penoj kaj monoferoj ebligis tiun indan diservon, ricevu ankaŭ ĉi tie koran dankon.

La kongresdimanĉon okupis

### Ekskurso al Rothenburg.

Frue en la mateno du multvagonaj specialtrajnoj portis nin en kelkaj horoj al nia celo. La tempo ne ŝajnis longa al tiuj, kiuj sidante aŭ promenante en la trairebla trajno bone interparolis kun malnovaj konatoj kaj faris novajn konatiĝojn. En kelkaj kupeoj oni aŭdis ankaŭ pli aŭ malpli belajn naciajn kaj esperantajn kantojn. En Rothenburg atendis nin muzikistaro, post kiu ni, formante imponе longan irantaron marŝis en la urbon ĝis la foira placo. Tie okazis intersalutaj paroladoj, unu de la urbestro, kiu kore bonvenigis la kongresekskursanojn. Baldaŭ poste komenciĝis la unua de la du prezentadoj de la *„Majstrotrinko“*. Tio estas popolteatraĵo verkita de Rothenburga vitraĵisto kaj prezentata de urbanoj — kutime nur unu fojon ĉiujare: je Pentekosto. Ĝi montras historian epizodon el la 30jara milito: La grafo Tilly, imperiestra generalo, post longa sieĝo konkeris la reformacianan urbon Rothenburg kaj destinas gravajn punojn al la urbanoj: la kuraĝe obstinajn urbestrojn kaj konsilantojn li kondamnas al morto. Ilin savas la lastjara urbestro Nusch per tio, ke li laŭ ŝerca propono de Tilly, kiu tion opinias neebla, sen interrompo eltrinkas la grandegan urban honorpokalon plenigitan je vino. Jen la „majstrotrinko“! — Bona muziko, la interesaj multkoloraj kostumoj mezepokaj kaj la simpla, parte emocia ago de la teatraĵo, komprenebla ankaŭ al negermanlingvuloj, kuniĝis por havigi al la verko entuziasman akcepton.

Ankoraŭ per alia prezento la Rothenburganoj ĝojigis la venintojn: la *Ŝafista Danco*. Posttagmeze je la 4a komike-solene marŝis sur la antikvan foirplacon dekses paroj da ŝafistoj kun siaj kunulinoj, gvidataj de muzikistaro, urbestrarano, du dikaj policanoj, du viroj kun vivantaj ansero kaj du nigraj ŝafetoj kaj la dancestro. Ĉiuj portis belajn mezepokajn kostumojn. Laŭ la muziko kaj la trafingraj fajfoj de la dancestro la geŝafistoj montris longan multfiguran rond- kaj kontraŭdancon. La belega spektaklo elvokis ofte ripetatajn aplaŭdegojn.

Tamen — kiom ajn belaj tiuj prezentadoj estis: ne pro ili ni veturis al Rothenburg. La urbo mem allogis nin — kaj ĝi donacis al ni nepriskribeblajn ĝuojn. El la mezepoko ĝis hodiaŭ restis ĝiaj domoj kaj preĝejoj, turoj kaj muroj, pordegoj kaj putoj, kaj ili formas kune urbon kvazaŭ ensorĉitan. Kien ajn ni rigardis, ĉie nin ravis novaj belaĵoj de arkitekturo kaj naturo. Ne estas eble, ĉi tie pritrakti detalojn. La tago ne sufiĉis, por ĉion miri kaj admiri. La noktmezo trovis nin ree en Nürnberg — lacaj, sed kun dankplenaj koroj. *D-ro W. Lippmann.*

Agrablan posttagmezon havigis la

### Ekskurso al Schmausenbuck.

Post mallonga fervojveturo kaj duonhora promeno oni atingis ĝardenrestoracion lokitan en bela pejzaĝo. Proksime de ĝi troviĝas naturteatra scenejo. Sur ĝi belkostumaj gebavaroj, ĉeĥoj kaj tirolanoj montris naciajn popoldancojn kaj kantis beletajn ŝerclidojn. *D-ro W. Lippmann.*

### Kabaredo de „Literatura Mondo“.

Ĉu Esperanto estas lingvo vivanta? Nur nesciantoj kaj malbonvoluloj povas tion neigi. Ke ĝi estas lingvo senpere donanta esprimon al ĉio, kio emocias la homon, ke ĝi estas lingvo — kiel ĉiu natura — rekte iranta de koro al koro, tion mi spertis neniam tiom forte, kiom en la *Kabaredo*, kiun dum la kongreso okazigis redaktantoj kaj kunlaborantoj de la bonega Budapest-a gazeto *„Literatura Mondo“*. „Kabaredo“ — la vorto ekpensigas nin al tiuj grandurbaj aranĝoj de dubinda valoro, en kiuj kutime eks-, duon- aŭ mal-artistoj amuzas sian (alkohole stimulitan) publikon per diversspecaj kaj diverskvalitaj prezentaĵoj montrantaj alterne frivolecon, malveran sentimentalecon kaj neniomkostan patriotismon. Ke nenion tian ni trovos en la Kabaredo de „Literatura Mondo“ garantiis al ni jam antaŭe la nomoj *Kalocsay* kaj *Baghy* — nomoj karaj al ĉiu poeziama esperantisto. Jen du veraj poetoj, kaj veran arton prezentis al ni ilia kabaredo, kies ĉefaŭtoroj kaj ĉefaktoroj ili mem estis. Apud ili staris kiel komponisto kaj kantisto kun sia voĉo admirinde plena klara la juneca *Sárossy* kaj kiel kantkaj dancistino la gracia *S-ino Noiret*.

El la riĉa programo, en kiu alternis deklamo kaj kanto, ludo kaj danco, mi citu la du teatraĵojn: *„Paĝio de l' Reĝino“*, komedieto de *Heltai* kaj *Makai*, kaj *„Maskobalo“*, opereto de *Baghy*. En ambaŭ ĝojigis, krom la jam nomitaj aktoroj, la bela *F-ino Anna Péchan* per sia ĉarme koketa ludo de ama(n)tino. *S-ino Noiret* bele kantis la kortuŝan rusan lulkanton „Baju, baju, bajuŝku“ de *Baghy* (iama siberia militkaptito!) kaj bonege dancis (pantomimis) laŭ la deklamata poemo *„Plori“* de *Ady* kaj la kanto *„Arbara Idilio“* de *Baghy*. La programon finis treege amuza ŝercdialogo de *Karinthy*, en kiu du *„Psikiatroj“* majstre prezentataj de *Kalocsay* kaj *Baghy* montris sian propan cer-r-r-b-b-b-malsanon.

*D-ro W. Lippmann.*

# FAKAJ KUNSIDOJ

## Fervojistoj.

Protokolo
pri la 1a fakkunsido de I. A. E. F. en Nürnberg
la 3 aŭgusto 1923 en fakkunsidejo, ĉambro 10.

Precize je la 3a posttagmeze malfermas la vicprecidanto Jos. Blažek la asocian jarkunsidon, kiun partoprenis 54 membroj el 10 diversaj landoj, salutante tutkore ne nur ilin ĉiuj, sed ankaŭ tiujn, kiuj pro diversaj malhelpaĵoj ne povas hodiaŭ partopreni niajn laborojn.

Kiel protokolisto estis elektita S-ro K. Urbanec el Praha. Vicprezidanto Blažek skizas tuj la laborprogramon, kiu pro manko de tempo tre rapide devis esti pritraktita.

Unue ekparolas sian raporton la asocia vicprezidanto; due la asocia kasisto. (Vidu la Oficialan Informilon de la Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj.)

Poste salutas la konferencanojn per siaj raportoj la delegitoj de la membroj el: Aŭstrio, Anglio, Estonio, Finnlando, Germanio, Italio, Japanujo, Norvegujo kaj Rusujo.

Laŭ programo publikigita en la estinta asocia fakrevuo „La Fervojisto" oni nun alpaŝis tuj al la plej ĉefa punkto: Decido rilate eldonadon de nia fakrevuo (pri tiu ĉi punkto oni daŭrigis la disputon dum la 2a fakkunsido, kiu okazis en la sama ejo la 6 aŭgusto 1923) kaj estis decidite interrilati kun la estraro de UEA Esperanto-gazeto.

Laŭ la „Grava Avizo" (paĝo 19) oni vidas, ke la I. A. E. F. finkontraktis la interkonsenton kun UEA-estraro kaj restos de nuntempe la UEA Esperanto-gazeto kun sia „Oficiala Informilo" nia oficiala interligilo.

Post la starigo de la jarkotizoj, kiujn oni samtempe publikigas en nia „O. I." oni diskutis pri diversaj asociaj organizaj laboroj, kiamaniere instigi ĉiulandajn oficialajn rondojn fervojajn, por ke ili sin interesu jam serioze pri enkonduko de Esperanto ĉe internaciaj fervojaj interrilatoj.

Ĉar la proponoj ne estis anoncitaj laŭ statutoj al la komitato, oni ne decidis pri ili, sed la komitato petas kunlaboraĵojn (skribaĵn) tiurilatajn.

Estas necese rimarki, ke dum la traktado pri nia fakrevuo afable honoris nian fakkunsidon laŭ nia invito S-ro D-ro Privat, kiu proponis al ni inter aliaj gravaj konsiloj, kunlabori ĉe aranĝoj de diversaj teknikaj konferencoj, enketoj ktp. Certe pri tiu grava propono interrilati promesis la I. A. E. F.-komitato.

Vicprezidanto J. Blažek rimarkas, ke pro manko de tempo oni ne povis tralegi la protokolon el Helsinki, kiu nur parte estis publikigita en „La Fervojisto". Eble ke nia „O. I." publikigos ĝin laŭspace.

Novaj asesoroj estis elektitaj por Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Estonio, Italio, Japanujo, kies nomojn ni publikigos estonte.

La starigita programo estis finlaborita. S-ro Blažek fermante la jarkunsidon elkore dankas al ĉiuj multenombraj partoprenantoj serioze interkonsente kunlaborantaj konferencanoj, deziras al ili feliĉan revojaĝon en la hejmolandon kaj invitas ankaŭ dum la XVIa Universala Esperanto-Kongreso tielnombre partopreni nian jarkunsidon.

Konfirmas:
**Josef Blažek**, vicprezidanto.

* * *

## Internacia Instruista Konferenco.

5 aŭgusto 1923.

Prezidantoj: S-ro Kaupper, Nürnberg; S-ro Degen, Leipzig;
sekretario: S-ro Pollinger, Nürnberg.

Honorsalutojn al:
S-ro ŝtatsekretario H. Schulz,
S-ro D-ro Dietterle, direktoro de la Germana Esperanta Instituto,
S-ro D-ro E. Privat, Ĝenevo,
S-ro G. van Heek, Hengelo.

I. Raporto de l' prezidanto pri la pedagogia situacio kaj klopodoj al organizacio.
II. La Internacia Instruista Konferenco decidas aliĝi al Edukista internacio, Paris, post plenumo de l' kondiĉo de politika neŭtraleco.
III. La fakorgano estas „Novaj Tempoj".
IV. Infangazeto: „Esperantista Junularo" estas rekomendata por ĉiuj infanoj kaj instruistoj. Kunlaboro de infanoj kaj instruistoj estas petata kaj promesata.
V. Interŝanĝoj: La organizacia centro aranĝu oficejon, kiu peras la interŝanĝojn de korespondantaj interesaĵoj kaj personoj (infanoj kaj instruistoj).
VI. Ekspozicio de infanskribaĵoj riĉenhava.
VII. Por premiado de estontaj infanlaboroj oni elektis komisionon. (Estro: S-ro Scheibler, Freital (Germ.)
S-ro van Heek favore donacis por aranĝo de 1a ekspozicio 20 hol. guldenoj kaj promesis 100 hol. guldenojn kiel premiojn por la infanoj.
VIII. Faka terminaro, daŭrigota en „Novaj Tempoj".
IX. Pri sana historinstruo de angla instruistino.
X. Rezolucio al la registaroj tutmondaj pri eduko al pacamo kaj homaro.

* * *

## Juristoj

kunvenis dum la kongreso proksimume 30 el 6 diversaj landoj. Oni elektis kiel estraron: S-ron advokaton W. M. Page (Edinburgh), prezidanto, kaj D-ron W. Lippmann (Leipzig), sekretario. D-ro Lippmann faris paroladon pri la problemo de la jura terminologio en Esperanto. — Vigla diskuto pri la estonta organizo de la juristoj rezultigis rezolucion, laŭ kiu la juristoj restos sekcio de la Internacia Scienca Asocio kaj ne formos organizon nedependan. Kiel sekciestro estis elektata S-ro Page, kiel sekretario S-ro subprokuroro Litauer (Warszawa), kies ĝisnuna fervora agado en la sama ofico estis danke aprobata. — Oni esprimis fine la deziron, ke la UEA organizu juristan servon per specialaj juristaj delegitoj en ĉiuj landoj kaj gravaj grandurboj.

**D-ro Walter Lippmann.**

* * *

## Kristana Esperantista Ligo Internacia.

Partoprenis ĉe la fakaj kunsidoj dum la XVa Universala Kongreso de Esperanto en Nürnberg oficiala delegito de la Universala Komitato de vastega organizo: La Tutmondligo de Kristanaj Asocioj de Junaj Viroj (Y. M. C. A.), kiu enhavas preskaŭ 9000 lokajn grupojn kaj proksimume 2 milionojn da membroj en ĉiuj partoj de la tero. Ĝi nun estas konstante reprezentata en la Kristana Esperantista Ligo Internacia per sia delegito S-ro R. Horner, Genève, kiu estas fervora kaj entuziasma esperantisto. La Ĝenerala Kunveno de la Kristana Esperantista Ligo Internacia konfirmis kiel oficialan organon „Dia Regno", kaj elektis specialan agadkomitaton kun jenaj tri anoj: P. Hübner, Bergstr. 1a, Quedlinburg (Germanlando); H. A. Luyken, 23 Arcadian Gardens, Wood Green, London N. 22 (Anglujo); R. Horner, 3 Rue Général Dufour, Genève (Svisujo).

* * *

## Laborista fakkunsido.

3—4 aŭgusto 1923.

La 3 aŭgusto anoj de diversaj proletariaj asocioj kunvenis en la speciala fakkunsido por la laboristoj.

Ĉeestis gekamaradoj el 12 jenaj landoj: Aŭstrio, Anglio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Estonio, Germanio, Hungario, Jugoslavio, Rusio, Rumanio, Svisio, Italio kaj Usono.

Ĉiuj sentis profundan ĝojon, ke ili per Esperanto povas interkompreniĝi, kvankam ili venis el landoj malsamlingvaj kaj pruvis, ke la laboristaro povas unuiĝi per Esperanto.

La kunvenintoj rekomendas al la gekamaradoj laboristaj, lerni Esperanton kaj uzi ĝin, por la celo de la tutmonda laboristaro. La gekamaradoj devas konsideri, ke la laboristaro nepre bezonas unu solan plej taŭgan mondlingvon kaj tia mondlingvo estu Esperanto.

La laboristaro devas lernadi kaj studadi la lingvon Esperanto ĝisfunde kaj formi niajn asociojn kiel la plej taŭgajn.

Plue ĉiuj gekamaradoj devas liberigi sin per Esperanto de nacia ŝovinismo kaj kutimiĝi al supernacia pensadmaniero.

El la dua fakkunsido la plej rimarkinda parolado estas tiu de K-do Deubler, München, pri la temo: Ĉu ekzamenoj por la laboristaro valoras? Ĉi tiu temo estis sufiĉe profunde elĉerpita, ĉar precipe la eksterlandaj kamaradoj eldiris siajn spertojn pri ekzamenoj.

Pri la ekzamena demando multe parolis ankaŭ la germanaj kamaradoj kaj esprimis la deziron, ke ankaŭ al la laboristaro estu ebligota, solvi pli altgradan ekzamenon, eble: Ekzameno por kursgvidantoj.

Entute montris la interdiskutado la grandegan intereson de la laboristaro pri Esperanto. Post komuna kantado de la internacio la laborkunsido estis oficiale finigita.

Ĉi kuna rezolucio estas unuanime akceptita kiel esenco de la kunsido.

**Gg. Volkert**
fakkunsida prezidanto.

**Rezolucio.**

La 3 aŭgusto anoj de diversaj proletariaj asocioj kunvenis en speciala fakkunsido de la XVa Universala Kongreso de Esperanto en Nürnberg kaj diskutis la temon: La stato de la laborista esperantista movado, niaj taskoj kaj celoj.

Konsiderinte la gravecon kaj utilecon de Esperanto por la proletaria movado, konsiderinte la historiajn devojn plenumendajn de la tutmonda laborista movado, spertinte la sekvojn de ŝovinismo kaj militarismo, la ĉeestintoj ekkonis kaj esprimis la neceson de la koncentriĝo de ĉiuj fortoj de la klaskonsciaj laboristoj esperantistaj por ke ni povu labori por kaj per Esperanto.

Ni konsideras la unuiĝon de S. A. T. kiel la plej taŭgan kaj utilan fundamenton kaj bazon por tia koncentriĝo.

Promesante la fidelecan kunlaboradon al la proletaria movado ni kore salutas vin, nian III an, dezirante multe da sukceso.

* * *

## Liberpensuloj.

La invitanto S-ro Hubricht el Leipzig malfermis je la tria kaj salutis la ĉeestantojn kiuj preskaŭ troe plenigis la salonon. Li proponis kiel prezidanton advokaton D-ron Teilhaber el München kaj sekretarion S-ron Barthel. La kunveno aplaŭdis.

La prezidanto salutis ankaŭ nome de la monista Ligo Münĥena, la plej granda en Bavario, kaj donis la parolon al S-ro Heimerich, urbkonsilisto de la urbo Nürnberg. Tiu ĉi parolis nome de la liberreligia Ligo Bavara kaj nome de la liberpensa Nürnberg, loksido de Hans Sachs, Melanchthon ktp. Li konkludis, ke la lingvo latina estis la mondlingvo de la kleruloj kaj la lingvo Esperanto estus kaj espere estos la mondlingvo de liberuloj.

Raportis S-ro Hubricht pri la fondo de la ligo, la dormo de la iama esperantista kaj estanta senesperantista internacia ligo kaj pri la bona progreso.

Laŭ lia propono oni decidis pri la statutoj kaj petis je varbeco. La estraro estas:

C. F. Everts el Amsterdam, 1. prezidanto
S. Weigel el Bodenbach (Ĉeĥosl.) 2. „
Kurt Hubricht, Leipzig, Mariannenstr. 30-3, sekretario
R. Bartzsch, Leipzig, revizoro.

Naciaj reprezentantoj estos: Rutland el Melbourne (Aŭstralio) — S-ino Sujadinova-Yelland el London (Anglio) — Aopo Pärnanen (Finnlando) — Fröding el Rockford (Usono) — Vincze (Rumanio) — Kolomyjski (Polio) — Kilian (Ĉeĥosl.) — Alseika (Litovujo) — Hugai (Hungario) — Klapps (Danzig).

Post interesa diskutado pri deviga religia instruo oni decidis:
1. S-ro Hubricht preparas referatojn pri la venontaj kongresoj.
2. Ĉiu — reprezentanto aŭ ne — sendu al li la leĝojn naciajn pri religia instruo. S-ro Hubricht kolektu, prilaboru kaj publikigu ilin.
3. Oficiala gazeto estas:
4. Membroj estos personoj kaj ligoj — kotizo laŭ nuntempa memtakso.

**D-ro adv. Theilhaber, München,**
prezidanto.

* * *

## Pacifistoj.

Preparan kunsidon ĉeestis la komitatanoj elektitaj en la XIVa Universala Esperanto-Kongreso, pacifista faka kunveno, Helsinki 1923.

Malfermis la grandan kunvenon S-ino D-ro Steiklemacher en la nomo de la Nacia Germana Pacifista Ligo [Kartell] salutante bonvenon al la XVa Kongreso. Ŝi alvokis nin el ĉiuj nacioj serĉi la kaŭzojn de suferoj nuntempaj. Invitou oni donas al la Germana Pacifista Kunveno en la Lehrerheim [kie poste parolis reprezentantoj de diversaj nacioj, donante al tiu demonstracio „Neniam plu la milito“ grandan eksterlandan inspiron kaj kuraĝigon, laŭ la opinio de la S-ino D-ro].

Kiel prezidanton oni elektis Lian Moŝton Alexander Giesswein el Hungarujo. Akceptante la oficon kunvenan — ankaŭ por la estonta jaro — li rememorigis nin, ke en la esperantismo estas la sama paca celo kiun ni havas. Li bedaŭris, ke la francaj kaj belgaj samideanoj ne ankaŭ venis al la Kongreso, kvankam ĉi tiu malfeliĉo ne estis laŭ la volo de la esperantistaro Nürnberg sed pro ke la neesperantistaj hotelestroj ktp. ne volis doni al ili ĉambrojn: ni rigardas ilin kiel fratoj [multan aplaŭdon] kaj ne devas konfuzi la popolojn kun la registaroj.

Salutojn alvenintajn al la kunveno oni prezentis, interalie diversaj filioj naciaj de la Internacia Virina Ligo por Paco kaj Libereco, la Internacia Movado por forigi la Militon, Internacionalo de Kontraŭmilitistoj, Absolutpacifistoj, la Senarmiga Movado „Nova Jerusalemo“ el Praha, la Brita' Peace Council' [Nacia Konsilaro de Pacaj Asocioj]; salutan leteron sendis Alexander Suija, estlanda samideano, „rifuzante servi en la armeo, kaj tial nun malliberigita kaj juĝota, dezirante sukceson al la laboroj de gesamideanoj kontraŭ tiu malamiko de kulturo kaj evoluado, la milito; vivu la pacifismo, la libereco kaj la Esperanto!“ [laŭskribe].

La sekretario raportis pri la sekvinta jara laboro kaj priparolis la broŝureton „Antaŭen! Al universala paco!“, enhavante statistikojn el kelkaj landoj pri la pacifista kontraŭmilita laboro, la bazo de la Internacia Movado por forigi la militon, kaj artikolon kontraŭ la perforto. Ŝi bedaŭris, ke ne ankaŭ enhavis la kolekton de S-ro Selinheimo el Helsinki, kiu, laŭ la decido de la lasta komitata kunsido 1922, kolektis statistikojn, verŝajne la korespondado pri ĉi tia afero ne atingis lin, poste sekvos pli taŭga kompleta eldono.

Kiel sekretario internacia por la estonta jaro la kunveno ankoraŭ elektis F-inon Mary Riley el Anglujo, kaj akceptis S-ron Julius Glück el Germanujo kiel kasiston.

Denove la esperanta pacifista laboro estas starigita laŭ la volo de l' preskaŭ 300 kongresanoj ĉeestinte la kunvenon, sub la nomo „Universala Esperanta Pacifista Ligo“. Diversaj samideanoj sindonis siajn servojn kiel naciaj delegitoj. Samlandanoj kiuj volas helpi kiel subdelegitoj en la ĉefaj urboj kaj regionoj estas petataj bonvole skribi al la ĉefdelegito. En la sekvantaj landoj mankas ankoraŭ delegitoj: Kanado, Sud-, Orient-, Okcident- kaj Nord-Afriko, Sud-Ameriko, Hindujo, Ainujo, Nov-Zelando, Okcident-Azio, Turkujo, Rusujo ktp. Pacifistoj en ĉi tiuj lokoj kiuj povas helpi eĉ iomete, afable sendu la nomojn ktp. al la internacia sekretario.

Diversaj proponoj kaj diskutoj sekvis pri la plej taŭga bazo por la firma starigo de la Ligo; laŭ decido de delegitara prizorginta kunsido tuj sekvinta la fakan kunvenon, ĉi tiuj proponoj fariĝis la proviza programo jene:

[Noto: Kompreneble, oni nur faros kiom tiom estos laŭ ebleco.]

### Universala Esperanta Pacifista Ligo.

#### I. Celo.

1. Disvastigi Esperanton inter la pacifistoj.
2. Disvastigi pacifismon inter la esperantistoj.
3. Varbi membrojn aŭ nacian societon pacifistan esperantan por la internacia ligo.
4. Praktike internacie labori por mondpaco.
5. Raporti ĉiujare dum la Universala Esperanto-Kongreso pri la diversmanieraj laboroj kontraŭ la milito en siaj regionoj kaj per tio diskonatigi la plej bonajn kaj novajn rimedojn.
6. Klopodi starigi esperantistajn sekciojn en naciaj pacifistaj societoj, kunligonte ilin poste kiel unu nacia asocio.

Noto: Tiun ĉi laboron gvidas la naciaj ĉefdelegitoj, kiuj, laŭ regionaj cirkonstancoj havas la liberecо laŭvole organizi la esperantistan pacifistan movadon en sia regiono.

#### II. Aliĝo.

La Universala Esperanta Pacifista Ligo aliĝu al la Centra Oficejo en Bern: „La Bureau Internationale de la Paix“.

#### III. Praktika laboro.

1. Ĉiuj ĉefdelegitoj kaj subdelegitoj aranĝu en pacifistaj rondoj paroladojn pri Esperanto.
2. Malsame kiel 1. parolado pri pacifismo en esperantaj rondoj.
3. Dum la gravaj naciaj manifestadoj la esperantistaj pacifistoj partoprenu en tiu maniero, ke la neesperantistoj eksciu pri la grava rolo de Esperanto kiel la plej taŭga rimedo por la mondpaco.
4. Disvastigi flugfoliojn klarigante la celon de la ligo; inviti delegitojn el ĉiuflankaj naciaj pacifistaj kontraŭmilitaj asocioj fariĝonte unu granda nacia esperanta pacifista kunveno dum la estonta jaro, interkonsente farante precizan rezolucion aŭ raporton pri la plej taŭgaj rimedoj kontraŭ la milito — interalie, ĉefe, Esperanto.
5. Ĉiuj delegitoj almenaŭ dumonate raportu pri la laboro kaj la stato de l' movado en sia regiono por oficiala sciigo en gazetoj „Esperanto“ ktp.
6. La estraro almenaŭ kvaronjare elsendu raportojn pri la stato kaj laboro de la ligo al ĉiuj delegitoj.
7. Delegitoj raportu pri la laboro de la ligo en la naciaj pacifistaj gazetoj kaj en la ĉiutaga kaj faka gazetaro laŭeble.

#### IV. Kotizo.

Ĉiuj delegitoj libervole kolektu kotizajon, 1. por la ligo, kaj sendu la monon en la nacia valuto al la kasisto; 2. por la bezonoj de sia nacia laboro.

#### V. Oficialaj sciigoj

aperos en 1. „Esperanto“ de UEA; 2. „Esperanto Triumfonta“; 3. naciaj esperantistaj gazetoj; 4. diversaj fakaj esperantistaj gazetoj — ekzemple „Vegetarano“, „Edukistaro Internacia“ ktp.

Noto: Neniam forgesu ni laborantoj, ke la deziro de nia kultura kaj intergenta laboro estas la Paco, la Frateco kaj la Homamo!

La oficiala reprezentanto de l' Brita Sekcio, Internacia Movado por forigi la militon — S-ro Wilfrid Appleby — proponis, ke la kunveno subtenu la sekvantan deklaracion de la ĉisupra movado (antaŭe aprobita de la pacifista kunveno en Praha, XIII-e):

„Kredante, ke ĉiu milito estas malprava kaj ke la armado de la popoloj, ĉu mare, tere aŭ aere, estas perfido kontraŭ la spirita unueco kaj inteligento de la homaro, ĝi instigas la tutan esperantistaron decidi neniam partopreni en milito internacia aŭ civila, ĉu portante armilojn, fabrikante aŭ tuŝante municion, memvole kotizante al milita prunto, aŭ uzante ties laboron kun la celo liberigi aliajn por milita servo“.

Sed, laŭ opinio de la prezidanto kaj kelkaj aliaj jen estis tro grava afero por ĝenerala kunvena subteno nuntempe, kaj oni lasis ĝin al individua subteno poste. Tamen, unuanime la kunveno subtenis la pluan aldonon al la proponita rezolucio:

„Ĉi tiu Pacifista Faka Kunveno, 15-a U. E.-K, Nürnberg 1923, deklaras sian kredon, ke la sola vojo al la mondpaco estas per la universala frateco, kiu rapidigas per la komuna uzado de la helplingvo Esperanto, kaj instigas ĉiujn esperantistojn farigi la mondpacon kiel la finan celon.“ [Multan aplaŭdon.]

Oni diris, ke la pacifistoj esperantistaj bezonas grandan kuraĝon — pli multe ol la batalanto en milito, sed kun la sama preteco riski la vivon, kaj perdi, se cirkonstancoj bezonus, ĉion, escepte la sintenadan animvivpacon.

Fine, kun tutkora entuziasmo, la samideanoj, vidante la stelon „Tra densa mallumo - la celon al kiu kuraĝe ni iras“ kantis „La Espero“ de nia kara ekzemplulo Zamenhof.

Vivu la esperanta paco!

* * *

## Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtoficistoj (Ilepo).

Protokolo pri la 6-a ĝenerala kunveno
en Weichterschulhaus, ĉambro 02, Frauentorgraben 30,
la 3-an de aŭgusto 1923, okaze de la XV-a Universala Kongreso de Esperanto.

Tagordo.

1. Salutparolado de la prezidanto.
2. Salutoj al la konferenco.
3. Legado de la protokolo de la V-a konferenco de Ilepo en Helsinki 1922.
4. Jarraporto de la prezidanto.
5. Kasraporto pri la pasinta jaro.
6. Raportoj de la estraro de Ilepo en la diversaj landoj.
7. Specialaj raportoj kaj sciigoj pri fakvortaro ktp.
8. Proponoj dumjare ricevitaj de diverslandaj Ilepanoj.
9. Demando pri ŝanĝo de la regularo.
10. Elekto de la estraro.
11. Jarkotizo.
12. Organo de Ilepo.
13. Enkonduko de Esperanto ĉe Poŝto kaj Telegrafo (rezolucio kaj subskriboj).
14. Ferma parolado de la prezidanto.

La kunsidon (aŭ Poŝtan Konferencon) malfermis la prezidanto de Ilepo, S-ro Otto Reber, supera registarkonsilisto, ĉefo de poŝtmandatkontrolejo de sekcio München de regna poŝtministerio en Bamberg, je la 3-a posttagmeze. Partoprenis 53 gepoŝtistoj el jenaj landoj: Germanujo [Bavarujo, Rejnlando, Saksujo, Thuringno, Badeno], Svisujo, Aŭstrujo [Stirio], Nederlando, Estonio, Finnlando, Ĉeĥoslovakujo kaj Saarteritorio. Kiel oficialaj reprezentantoj de la Superaj Poŝtdirekcioj Nürnberg kaj Augsburg ĉeestas S-roj superaj registarkonsilistoj Huss kaj Zerzog kaj S-ro poŝtinspektoro Bolkart. La prezidanto kore bonvenigas kaj salutas la reprezentantojn kaj la aliajn ĉeestantojn. Li treege dankas la Superajn Poŝtdirekciojn pro la alsendo de delegitoj, pro la bona organizo kaj funkciado de la poŝta servado ĉe la kongreso per speciala poŝtoficejo en la kongresejo kaj pro la favora distriktordono de la Supera Poŝtdirekcio Augsburg, per kiu ĝi rekomendis la ĉeestadon en nia 6-a kunveno al ĉiuj esperantistaj gepoŝtistoj. S-ro Huss salutas la konferencon flanke de la Supera Poŝtdirekcio Nürnberg, esprimas ĝian simpation por nia movado kaj deziras al la konferenco kaj al la movado bonegan sukceson.

Alvenis saluttelegramo de S-ro Michelis di Rienzi, poŝtinspektoro en Parizo, unua vicprezidanto de Ilepo: „Esperantista poŝtistaro salutas kongresajn Ilepanojn. Rienzi.“ Estas rimarkinde, ke la telegrafo transdonis la telegramon en Esperanto. Salutleterojn estas sendintaj S-ro O. Riek, poŝtdirektoro en Greifswald [Germ.], S-ro Prabucki, poŝtestro en Miloslaw [Polujo], F-ino Hilda Dreesen, Tallinn [Estonio] [ŝi ankaŭ ĉeestas en la kunsido], S-ro Ulrich, Bürgstein, S-ro Ernesto E. Guerra, poŝtestro en Tampiko [Meksikujo], S-ro H. S. Donker kiel reprezentanto de la Unuiĝo de la Poŝtdirektoroj kaj Komizoj de Nederlando.

Post tio la prezidanto laŭtlegas la protokolon de la V-a konferenco en Helsinki [Finnlando], kiu unuanime estas aprobata. La tre interesa jarraporto de la prezidanto estas kun granda aplaŭdo akceptata, same la kasraporto. La enspezoj sumas je 465160.75 M., la elspezoj je 236160.75 M., do restas saldo de 229000 M. por la nova Ligojaro. La revizia komisiono ekzamenas kaj aprobas la raporton.

Interesaj skribaj raportoj pri la stato de nia movado alvenis el Tallinn [Estonio], Bürgstein [Ĉeĥoslovakujo], Milozlav [Polujo], Tampiko [Meksikujo], Greifswald [Germ.], Bern [Svisujo], Amsterdam [Nederlando], München [Bavarlando]. La raportoj estas danke aplaŭdataj.

La prezidanto raportas pri la stato de la verkado de la fakvortaro kaj pri la traduko de la Universala Poŝtkonvencio. La afero bone progresas. La de S-ro D-ro Ed. Spielmann, Bern, dua vicprezidanto de Ilepo, verkita „Resumo de la plej interesaj datoj de la Poŝta Historio“ estos laŭpove baldaŭ presata.

Diversaj proponoj estas alsenditaj al la prezidanto en la pasinta jaro, kiel i. a. akcepto de Esperanto por telegramoj, eldono de la fakrevuo „L' Union Postale Universelle“ en Esperanto, Esperanto-signoj apud la giĉetoj, kie deĵoras esperantistaj oficistoj.

Pri eventuala ŝanĝado de la regularo la prezidanto proponas prokrasti ĝin ĝis alveno de pli bonaj cirkonstancoj.

Pro la nuna malfavora politika situacio la prezidanto petas la kunsidon transdoni la prezidantecon al iu alia, eble pli juna Ilepano. Sed laŭ treege aplaŭdita propono de la dua vicprezidanto D-ro Spielmann, Bern, oni unuanime reelektas S-ron Superan Registarkonsiliston Otto Reber en Bamberg kiel prezidanton. Same la kunsido unuanime reelektis kiel unuan vicprezidanton S-ro Michelis di Rienzi, Poŝtinspektoro en Parizo kaj kiel duan vicprezidanton S-ron D-ron Ed. Spielmann, Poŝtinspektoro en Bern. La prezidanto en la diversaj landoj restas la samaj kiel ĝis nun.

La nekonstanteco de la valutoj ne permesas fiksi firman jarkotizon. Tial la membroj estas petataj oferi laŭpovajn monsubtenojn.

Kiel internacia fakrevuo estas reelektata la „Poŝtisto“, kiu aperas kiel aldono al la „Policisto“. La prezidanto rekomendegas ĝian subtenon kaj abonon ĉe S-ro Augusto Marich, P. Hung., Reĝa Polica Ĉefinspektoro, Budapest IX, Ullöi-ut. 59, IV 8.

Jam antaŭ du jaroj la Ilepa estraro faris petskribon al la Mondpoŝtkonferenco en Madrid. Sed pro la troo de traktotaĵoj la kongreso ne plu povis pritrakti la petskribon. Nun estos preperataj novaj petskriboj al la Internacia Poŝta kaj Telegrafa Unuiĝo kun aldono de la nombro de la necesaj ĉiulandaj subskriboj. La hodiaŭa 6a Ilepa kunsido akceptas ĉi tiu rilatan rezolucion, kiu estos prezentata por akcepto al la dua laborkunsido de la XVa Universala Kongreso de Esperanto en Nürnberg 1923. La rezolucio postulas la enkondukon de Esperanto en internaciaj rilatoj poŝtaj kaj telegrafaj kaj la akcepton de Esperanto kiel „malsekretan (klaran) lingvon“ en la telegrafado. Post danko al la oficialaj reprezentantoj kaj partoprenantoj kaj post nova rekomendo subskribigi multnombre la petskribojn la prezidanto fermas la kunsidon je la 6a horo.

**Por la Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegrafoficistoj (Ilepo):**

| La prezidanto: | La dua vicprezidanto: | La sekretario: |
|---|---|---|
| sig. **Reber.** | sig. **D-ro Spielmann.** | **Thoma,** poŝtsekretario |

**Rezolucio.**

La Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-Oficistoj [Ilepto] proponas al la XVa Universala Kongreso de Esperanto la sekvantan rezolucion:

Konsiderante:

1. la gravan malfacilaĵon de la interrilato inter multaj ŝtatoj kaj administracioj;
2. la fakton, ke en diversaj landoj la nombro de la esperantistaj geoficistoj jam nun estas sufiĉe granda;
3. ke la mondlingva konferenco de la instruistaro, la Ligo de Nacioj kaj la Konferenco de Komercaj Ĉambroj en Venezio per granda plimulto aŭ eĉ unuanime akceptis Esperanton kaj rekomendas ĝian instruadon al la junularo;
4. ke granda nombro da internaciaj specimenfoiroj uzadas Esperanton kun utilo;

la XVa Universala Kongreso de Esperanto en Nürnberg esprimas la deziron, la Internaciaj Unuiĝoj de la Poŝto kaj de la Telegrafo konsentu:

1. permesi la oficialan uzadon de Esperanto ĉe la interrilato administracia;
2. eldoni fakan internacian organon de la „Union Postale Universelle" en la lingvo Esperanto por la Esperantista Oficistaro;
3. instigi la geoficistojn ĉiulandajn lerni kaj uzadi Esperanton;
4. faciligi la vojaĝadon per esperantaj surskriboj apud la giĉetoj, kie esperantisto deĵoras;
5. permesi la uzadon de Esperanto kiel klara lingvo ĉe la Telegrafo kaj Telefono.

* * *

## Fakkunsido de la Psikistoj kaj Okultistoj.

La 6-an de aŭgusto 1923, je la 9-a.

Ĉeestis 30 personoj. La fakestro, S-ro Gabe, Berlin, unue raportis pri la stato de la okultisma movado de la komenco en la jaro 1895 ĝis nuntempe, kaj proponas al la ĉeestantoj, formi okultistan rondon esperantistan, kiu aliĝu al la jam ekzistanta rondo de S-ro Sklenzka. Tiun proponon oni akceptas kaj elektas jenan estraron: S-ron Gabe, Berlin, prezidanto, F-inon H. Nickel, Potsdam, sekretariino, S-ron Goldmann, Berlin, kasisto.

La organon por publikigo al komunikoj la estraro poste fiksos.

Sekvis raporto de S-ro Gabe pri kreo de Tutmonda beletristika biblioteko (Tutbebeo). Li citas la diversajn jam ekzistantajn verkojn, ekz. „Werner", kaj esperas, ke baldaŭ nova verko tiuspeca povos aperi. La unua volumo de „Tutbebeo" jam estas certigita kaj la eldonejo estas Ellersiek & Borel, Berlin.

S-ro Gabe petis la ĉeestantajn samideanojn helpi en la elekto de taŭga materialo jam esperantigita aŭ de ili esperantigota por ke oni povu eldoni duan volumon eble konsistanta el materialo de unu sama nacio.

Inter la diskutintoj interese raportis profesoro Stovjan el Zagreb kaj ĉeĥa samideano.

Nürnberg, la 6-an de aŭgusto 1923. H. N.

* * *

## Vegetaranoj.

La Vegetara Liga Esperantista kunsidis lundon, la 6an de aŭgusto, je la 9a matene. Proksimume 120 personoj ĉeestis.

La ĝenerala sekretario-kasisto Oscar Bünemann [Hamburg] malfermas la kunsidon, bonvenante la ĉeestantojn duoble samideanajn. Li konstatis, ke la ligo staras finance sur forta bazo; sed necese estas, ke ĉiuj restu fidelaj kaj varbu laŭeble novajn anojn. Li diris, ke la vegetaranoj estas la plej revoluciemaj personoj, ne politike; sed en ilia ĉiutaga agado kaj konduto ili volas porti la homan vivadon al pli alta nivelo. Ili laboras, por superfluigi sian propran agadon, volante vegetarigi la mondon. Finante sian bonvensaluton, li petis, ke la membroj pli multe individue partoprenu en la spirita vivo de la ligo.

S-ro Bünemann direktis specialan dankon al tiuj landaj sekretarioj, kiuj partoprenis vigle en la liga laboro, kaj li citis kelkajn nomojn. Al F-ino Noll [Kopenhagen] li dankis pro ŝia detala raporto en „Vegetarano" pri la internacia kongreso en Stokholm, kie ŝi prezentis la V. L. E. speciale invititan de la Internacia Vegetarana Unuiĝo.

S-ro Bünemann demandis, ĉu oni havas iun deziron pri pli ofta apero de la „Vegetarano". Li mem rekomendis la nunan kvaronjaran aperon pro tio, ke la bulteno ne havas aktualaĵon, sed celas nur spiritan refreŝigon. Neniu kontraŭdiris.

La kasista detala raporto estis disdonata masinskribita inter la ĉeestantoj aldone al la supraja raporto jam publikigita en la oficiala bulteno „Vegetarano". La kosto de la lasta numero superis la supozitan sumon; ĝi estis pli ol 2000000 markoj; sed la bonvolo de kelkaj anoj kovris ĝin kaj eĉ ebligis kasrezervon por pluaj numeroj.

La ligo nun havas pli ol 300 membrojn.

Post siaj raportoj S-ro Bünemann transiris al la elekto de prezidanto, bedaŭrante la morton de nia tre ŝatata prezidanto Sevenhujsen, je kies memoro la ĉeestantoj leviĝis. Li proponis S-ro Montagu C. Butler [London], akcentante la neceson, ke la prezidanto loĝu en London pro la tiea okazo de la proksima internacia vegetara kongreso 1926.

S-ro Butler afable akceptis.

S-ro Bünemann citis estonan samideanon Aleksander Suia [Tallin], kiu pro rifuzo de militservo estas malliberigita. Li atentigis pri tio, ke „Vegetarano" enhavas ĉiam pacifistan rubrikon kaj forte apogas la pacifistan movadon. Per forta aplaŭdo la ĉeestantoj esprimis sian konsenton kun tio ĉi.

La nova prezidanto transprenis la prezidon kaj donis la parolon al la naciaj delegitoj por salutoj kaj raportoj. S-ino Isbrücker [Nederlando] alportis la saluton de gesinjoroj Roskes-Dirksen kun ilia danko pro la rubriko en „Vegetarano" pri la „Movado por ĉasta vivo". Ankaŭ de la Nederlanda Vegetara Ligo [prezidanto P-ro Nolthenius] S-ino Isbrücker alportis saluton kaj detalan interesan raporton, kiun ŝi laŭtlegis.

F-ino Margarethe Noll [Kopenhagen] salutis de la Vegetara Ligo en Danujo kaj ĝia prezidanto, S-ro Egerod, kaj raportis mallonge pri siaj impresoj dum la Stokholma kongreso, inter kies partoprenantoj ŝi sukcesis konstati la mankon de internacia lingvo. Esperanto estis permesata ĉe la kongreso.

S-ro Bünemann laŭtlegis la salutleteron de rusaj vegetaranoj al la Stokholma vegetara kongreso, kaj oni decidis, sendi simpatisaluton al la rusaj samcelanoj.

D-ro Hickel [Ĉeĥoslovakujo] alportis saluton de vegetaranoj germanaj en sia lando. Por Estonujo parolis F-ino Helmi Dresen. S-ro Krestanov [Bulgarujo], jam forvojaĝinta, sendis leteran saluton. S-ro Janko Todorov el Peŝtera [Bulgarujo] diris salutojn el sia lando.

Malfeliĉe la kunsido estis interrompata per la alveno de partoprenantoj por la kongresa dua labora kunsido, kiu okazis en la sama ĉambro. Pro la multaj aliaj aranĝoj de la kongreso, kiujn oni ne volas ĝeni, oni ne sukcesis fiksi duan vegetaran kunsidon.

Oni decidis, sendi salutleterojn al S-ro Saxon [Svedujo] kaj P-ro Nolthenius [Nederlando].

La vegetaranoj konstatis la bonan staton de la ligo kaj la bonan ordon ĉe la kunsido, ĉe kiu oni per antaŭaj preparoj evitis la longan kutiman diskuton pri organizaj demandoj.

La kunsido finiĝis je la 11-a.

Margrethe Noll, protokolistino de la kunsido.

---

# Svisa Esperanta Societo.

## Ĝenerala kunveno 20 — 21 oktobro 1923.

**Bonvenon en Bern!**

La Berna Esperanto-grupo sincere bonvenigas la estraron de la Svisa Esperanta Societo, la grupdelegitaron kaj ĉiun izolulon.

Por komuna, serioza kaj efika laboro la ĉi tiujara svisa Esperanto-kongreso alkonduku ilin Bernon.

Vi certe memoras, ke nia grupo, kvankam ne granda, ĉiam faris sian eblon por sukcesigi la esperantajn festojn, kiuj jam okazis en Bern. Ĝi aranĝas amuzan vesperon, kiu okazos sabate vespere. Via restado en la urbo de ursoj fariĝu kiel eble plej agrabla kaj ĝojiga.

Do esperantistoj, venu Bernon multnombre, pruvu al la svisa popolo kaj kontraŭuloj, ke la esperanta movado en nia lando reviglîĝis kaj ĉiam kreskas. Ni tion pruvu per amasa kaj el ĉiukantona alvojaĝo Bernon.

Por ke ĉiu esperantisto ĉeestu la sabatan amuzvesperon, ni penos havigi al li malmultekostan hotelĉambron. Pro loĝej-malfacilaĵoj ni petas la samideanojn, kiuj intencas alveni sabate kaj lui ĉambron, ke ili bonvolu sin turni al S-ro Jules Perlet, Chutzenstrasse 17, Bern.

**Ĝis la revido en Bern!**

**La Loka Komitato.**

* * *

### Programo.

Sabaton, 20 oktobro posttagmeze: Ekzamenoj de S. E. S. (Pri loko, tempo kaj programo sin turni al S-ro Jean Wenger, Côte 113, Neuchâtel.)

Sabaton vespere je 20 h. en „Bürgerhaus", teretaĝo: Ĝojiga vespero kun koncerto, teatraĵo, paroladoj kaj poste dancado.

Dimanĉon, 21 oktobro en „Bürgerhaus", unua etaĝo.

9 h.: Laborkunsido de S. E. S.

13 h.: Komuna tagmanĝo en sama domo. (4 fr. sen vino.)

15 h.: Ekskurso al Muri aŭ rendevuo ĉe „Kursaal" en okazo de malbela vetero.

*

### Aliĝoj.

Por rezervi ĉambron kaj tagmanĝan karton oni sendu poŝtkarton (anoncante horon de alveno) al S-ro Jules Perlet, Chutzenstrasse 17, Bern.

---

**Kiam vi skribas aŭ sendas monon al Universala Esperanto-Asocio, ne adresu al nomoj de personoj laborantaj en la oficejo!**

## Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj

# OFICIALA INFORMILO.

Aperas (intertempe) dumonate (en monatoj: Septembro 1923, Novembro, Januaro 1924 ktp.); ĝis kiam aliĝos minimume 200 membroj (kun plenaj jarkotizoj) ĉiumonate.

**Jarkotizo:** 6 fr. sv. (por membroj de tie ĉi ne nomitaj landoj) 6 ŝil. ang., 12 fr. (fr., belg.), 15 Kč., 15 lir., 6 jen jap.

Malbonvalutanoj el Aŭstrio, Germanio, Polio kaj Rusio pagas 1 fr. sv. (nove aliĝantaj membroj 2 fr. sv.) La Informilon ricevas *senpage* ĉiu I. A. E. F.-ano, kiu pagas la asocian jarkotizon.

*Redaktoro:* Josef Blažek, inspektoro, Olomouc, Müllerova 24 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiujn manuskriptojn por la Oficiala Informilo).

*Kasisto:* Emanuel Kubásek, revizoro, Plzeň, Lobezská 12 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiun monon por la I. A. E F. kaj la Oficiala Informilo).

(Aliĝo al UEA kiel Membro-Abonanto estas rekomendata al ĉiuj I. A. E. F.-anoj).

## MODELO DE ALIĜILO.

(Skribu legeble sur p. k. ktp.)

1. Familia nomo ........................................
2. Antaŭnomo ........................................
3. Profesio ........................................ (en Esperanto)
4. Oficejo (direkcio, stacio ktp.) ........................................ (en Esperanto)
5. Gepatra lingvo ........................................ (en Esperanto)
6. Nacieco ........................................ (en Esperanto)
7. Strato kaj numero ........................................
8. Urbo ........................................
9. Provinco ........................................
10. Lando (ŝtato) ........................................

Morala devo de ĉiu nia ano estas, ke li alvarbu almenaŭ unu novan membron!

---

**Grava Avizo.** — En nia asocia jarkunveno en Nürnbergo, la 6an de aŭgusto 1923 voĉdonis la plimulto de konferencanoj, ĉesigi pro malgranda nombro de pagintaj membroj nuntempe la pluan eldonadon de „La Fervojisto" kaj rajtigis la nunan kompletigitan Komitaton interkonsenti kun UEA-gazeto, kiu certigis rezervi al la I. A. E. F. unu aŭ du paĝojn en la nomita gazeto. La daŭrigo de nia „Oficiala Informilo" dependas de vigla varbado de pluaj membroj *fervoraj* flanke de niaj kunlaborantoj (asesoroj, delegitoj), por ke la nova entrepreno povu esti garantiita laŭfinance de nia flanko.

**Raporto** de la vicprezidanto pri la dua asocia jaro 1922—23 de I. A. E. F., farita en la ĝenerala fakkunsido, la 3an de aŭg. 1923 en (fakkunsidejo) Nürnberg.

Karaj geamikoj! Entuziasme, ĝoje ni surpaŝis la grandan vaporŝipon „Rügen" en la haveno de Helsinki la 16an de aŭg. 1922, ĉar la fakkunsidoj same kiel la kongresaj laboroj sukcesis.

Ankaŭ la fervojistoj finlaboris sian programon antaŭe starigitan:

1. Oni voĉdonis kaj aprobis la asocian regularon.
2. Estis elektita nova dujara asocia estraro.
3. Estis pritraktita la eldonado de fakrevuo.
4. Denove ni reguligis kotiz(enskrib)prezojn.

Al la programpunktoj 1, 2, 3, permesu al mi rimarkojn:

Laŭ la regularo nia komitato ne povis ĝustatempe t. e. 13. semajnojn kunvoki la jarkunvenon, ĉar la eldonado de „La F." malfruiĝis pro nevenkeblaj malhelpaĵoj.

Tuj post kiam mi revenis hejmen el Helsinki mi skribis al S-ro Bontemps, ke li fariĝu nia prezidanto. Li respondis mian leteron, ke li ne povas en la jaro 1922/23 kunlabori, ĉar li estas okupata per domkonstruado. S-ron Barvíř mi persone vizitis kaj transdonis al li ĉiujn matrikulajn aldonaĵojn, legitimaciojn, asocian stampilon, ricevitajn aliĝilojn kaj alian necesan korespondaĵon (nomaron ktp.)

Ĉar nek S-ro Bontemps, nek S-ro J. Barvíř kunlaboris en la pasinta jaro (kiel vi jam sciiĝis tion tralegante nian f. r. „La Fervojisto") mi prizorgis ĉion, kio estis ebla al mi, kion nepre postulis la asocia sukcesa laboro organiza, tiamaniere mi funkciis la tutan jaron kiel oficanta vicprez.

En tiu funkcio subtenis min ofereme dum la tuta jaro nia fervora, diligenta, asocia kasisto S-ro E. Kubásek el Plzeň kaj nia vigla delegito S-ro A. Malík el Přerov. Al la nomitaj du sinjoroj mi devas kore danki en hodiaŭa jara kunsido asocia, ĉar mi mem ne estus sukcesinta fari tiom, kiom ni atingis. En 3 komunaj komitatanaj kunvenoj ni pritraktis la neregulan eldonadon de nia fakrevuo; fine en la 4a kunveno, okazinta la 10an de junio 1923 ni decidis, ke estas necese, ke ni eldonu el nia ŝparita kasomono la reklamnumeron de „La Fervojisto", ĉar nenia flugfolio estus povinta klarigi al niaj membroj la veran situacion asocian.

Dependas nun de niaj membroj mem, ĉu ni sukcese daŭrigos nian laboron. Tio ne estas nura frazo, tiuj lastaj vortoj estas diritaj de mi tute serioze. Internacia Asocio de E. F. ne povas ekzisti sen revua gazeto, kaj niaj membroj — nur maloftaj esceptoj ekzistas — ne abonas t. e. ne antaŭpagas la revuon. Ni diris en la kapeto de „La Fervojisto" *dumonata* — sed sen mono — ni ne povos eldoni la 2an numeron.

Ni diris jara kotizo: 15 Kč. ktp. aŭ por ceteraj landoj (escepte Germanujo, Aŭstrio, Hungarujo, Polujo kaj Rusujo) 6 svis. frankojn, aldoninte: La fakrevuon „La F." ricevas ĉiu nia ano, kiu pagas por la asocia jaro 1923/24 sian kotizaĵon, tute senpage, ĉar la plimulto da membroj precipe ne pagis la abonon. Laŭ nia opinio ne estas vera I. A. E. F.-ano, kiu ne ŝatas aboni kaj legi sian propran fakgazeton!

Do entute la Komitato faris neniun ŝanĝon en la kotiz- kaj abonprezoj kuniginte ilin [ambaŭ] en unu ciferon [sumon]. Tiun ĉi decidon de la Komitato mi petas hodiaŭ aprobi, ĉar de tiu ĉi decido dependas la plua ekzistado de la I. A. E. F. Mi ne volas vin laciĝi per rakontado de traktadoj koncerne nian fakrevuon, kiu okazis komence inter la komitato de I. A. E. F. kaj S-ro O. Adámek, redakt. de Nova Eŭropo, nia estinta eldonanto de du numeroj de la „Fervoja Esperantisto" kaj ankaŭ rilate la projektitan „Interkonsenton", pri kiu estis traktite pli poste dum longa tempo kun S-ro Marich, redakt. de „La Policisto", sed ankaŭ sensukcese, sen rezulto! „La Policisto" ne fariĝis nia oficiala organo!

Multe da tempo mi oferis, sed fine mi vidis, ke neniun sukcesan rezulton ni atingi povas tie, kie mankas la mono. Mi tre bedaŭras, ke en la lasta momento de asocia jaro forlasis niajn vicojn eĉ la ĝis nune ĉiam fervora samfakano, S-ro J. Ivanovic, la ĉeĥoslov. asesoro kaj redaktoro.

Eble lin fortimigis nia bedaŭrinde ĉiama malsukceso koncerne nian fakrevuon. Li senkulpigis sian eksiĝon per familiaj gravaj okazintaĵoj. Mi dankas tie ĉi kore ankaŭ al li por ĉio, kion li faris por I. A. E. F.

Kiel anstataŭanton t. e. kiel estontan asesoron por Ĉeĥoslov. Resp. mi permesas al mi proponi al vi estimataj geĉeestantoj, nian fervoran membron fervojinspekt. Karel Urbanec, kun kiu mi jam skribe traktadis, kaj kiu promesis al mi per sia p. k. de dato 16. 7. 23, ke li akceptos la funkcion por la jaro 1923/24. Li partoprenas la jarkunsidon.

Vigle kunlaboradis ĉe niaj komunaj komitatkunvenoj Ge-roj S. Dlouhá, A. Malík, K. Urbanec, A. Kvapil (estinta Kašpárek). Proponojn, pri kiuj devus trakti la asocia jarkunveno, neniujn ricevis la komitato de I. A. E. F. Pri 2 proponoj, faritaj de I. A. E. F.-komitato ni traktos pli poste laŭ la programo publikigita jam en „La Fervojisto". Mi ĝojis, ke sendis leterojn kun interesaj sciigoj pri sia hejmolanda Esperanto-movado samideanoj: finnaj, svedaj, hungaraj, svisaj, germanaj, aŭstraj, jugoslavaj, ĉeĥoslovakaj.

Reveturinte el Helsinki, mi ĝojis, ke oni elektis spertajn elprovintajn samlandanajn fervojistajn kunlaborantojn, sekretarion S-ron J. Barvíř kaj asesoron S-ron J. Ivanovič, ĉar mi esperis, ke kun ili la gvidado de organizaj asociaj laboroj sukcesos. Bedaŭrinde mi trompiĝis en miaj esperoj.

S-ro ferv. konsilanto J. Barvíř, kiu konsentis per sia p. k. de 24. 7. 1922 kun mia propono, ĉar li skribis fervore al mi, ke li akceptos por la asocia jaro 1922/23 la funkcion de sekretario, kaj laŭ tiu ĉi propono farita de mi en Helsinki, li estis ankaŭ elektita kiel sekretario de IAEF por 2 jaroj, interrilatis dum la pasinta jaro preskaŭ neniom kun la asociaj komitatanoj.

Li alsendis ankaŭ neniun raporton al la IAEF-komitato, li eĉ ne prezentis ĝin al la hodiaŭa asocia jarkunsido. Li ankaŭ nenion sciigis, ĉu li veturos aŭ ne veturos al Nürnberg, pro tio mi faris raporton sufiĉe detalan penante, ke mi sciigu vin pri ĉiu grava okazintaĵo asocia en la 1a pasinta jaro 1922/23. Tute nature, se 2 ĉefaj komitatanoj ne kunlaboras, krom tio, ĉar ne ekzistis regule aperanta fakrevuo asocia, ne estas facila la gvidado de internacia asocio.

Se la nuna komitato estos devigata daŭrigi la gvidadon de IAEF laŭ nunaj cirkonstancoj, tiam ĝi mem ne povas promesi al vi miraklojn, tion ni devas diri al niaj membroj tute serioze.

Kiel mi tion jam diris supre, kaj mi denove ripetas, ĉio t. e. la ekzistado de IAEF, la ekzistado de asocia interligilo „La F." nuntempe dependas de niaj membroj mem, t. e. ĉefe de fervora, vigla kunlaborado de niaj ĉiulandaj asesoroj aŭ perantdelegitoj.

Pri la financa stato afable donos baldaŭ al vi la raporton nia kasisto S-ro E. Kubásek. Al ĉiu dezironta demando de ŝatataj partoprenantoj tre volonte li donos klarigan respondon.

Estimataj konferencanoj. Niaj membroj ne supozu, ke nia asocia kreskas, ke ĝi atingos specialan rolon inter aliaj diversaj internaciaj fakentreprenoj, se niaj anoj lasos labori ĉiam nur 2 aŭ 3 membrojn.

Tiuj menciitaj membroj laboradas jam 2 jarojn senĉese. Jes, ĉiam senlace ili laboris ĝis hodiaŭ, ili eksciis ankaŭ jam multe da malhelpaĵoj. Sed se ili vidas nur kritikaĵojn, ke nur tre malmulte da vera intereso sin montras inter niaj membroj pri la starigita programo, tiam ili rerioze devas hodiaŭ demandi la hodiaŭajn jarkunvenantojn, kial do ne volas kunhelpi niaj membroj? Eble estas, ke la plimulto de konferencanoj deziros hodiaŭ, ke ni ĉesu la pluan laboron? Ni devas malkaŝe paroli inter ni hodiaŭ, ke la nuna financa stato ne permesos al ni la daŭrigon de eldonado de „La Fervojisto."

Nur kun granda ofero ni sukcesis eldoni la 1an numeron de „La F.", sed ni esperas, ke la hodiaŭa jarkunsido aprobos nian entreprenon, ĉar alie niaj, ĉiam multnombre demandintaj, membroj ne estos eksciintaj, ĉu okazos aŭ ne okazos, nia jara fakkunsido en Nürnberg, ev. kia estos ĝia programo, kia estas la nuna asocia situacio ktp.

Karaj kongresanoj, se vi deziras vidi estonte pli seriozan jaran labor-rezultaton, tiam vi ĉiuj devas jam hodiaŭ promesi, ke vi varbos novajn fervorajn kunlaborantojn, kiuj ne pagos nur la sensignifan jarkotizon, sed alsendos al la redakcio tuj sciigojn pri sia hejmolanda, precipe fervoja Esperantomovado.

Tio ja ne estas tiom malfacila, neplenumebla laboro.

Mi diris „sensignifa" jarkotizo. Certe, ĉar pliriĉiĝos la enhavo de nia fakrevuo, se pligrandiĝos la enhavo de nia fakrevuo, se pligrandiĝas la nombro de ĝiaj abonantoj kaj tiam ni ne bezonos aboni aliajn Esperanto-gazetojn, ĉar sufiĉos al ni tute nur unusola nia revua interligilo!

Do, kia estas nia tasko, nia laborprogramo en la venonta asocia jaro?

Ne nur la komitatanoj, sed ankaŭ niaj kunlaborantoj t. e. niaj landoasesoroj kaj perantdelegitoj afable devas pli ofte, ĉiusemajne, interrilati kun siaj samlandanaj membroj [event. pere de rezervita anguleto: „Fako por Korespondado" en nia revuo]. Ili atentigu ĉiam la samlandanojn pri gravaj okazintaĵoj organizaj, avizoj ktp., alsendu de tempo al tempo la de ili kolektitajn kotizaĵojn kun la dataro al la asocia kasisto, same kiel ĉiujn de ili kolektitajn sciigojn, dezirojn, proponojn rilatantajn nian organizon al la redaktoro.

Jam hejme kaj ankaŭ dumvoje al Nürnberg mi sciiĝis pri plendoj de kelkaj membroj, ke ili ne ricevis „La Fervojisto"n. Ŝajnas al mi, ke tiurilate oni ne povas ŝuldigi nian administracion.

Pri tiaj plendoj mi atentigis nian administracion, sed ĝi certigis min denove, ke „La Fervojisto" estis dissendita samtempe [laŭ nomaro] al ĉiuj niaj membroj, kiuj ĝis nun aliĝis al nia asocio. Pli frue oni povas supozi, ke en kelkaj okazoj estas ŝuldaj pri tio poŝtaj oficoj [leterpoŝtistoj] kaj plej multe la membroj mem, ĉar ili plenigis la aliĝilon [skribis la dataron en la p. k. ktp.] tre nelegeble!

Do, ankaŭ tiurilate esploru afable niaj kunlaborantaj asesoroj, delegitoj, ĉu la adresoj de hejmolandaj membroj estas ĝuste publikigitaj en ambaŭ en 1922 aperintaj numeroj de „Fervoja Esperantisto", en „La Fervojisto" [aperis 1. 7. 1923] ktp.

Se la adresoj estis erare publikigitaj, do anoncu afable tuj al la asocia kasisto en Plzeň la ĝustan adreson! Se interesas vin la statistiko laŭnacia, ĝi estas [laŭ alfabete] jena: aliĝis al nia asocio ĝis fino de asocia jaro 1922/23: 1 anglo, 7 aŭstrianoj, 2 belgoj, 177 ĉeĥoslov., 2 estonoj, 8 finnl., 4 franc. 19 germ., 1 hung., 28 italoj, 1 japano, 1 jugosl., 3 nederl., 1 norveg., 2 poloj, 1 ruman., 1 ruso, 3 svedoj, entute 262 membroj.

Post la raportoj de ĉiulandaj delegitoj ni daŭrigos nian programon koncerne la programpunktojn 2—6 publikigitajn en „La F."

Fine mi volas rimarki, ke ni devas serioze komenci labori rilate nian fervojan terminaron. Estas tre malagrabla afero por ni fervojistoj, eĉ spertaj Esperantistoj, ke ni ofte konsterne ekstaras, kiam ni uzas aŭ legas en diversaj verkoj pri tiu sama objekto tiom da multaj diversaj terminoj, esprimoj. Nur unu ekzemplon: Oni diras [skribas] hodiaŭ: Vagonaro, trajno, trejno, treno — simile rapidvagonaro..... Al la terminaro oni rezervos ĉiam necesan lokon en nia revuo.

Firme mi esperas, ke en la venonta asocia jaro ankaŭ nia ŝatata franca amiko S-ro Bontemps kunlaboros laŭ la al li apartenanta funkcio. Elkore mi dankas al ĉiuj samfakanoj, kiuj min aŭ nian asocion subtenis dum la pasinta jaro en mia malfacila funkcio, unuavice al nia diligenta asocia kasisto S-ro E. Kubásek, ankaŭ al la vigla delegito ankaŭ kursgvidanto S-ro A. Malík el Přerov kaj mi finparolas mian jaran raporton, dezirante sincere al la estonta, iomete pli feliĉe ŝanĝota aŭ kompletigota estraro de nia internacia fervoja asocio la plej bonan sukceson!

* * *

**Konciza eltiraĵo (bilanco) por la jaro 1922—1923.**

| Enspezoj — Objekto | Kĉ. | h. | Elspezoj — Objekto | Kĉ. | h. |
|---|---|---|---|---|---|
| S-ro insp. Josef Blažek | 282 | 44 | S-ro insp. Josef Blažek | 227 | 94 |
| S-ro kasisto Emanuel Kubásek | 3801 | 29 | S-ro kasisto Emanuel Kubásek | 2955 | 56 |
| S-ro ĉefrev. Jaromír Ivanovič | 50 | — | S-ro Jaromír Ivanovič ĉefrevid. | 50 | — |
| S-ro Josef Barvíř ferv. konsilanto | 100 | — | S-ro ĉefkonsilanto Josef Barvíř | — | — |
| | | | transportota sumo (posedaĵo) | 1000 | 23 |
| Sumo | 4233 | 73 | Sumo | 4233 | 73 |

**Karaj gekolegoj!** La kunvenon en kiu ni refondis nian asocion dum la XIIIa Universala Kongreso de Esperanto en Praha, la 2an de aŭgusto 1921 ĉeestis sekvantaj gefervojistoj:

1. S-ro insp. Habellok, Breslau, Germ.
2. S-ro insp. Blažek, Olomouc, Ĉeĥoslov.
3. S-ro bavara insp. Karl Hell, Cheb, Eger, Ĉeĥosl.
4. S-ro ĉefrev. Kaspárek, Praha.
5. F-ino S. Dlouhá, Praha, Ĉeĥoslov.
6. S-ro Poolen, Rotterdam, Holandujo.
7. S-ro W. Kok. „ „
8. S-ro Gunia, Přívoz, Ĉeĥoslov.
9. S-ro Hedström, Gefle, Svedujo.
10. S-ro Fikrle Fr., inspektoro, Bratislava.
11. S-ro Geier, Dresden, Saksio.
12. S-ro Göll, Bodenbach, Ĉeĥoslov.
13. F-ino Broisdädt, Holzmünden.
14. S-ro Schrank, Kempten.
15. S-ro Pfeifer, Aschaffenburg.
16. S-ro Antonín Kubásek, Plzeň, Ĉeĥoslov.
17. S-ro Emanuel Kubásek, Plzeň, Ĉeĥoslov.

La nomitaj gefervojistoj refondis ne nur nian asocion, sed ankaŭ nian asocian kason. Oni kolektis en la sama kunveno sumon da 97,— ĉeĥoslov. kronojn. Kompreneble per ĉi tiu mono ni povis tuj nenion seriozan entrepreni. Pro tio la nomitaj fondintoj de IAEF reveninte hejmen de la XIIIa, ili komencis vigle varbi pluajn novajn membrojn. Ĉiu per sia propra varbmaniero. Mi devas aparte akcenti, ke el ni estis du sinjoroj eksterordinare diligentaj. Ili estas: S-roj Blažek el Olomouc kaj ĉefrevidento Adolf Kašpárek [nune Kvapil] el Praha. Ekzemple, S-ro inspektoro Blažek mem en la unua asocia jaro 1921/1922 alvarbis 52 da novaj membroj kiuj pagis en nian kason 636.— ĉeĥoslov. kronojn, S-ro Kašpárek-Kvapil alvarbis 85 novajn anojn kun 615.— membra kotizaĵo. Sekve, du homoj alvarbis en unu jaro 137 novajn membrojn kun 1253.— ĉeĥoslov. kronoj. La ceteraj 16 fondintoj kune kun aliaj fervojistoj alvarbis en la unua nia jaro 106 da novaj anoj kun 1400.— ĉeĥoslov. kronojn da kotizaĵo.

Sed bedaŭrinde dum tiu por nia asocio tiom grava tempo S-ro Kašpárek - Kvapil pro malsano rezignis je sia funkcio de vicprezidanto de Internacia Asocio de la Esperantistoj Fervojistoj kaj ĉesis tuj labori por ĝi.

Nun restis sole S-ro inspektoro Blažek por ĉiu laboro asocia, ĉar li estis ĝia animo. Ne estis tial mirinde, ke por unu homo tio estis tro granda fortostreĉado kaj S-ro Blažek ankaŭ rezignis je la sendanka funkcio de sekretaria ofico, esperante, ke nove elektita sekretario, la fervoja konsilanto S-ro Barvíř daŭrigos konscience same kiel li la komencitajn laborojn. Sed kia malagrabla surprizo por ni, kiam ni eksciis, ke S-ro Barvíř ne nur, ke li tute nenion faris, sed ankoraŭ konfuzigis per sia ignorado certan parton de nia anaro, kiuj pagis siajn kotizaĵojn nericevinte de la sekretario la necesajn membro-legitimaciojn entute. Pro tio ili komencis protesti, kaj kompreneble per tio ankaŭ enŝteliĝis inter ili iom da malkonfido kontraŭ ceteraj komitatanoj, ĉefe kontraŭ la kasisto.

Memkompreneble ankaŭ S-ro Adámek kiu interkonsentis kun S-ro ĉefrev. Kašpárek - Kvapil la eldonadon de Asocia revuo „La Fervoja Esperantisto" malutilis multe nian asocion per sia mistifikado. Laŭ decido de jarkunsido en Helsinki (1922) mi sendis al la eldonanto de „La Fervoja Esperantisto" S-ro Adámek la enkasigitan abonpagon de 890.— ĉeĥoslov. kronoj. Sed S-ro A. ricevinte de mi tiun monon eldonis neniun pluan numeron, pro malmulte da abonantoj certe li ne povis eldoni la 3an numeron kaj interrompis tute ĉiujn rilatojn kun ni. S-ro insp. Habellok mem faris eraron, rezignante je sia funkcio kiel prezidanto. Ĉi tiu cirkonstanco treege ekskuis nian pozicion t. e. ni staris nun en la okuloj de nia anaro en ne tro favora lumo. Niaj anoj konkludis: Se la estiminda prezidanto Habellok rezignas kaj al tio nia nove elektita sekretario konsilanto Barvíř ignoras tute la restantajn komitatanojn, certe en la asocio ne ĉio estas en ordo. Pro tio unu ano post la alia eksiĝadis de nia asocio, ĉar kiel jam dirite, ekregis kontraŭ ni ia malkonfido.

Amasa eksiĝo de 65 membroj ne estas natura afero. Krom tio ĝis nun ne pagis por la asocia jaro 1922/23 119 membroj, kvankam mi jam dufoje per poŝto ilin admonis.

Se vi volas estimataj gekolegoj, ke nia asocio inde vivu kaj nia oficiala organo „La Fervojisto" regule almenaŭ dumonate aperadu, ĉiu unuopa ano devas streĉi siajn fortojn, almenaŭ tiom, ke li ĉe grandaj komercaj entreprenoj kiuj rilatas kun la fervojoj elpetu anoncojn, kiuj helpos al ni pagi la preskostojn.

Plej bonan ekzemplon donis al ni S-roj Blažek kaj Kašpárek. Ni sekvu ilin en la varbmaniero de la unua jaro aranĝante kursojn por fervojistoj kaj ni varbu ilin samtempe por nia Asocio.

Estas urĝe necese ankaŭ, ke en ĉiu iom pli granda urbo de ĉiu lando estu almenaŭ unu fervora propagandisto, kiu farus la samon kio S-roj Blažek kaj Kašpárek faris kaj kiu kolektus kotizaĵojn por nia kaso. En tiu rilato faris grandajn servojn por nia asocio S-roj Morfini Gernando el Mantova, Italujo kaj lia samlandano Franco Ramolfo el Torino.

Estas ankoraŭ en Eŭropo multe da gravaj ŝtatoj kaj nacioj, en kiuj nia asocio ne havas ankoraŭ eĉ unu membron. Ekzemple en Hispanujo, Portugalujo, Turkujo, Grekujo, Jugoslavio kaj Magiarujo.

Kiel vi vidas, estimataj gekolegoj, atendas nin ankoraŭ multe da laboro. Pro tio revenonte hejmen, ĉiu serĉu en la gazetoj aŭ adresaroj esper. fervojistojn kaj skribu al ili senprokraste karton, kaj se eble varbu eventuale mem la konvenajn reprezentantojn por la landoj aŭ grandaj fervojaj centroj, kie ankoraŭ ĝis nun ne estas membroj.

Mi ripetas ankoraŭ unu fojon, aranĝu kursojn por la fervojistoj kaj varbu ilin tuj por nia asocio. Nia organo „La Fervojisto" estu por ili la „unua legolibro."

Nur per insista laboro de ĉiu nia ano ni sukcesos eldonadi regule fakrevuon kiu inde reprezentos nian IAEF.

Ni esperu kaj laboru!

*Emanuel Kubásek.*

*Nürnberg*, la 3an de aŭgusto 1923.

* * *

## Nomaro.
(Daŭrigo).

*Membroj, kies adresoj* publikigitaj en ambaŭ numeroj de malaperinta „Fervoja Esperantisto" [numero 1—65—183], en la 1a n-ro de „La Fervojisto" [de n-ro 184—261] kaj en la nuna „Oficiala Informilo" [de post n-ro 262...] *estis erare publikigitaj, anoncu tuj per p. k. la ĝustan adreson* al nia asocia kasisto E. Kubásek en Plzeň.

N-ro 262 *Geza Diovzegi*, Timiŝvare III., *Helvet*, Rumanujo.
263 *Rudolf Novák*, inĝeniero de tramvojo, *Plzeň*, Manesova ulice.
264 *Dominik Goliáš*, seruristo, *Nové Zámky*, výtopna, Slovensko, Ĉeĥoslovakio.
265 *Josef Drobil*, lokomotivestro, *Čes. Budějovice*, Riegrova 814.
266 *Hinrichsen Georg* en *Lilleröd*, trafik-kontroloro en Danmark, [ofica loko: Kopenhago].
267 *Pinbello Mario*, maŝinisto, *Mantova*, Vicolo Cedro, 2. [Italio].
268 *Arthur Lewin*, fervoja asistanto, *Stettin*, Grenzstr. 12, [Germanio].
269 *Rudolf Doegen*, fervoja aspiranto, *Stettin*, Schnellstr. 5.

## Zamenhof-monumento.

**Raporto de la Organiza Komitato al la XV-a Universala Kongreso de Esperanto, Nürnberg, aŭgusto, 2—8. 1923.**

La konkurso por la monumenta desegno okazis en Polujo, kaj rezultis ke 2 verkoj ricevis premiojn 1an kaj 2an, kaj kelkaj aliaj senditaj verkoj estis distingitaj. Bildoj de la du premiitaj verkoj aperis en „Esperanto" N-ro 289, Feb. 1923, kaj en „Revuo de Esp.-Triumfonta", N-ro 6, Aprilo 1923. Responde al invito en tiuj gazetoj de la Org. Kom., ke la Esperantistaro esprimu sian opinion kaj preferon al unu aŭ la alia projekto, alvenis multaj interesaj leteroj, kiuj montras preferon al la 1a verko 5; prefero al la 2a verko 4, kaj komisiono de tri arkitekturistoj kun du grupoj en Antverpeno, malŝato de ambaŭ verkoj 4.

Ĉar la Org. Kom. havis preferon al 2a verko, ĝi sciigis tion al la Loka Varsovia Komitato en letero 3. Decembro 1923. Sekvis longa korespondado en kiu estis diskutita ankoraŭ alia projekto, ne premiita sed distingita.

La Varsovia Kom. ankaŭ komunikis, ke estas urĝe necese fari tujan decidon, ĉar la tombo de la Majstro bezonas riparon, kaj se ni ne tuj konstruos la monumenton, la familio de la Majstro devos elspezi monon por la riparo. La Org. Kom. respondis, ke oni povas komenci la bazon de la monumento, kaj tiel eviti nenecesan elspezon por riparo, ĉar la sama bazo taŭgos ja por iu monumento elektota, kaj samtempe petis de la Varsovia Kom. sciigon pri la kosto de la proponitaj projektoj por posta definitiva decido.

La Organiza Komitato proponis sendi el Skotlando la granitön, kiu estas la plej bona kaj longedaŭra. Je la lasta momento, antaŭ la forsendo de tiu ĉi raporto, alvenis respondo el Varsovio: La aŭtoro de la 1a projekto, S-ro Lubelski, postulas

1. Por la pretigo de lia projekto kune kun fundamento kaj starigo sur la tombejo, £ 220 ĝis £ 240 sterl.
2. Por la sama, sed el alia materialo; Bavara Kalko — Bayerischer Muschelkalk — Kirchheimer Kernstein — al li liverota, £ 180 ĝis 200 sterl.
3. Tiuj sumoj estos altigitaj laŭ la altiĝantaj prezoj de la laboro kaj tiea materialo.

La aŭtoro de la 2a projekto, S-ro Breyer, tute ne respondis al kelkfojaj demandoj kaj ne donis definitivan prezon. Kredeble li ne havas tempon okupiĝi pri nia afero. Antaŭ kelkaj monatoj li postulis £ 300 sterl. Nova kunsido okazis de la Loka Varsovia Kom., kie estis unuanime decidita: 1. Definitive rekomendi al la Internacia Mon. Kom. la 1an projekton de S-ro Lubelski. — 2. Ĉar la projekto havas 4 flankojn, oportunajn por surskriboj, — proponi al la Int. Kom., ke ĝi rekomendu al Esp.-grupoj kaj privataj personoj aĉeti lokojn sur tiuj flankoj de la Mon., por ke ĉiu povu fari sian surskribon por certa sumo da mono. Tio estos duoble utila: ni ricevos monon kaj faros bonegan propagandon, se oni vidos multajn surskribojn de diversaj grupoj, eĉ ekstereŭropaj.

Dum la unua Kongreso okazis kunsido de la Internacia Komitato por la monumento kaj estis unuanime decidita:

1. Definitive akcepti la verkon de Lubelski, kiu ricevis la 1an premion, kaj senprokraste alpaŝi al la konstruigo de la monumento.
2. Ke la granito estu el Skotlando pro ĝia longa daŭreco.
3. Ĉiu teksto sur la monumento estu en la esperanta lingvo, escepte la nomo de la artisto.
4. Akcepti la proponon de la Varsovia komitato pri surskriboj de nomoj sur la flankojn de la monumento, kondiĉe, ke la nomaro estu kompleta antaŭ la oficiala malkovro de la monumento, kaj nur nomoj de Naciaj Societoj estu akceptatoj. La Org. Kom. ekzamenu la minimuman pagkondiĉon de ĉiu lando por rajtigo al surskribo.

*Financo.* Kvankam la fina decido pri la akceptita projekto estis sufiĉe grava kaj malfacila, la Org. Kom. esperas, ke finfine la problemo solviĝis je la kontenteco de la tutmonda samideanaro, oni ne povis atendi tro rapidan agadon en afero, kiu koncernas grandan aron da homoj kun diversaj opinioj kaj vaste malsimila gusto. La pli grava problemo tamen estas la financa, kiu en la opinio de la Org. Kom. iras multe tro malrapide. De la raporto de nia honora kasisto oni vidos, ke dum la lastaj dekdu monatoj ni sukcesis kolekti nur la sumon de ĉirkaŭ £ 78 sterl., kaj tion preskaŭ entute de Britaj Esperantistoj. Sendube la malbonaj ekonomiaj kaj monkurzaj kondiĉoj sur la kontinento de Eŭropo respondas multe por tio, sed la Org. Kom. ne povas esti ne surprizita je la ŝajna apatio de la Esperantistoj de tiuj landoj, kie la monkondiĉoj kaj la ekonomiaj cirkonstancoj estas en sufiĉe bona stato, kaj ankaŭ la esperantistaj centroj sufiĉe fortaj. Kvankam ni forsendis cirkulerojn al preskaŭ ĉiuj konataj Esp. Organizoj tra la mondo, multaj ne respondis.

La ĉefaj Esp.-gazetoj „Esperanto" de UEA kaj Esp.-Triumfonta, daŭrigis sian helpon dum la jaro per artikoloj, kaj por tio ni esprimu niajn sincerajn dankojn al ties redaktoroj.

*Oficeja Statistiko.* Periodo: de la komenco de la laboro:

| | |
|---|---|
| Leteroj ricevitaj | 287 |
| Leteroj forsenditaj | 220 |
| Cirkuleroj ktp. | 744 |

*J. D. Applebaum,*
Honora Sekretario de la Organiza kaj Internacia Komitato.

* * *

**Raporto de la honora kasisto.**

*Enspezo:*

| | | |
|---|---|---|
| Porto de 1922 | | |
| Mono en Kaso . . . . . | £ 3, 16, 9 | |
| Deponita en Banko . . . . | £ 47, 13, 6 | |
| | | £ 51, 10, 3 |
| Enkasigo en Brita mono de 4,093 kĉ deponita en Banko de Bohemio kun procentaĵo . . . . . . . . . . . . | | £ 23, 2, 10 |
| Enkasigo en Brita mono de alilandaj monbiletoj antaŭe raportitaj . . . . . . | | £ 13, 11, 5 |
| Mono ricevita interdume . . . . . . . . . | | £ 77, 14, 3 |

*Elspezo:*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Pagita por kuponkartoj kaj forsendo | £ 16, 4, 9 | | |
| Poŝtelspezoj ktp. . . . . . . . . | £ 4, 9, 4 | | |
| Saldo: | | | |
| Deponita en Banko | £ 143, 4, 11 | | |
| Mono en kaso . | £ 1, 19, 9 | £ 145, 4, 8 | |
| | | £ 165, 18, 9 | £ 165, 18, 9 |

| | | |
|---|---|---|
| Mono en Banko de Komerco en Lodz | Pol. Mk. | 95, 314, 30 |
| Mono en kaso ĉe la Kasisto . . . . | Germ. „ | 100, 000, — |

*Wm. Page,*
Honora kasisto, Edinburgh.

* * *

**Monkolekto.**

Bonvolu subteni la kason per mondonacoj aŭ per vendo de la Kupon-kartoj.

Sendu monon al hon. kas
*Wm. Page,* 31 Queen St., Edinburgh (Skotlando).

Adreso de la hon. sekr.
*J. D. Applebaum,*
11 Mayville Road Mossley Hill, Liverpool (Anglujo).

# Mondlingvo ĉe la Ligo de Nacioj.

## Intelekta Komisiono.

La Komisiono de la Ligo de Nacioj por Intelekta Kunlaborado, konsistanta el 11 scienculoj, filozoloj kaj literaturistoj sub prezido de S-ro Bergson kunsidis en Ĝenevo dum la tempo de la Nürnberga Kongreso kaj ekzamenis interalie kiamaniere ĝi volas trakti la problemon pri mondlingvo pri kiu la Ligo petis ĝian opinion.

Prof. Gilbert Murray, amiko de Esperanto, forestis pro malsano. S-ro Torres de Quevedo el Madrido, proponis, ke oni elektu subkomitaton por zorge kaj science esplori la tutan aferon alvokante spertulojn. Prof. de Reynold proponis, ke oni antaŭ ĉio ekzamenu ĉu la latina lingvo ne povus servi denove kaj ankaŭ petu la sekretariaron fari enketon pri Ido kaj Romanal. Post nelonga diskuto la plimulto decidis, ke la komisiono ne estas sufiĉe kompetenta por doni precizan respondon kaj entute ne sufiĉe ema por dediĉi tempon al funda esplorado. La jena teksto estis akceptita:

„La Komisiono por Intelekta Kunlaborado, ekzameninte la diversajn flankojn de la problemo pri internacia mondlingvo, ne opinias, ke estas ĝia devo rekomendi artefaritan lingvon al la atento de la ĝenerala kunsido de la Ligo de Nacioj. Ĝi ne neas la praktikajn avantaĝojn, kiuj rezultus el tutmonda alpreno de artefarita helplingvo. Sed ĝi opinias, ke ĝia klopodo devas celi antaŭ ĉio favori la studadon de vivantaj lingvoj kaj fremdaj literaturoj, ĉar tiu studado estas unu el la plej potencaj rimedoj por morala kaj intelekta alproksimiĝo inter diversnaciaj homoj, kio estas ja la idealo de la Ligo de Nacioj"

Nu, la esperantistaro ankaŭ ne neas la verecon de la lasta rimarko kaj ĝojas ke, interŝanĝe, la komisiono konfesas la avantaĝojn de artefarita helplingvo. Ĉar la estimataj filozofoj kaj scienculoj sentis sin nek kompetentaj, nek emaj pli profunde esplori la problemon, [estas multe pli bone, ke ili tion malkaŝe konfesis kaj ne fuŝis la aferon per kontraŭvola enmikso.

Ili do definitive mortigis la esperojn de Idistoj, Romanalistoj, Medialistoj, Nov-latinistoj ktp. kiuj atendis tiun jam de longe petitan „finan juĝon" pri la mondlingvo per scienca esploro. Ili lasas la vivon mem decidi per la faktoj. Tio signifas, ke de nun Esperanto tute simple iros sian vojon kaj daŭros disvastiĝi pli kaj pli en la tuta mondo kiel la praktika mondlingvo.

Post tiu respondo, la Ligo de Nacioj restas libera repreni la tutan aferon kaj akcepti iam pozitivan rekomendon por la instruado de Esperanto en lernejoj bazante sur la favora raporto, kiun ĝi jam akceptis en sia lasta ĝenerala kunsido. La afero revenos en la tagordon kiam iu ŝtatmembro tion proponos. Ĝis tiam Esperanto jam kreskos kaj ankaŭ ricevos helpon de la raporto. Kiam nova franca registaro estos preta subteni la aferon anstataŭ ĝin malhelpi, ĝi certe sukcesos per grandega plimulto. Ni do nun scias tre klare kion ni devas fari, ĉar la tuta mondo jam komprenas evidente, ke la studado de fremdaj lingvoj ja tute ne solvas la demandon, sed nur helpas en tre limigita maniero nombron da homoj ankoraŭ pli limigitan kaj tute ne la grandan plimulton de la laboranta homaro, kiu restas ekster tiu privilegia studado.

Ni devas konfesi, ke ni atendis nenion tre bonan el la Intelekta Komisiono kaj pro tio ĝia decido estas sufiĉe trankviliga.

Tamen estas necese aldoni rimarkojn pri la ne tute korekta sinteno de la komisiono aŭ de ĝia prezidanto, kiu rapidigis la tutan aferon ne kunvokinte spertulojn kiel oni faris por ĉiu alia temo studota. Interesa estis la rimarko de belga membro S-ro Destrée, ke li voĉdonus por Esperanto ĉe la plenkunsido de la Ligo, sed ne ĉe la Intelekta Komisiono. Pri la deziroj de laboristoj aŭ de komerco kaj turismo la komisiono ne volis interesiĝi, sed lasi tion al „ia ekonomia organizaĵo". Antaŭ ĉio plej urĝis kontentigi la francan ministron, kiu petis S-ron Bergson „forigi tiun ĉi aferon kiel eble plej frue". Nun do la afero estas entute en niaj manoj kaj ni scios ĝin sukcesigi.

# Esperantista Parolejo.

## Ĉekbanko Esperantista.

Pro juraj malfacilaĵoj rezultantaj el politiko, la financaj aferoj de H. F. Höveler [Ĉefeĉ] kiu estis germana civitano, ne povis esti solvitaj rapide.

Hodiaŭ S-roj Marcus & Francis, solicitoroj, 47, Broad Street Avenue, London E. C. 2, avertas ke „ĉiu persono kiu havas pretendon kontraŭ la havo de Herbert Frederick Höveler, loĝinta 78, South Side, Clapham Common, Surrey, mortinta la 30an de aŭgusto 1918... ktp. estas petataj alsendi plenajn informojn pri sia pretendo."

Ni do konsilas, ke ĉiu kiu posedas krediton aŭ debiton ĉe la Ĉekbanko Esperantista, kiu estis persona propraĵo de H. F. Höveler, donu kiel eble plej baldaŭ al S-roj Marcus & Francis je la supredonita adreso, plenajn detalojn per klara kaj legebla [prefere maŝinskribita] letero.

* * *

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de delegitoj.*

S-ino *Marie Baroch* el Slezská Ostrava (Ĉeĥoslovakio) kore dankas S-ron B. Kötz, del. en Leipzig, S-ron Ŝirola Branko, del. en Bakar (Jugoslavio) kaj S-ron R. Rupĉiĉ, del. en Split (Jugoslavio) pro plenumitaj servoj.

S-ro *Antonio Carbonell y Bosque* en Alciva (Hispanio) kore dankas S-ron Pierre Muffang en Bourg-la-Reine (Francio) pro havigo de libro.

S-roj *Quarone Giuseppe* kaj *Carena Carlo* el Voghera (Italio) korege dankas S-ron Josef Bauer, VD de UEA en Innsbruck; la gesamideanojn el Linz a. D.; kaj S-rojn R. A. Cech, VD de UEA; kaj Franz Polzer en Wien por bona akcepto dum ilia vojaĝo kaj restado en Wien.

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝo.** — Al Ge-roj *J. Kratochvilla,* instruisto en Sered (Slovakio) naskiĝis filo, nomita Nikolao.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Erik Andersson* el Malmö (Svedio) kun F-ino *Ellen Göranson.*

**Edziĝo.** — F-ino *Berta Hagmann* kun S-ro *Ulrich Zysset* en Gwatt bei Thun (Svislando).

# Niaj mortintoj.

**Joseph Humbel.** La C. O. de UEA funebras. Unu el ĝiaj oficistoj, S-ro Joseph Humbel, subite dronis dum li banis la 22an de julio en la lago de Genève, ĉe loko nomita „Pointe à la Bise". Tiu loko estas sendanĝera eĉ por nenaĝantoj sed laboroj estis komencitaj por akvokondukilo: nia samideano falis en truon pri kies ekzisto neniu skribaĵo atentigis, kaj li perdis la vivon.

Joseph Humbel estis 33-jara kaj laboris jam de tri jaroj en la C. O. Li estis tre laborema kaj sindona; valoran kunlaboranton oni perdas. Lia merito estis des pli granda ke unue pakaĵportisto en hoteloj kaj poste metalmartelisto, li akiris mem la necesan scion por fariĝi oficisto. Tiu lasta okupo tre plaĉis al li, ĉar ĝi pli rilatis je liaj fizikaj fortoj. Lia plej granda deziro estis edziĝi kiam la morto neatendite forprenis lin.

La Ĝenevaj esperantistoj ĉeestis la enterigon organizitan de UEA kaj deponis kronon sur lia tombo.

S-ro **Creston C. Coigne**, 22-jara, bone konata esperantisto el New York sin memmortigis. Lia fianĉino F-ino Stephanie Duda jus estis mortinta pro kormalsano, kiam S-ro Coigne iris al sia banĉambro, ŝlosis, malfermis la gastubon kaj baldaŭ mortis antaŭ ol oni estu suspektinta tion kaj rompinta la pordon.

S-ro D-ro **A. P. Klimek** en Tannwald - Schumburg mortis 65-jara la 28 junio. Li estis delegito de UEA. La grupoj de Tannwald kaj Gablonz perdas noblan amikon kaj fervoran propagandiston.

S-ino **R. Witteryck**, patrino de S-ro Witteryck, prez. de la Belga Ligo Esperantista mortis aĝa je 90 jaroj kaj 4 monatoj en Steenbrugge.

F-ino **Ganka Staneva**, ununura infano de nia del. en Sevlievo (Bulgario) mortis 16-jara pro kormalsano. Ŝi perfekte sciis la lingvon kaj propagandis ĝin.



D-ro **Pollen**. — La „British Esperantist" informas, ke la bone konata Kolonelo Pollen malaperis. Li restadis en Castletown, Insulo Man. La 18an de junio vespere li foriris por promeni, de tiam oni nenion aŭdis pri li.

Ni esperas, ke tiu mistera malapero estos baldaŭ klarigata kaj ni esprimas nian sinceran simpation al S-ino Pollen kaj ŝia familio.

*P. S.* — Lasthore ni ekscias, ke la korpo de Kolonelo Pollen estis bordjetita de la maro en Auchencairn, Firth Solway (Skotlando). Kolonelo Pollen estis 75-jara. Ĉiu rememoras lian rideton, humoron kaj specialan afablecon. Li estis alta civila oficisto en Hindio. En 1905 li fariĝis speciala korespondanto de „Daily Mail" en St. Petersburg. Prezidanto de la Brita Esperanta Asocio de 1904—1912 li akiris la simpation de ĉiuj esperantistoj kiuj lin renkontis. Kolonelo Pollen estis eminenta lingvisto kaj publikigis du verkojn pri rusa poezio.

Rimarkinde estas, ke broŝureto en Esperanto kun lia nomo John Pollen, troviĝante apud ĉeklibroj permesis certigi, ke la trovita kadavro estis la de pli ol 1½ monato malaperinta samideano.

Ni reparolos pri la vivo de D-ro Pollen en nia venonta numero.

**Johan Lorentz Normann**, distrikta policano en Saltdalen, Norvegio, mortis en sia 101½ vivjaro. Dum lia tuta vivo li interesiĝis pro multaj aferoj kaj estante 84-jara li ekstudis Esperanton. Du jarojn poste li sukcese partoprenis en stila konkurso en nia lingvo. Li estis certe la plej maljuna esperantisto en la mondo.

*A. A.*

**Vicente Zarin Garcia** mortis 18-jara en Cheste (Hispanio). La esperantistoj ĉeestis lian enterigon kaj nia delegito faris esperantan paroladon.

S-ino **Piatti**, patrino de S-ro Ippolito Piatti, del. en Milano.

F-ino **Anna Ŝarapova**. Nia movado perdis unu el siaj plej spertaj tradukistoj kaj unu el siaj plej altaj idealistoj. F-ino Anna Ŝarapova, loĝinte en Onex apud Genève, lernis Esperanton en 1906 tuj post la 2a Internacia Kongreso. En ĉiuj okazoj ŝi konigis kaj instruis la lingvon. Malgraŭ sia sufiĉe alta aĝo ŝi estis unu el la plej regulaj ĉeestantinoj de la grupaj kunvenoj kaj estis ĉefe talenta kaj persisthava tradukistino. Ŝi tradukis esperanten multajn rakontojn de rusaj literaturistoj kaj artikolojn pri edukado kaj socia vivo. Bedaŭrinde la pli multaj el ŝiaj laboroj ne estis presitaj. Aperis en Riga ŝia traduko *La morto de Ivan Iljiĉ* de L. Tolstoj kaj en Moskvo tri broŝuroj de sama aŭtoro: *Unu animo en ĉiuj, Unua Ŝtupo* aŭ *Senmortiga Nutrado, Dio, unu por ĉiuj* aŭ *La Surata Kafejo*. Ŝi kunlaboris al „Esperanto" kaj al aliaj gazetoj kaj legis ĉe la grupkunvenoj tradukojn el la verkoj de Gogol, Krilov, Ĉeĥov, Gorki, Andreev kaj aliaj rusaj aŭtoroj malpli konataj eksterlande. Ŝi estis vera vegetaranino kaj aplikante la vortojn „Ci ne mortigu", ne nur pri la manĝo, ŝi uzis nenion ledan, marŝante eĉ vintre en la neĝo nur piedvestita per pantofloj kaj kaŭĉukaj galoŝoj. Ĉiam gaja, entuziasma, konservanta junan karakteron, ŝi posedis maloftan animon kaj kvankam neriĉa helpis aŭ gastis blindulojn aŭ malfeliĉulojn.

Antaŭ tri jaroj ŝi reiris al Ruslando kaj loĝis en Kolonio Armand en Puŝkino. Ni eksciis, ke manĝaĵojn senditaj al ŝi de Ĝenevaj esperantistoj dum la malsato, ŝi disdonis al aliaj. Ŝi ĉiam pli atentis pri la bono de siaj kunvivantoj ol pri si mem. Multaj esperantistoj rememoros tiun belan animon.

**Richard Sharpe**, aŭtoro de la „Travivaĵoj de Ro-Ŝo", aŭtobiografio, aperinta en 1913, mortis 79-jara en Coggeshall (Anglio). Lia verko, en kiu li rakontas vojaĝojn kaj aventurojn en Eŭropo kaj Ameriko, enhavas tre amuzajn rakontojn en kiuj Esperanto kelkfoje ludas rolon. Tiu libro kaj lia ĉeesto en ĉiuj internaciaj kongresoj (ĝis 1921) igis S-ron Sharpe unu el la plej konataj britaj esperantistoj. Li tre interesiĝis pri gramatikaj demandoj kaj korespondis pri tio kun D-ro Zamenhof. Pluraj el ili aperis en la esperanta gazetaro.

**John Ellis**, kolego de Joseph Rhodes, mortis 60-jara. Li estis unu el la unuaj britaj esperantaj pioniroj, unua sekretario de la grupo de Keighley. Li fariĝis L. K., skribis multajn artikolojn pri Esperanto kaj ĉeestis plurajn kongresojn. Oni multe aludis pri lia laboro por nia movado en la jus aperinta biografio de Joseph Rhodes.

## AL LA ANONCINTOJ.

Pro la foresto de la plimultaj oficistoj kiuj libertempis aŭ ĉeestis la kongreson ĉiuj ricevitaj anoncoj ne povis aperi en tiu kongresa numero.

La mankantaj aperos en oktobro.

*C. O. de UEA.*

**! Nia proksima numero aperos — en oktobro — !**

## AMUZO KAJ ŜERCO

Verkis: *Alessandro Mazzolini*, Firenze (Ital.).

1.
**Klara demando.**
Kiel oni en frukto fariĝas pioniro?

*

2.
**Veturigist' infera.**
En hejma best' internaĵo de krono: jen ŝipveturigist' de Akerono.

*

3.
**Knaba enigmo.**
L' unua estas dia; en demono la dua: la tutaĵo reĝornam' estas kia?

*

4.
**Fortranĉo.**
Kiu urbeg' de Germanlando, se senigita de sia centro iĝas urbego de Svislando?

*

5.
**La Patruj' de l' Sardino.**
Kie naskiĝis vi? — Mi al Sardino demandis. Ĝi al mi: Mia patruj' konsistas el renversita eco kaj el lag' svis-itala senverbigita.

*

6.
**River' poetiĝanta.**
River' de Itallando etiĝinta signifas „de versaĵoverkisto“.

*

7.
**Eningigo.**
Kiu urbo aperas se vosto, sed sen kapo kaj sen vosto, estas eningigita en muziknoto?

*

8.
**Nasko de urbo.**
Kiel ni en elspir' rapida, brua, naskas urbon afrikan sur Mediteraneo?

*

9.
**Best' mariĝanta.**
Ĉu estas ega best', kiu sekvata de konsonanto fariĝas maro de Norda Eŭropo?

*

10.
**Kaptranĉo.**
Amas min la frandemuloj; fortranĉinte mian kapon amas min la scienculoj, kaj la kamp' de agad' mia iĝas tia, ke ne havas ĝi plu limojn: en ĝi estas eta ero ĝis la tero!

*

11.
**En Sudazio.**
Pronom' l' unua; inklin' pasia estas la dua; en Sudazio estas la ĉio.

*

12.
**Aper' de montego.**
En orienta part' de horizonto vere estante, aperanta jen de Azi' ega monto.

*

13.
**Renversiĝo.**
Radik' de vort' diaĵa renversita de urb' radiko iĝas, de urb' kuŝanta inter du kontinentoj kaj du maroj.

* * *

*Solvoj en la proksima numero.*

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 83.**
*B. G. Laws*, London.
(Originalo).



Blanko matas per la **2-a** movo.

**Problemo N-ro 84.**
*P. Morphy*.



Blanko matas per la **2-a** movo.

**Problemo N-ro 85.**
*K. A. L. Kubbel.*
(Szachista Polski 1921).



Blanko matas per la **3-a** movo.

**Problemo N-ro 86.**
*R. Svoboda*, Praha.
(Originalo).



Sinmatigo per la **7-a** movo.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 75: S. Frantz, Paris; 75, 76, 78: H. Sentis, Grenoble (Franc.): 75, 76: R. Koerselman, Voorst (Nederl.); 76, 77: O. Poláĉek, Praha; 75, 76, 77, 78: W. Chmellarz, Teplitz-Sch., T. Sika, Praha (Ĉeĥ.)

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 79:** 1. Ĉe 4, Re 6, 2. Ĉg 5 +, R f 6, 3. Dd 8 mato.<br>
Rd 5, 3. Ke 4 „<br>
Ĉd 3, 2. Dc 4 +, R×c4, 3. Ka 2 „<br>
g 6, 2. Dd 8 +, Rc 4, 3. D×g8 „<br>
Re 6, 3. Ĉg 5 „<br>
Rc 6, 3. Dd 6 „<br>
K.f 7, 2. Dd 7 +, Rc 4, 3. D×f7 „<br>
Ke 6, 2. Dd 6 +, Rc 4, 3. D×e6 „

**N-ro 80:** 1. Da6, R×a3, 2. Ĉc 5 mato.<br>
b×a4, 2. Dd 3 „<br>
b×a3, 2. D×b 5 „

**N-ro 81:** 1. Ĉb 5, a×b 5 +, 2. Rc 3, b 4 +,<br>
3. Rc 4, b 3, 4a × b 3 mato.

**N-ro 82:** 1. Dh 8! b 4, 2. Kg 7, b 3, 3. Kb 2, b × c2 mato.

*Korespondoj kaj rimarkoj:*

S-ro Chmellarz sciigas por la probl. 77 de S-ro Frantz antaŭulon: S. Loyd Bl. Rh 3, Kd 5, f 6, Ĉh 6, Pd 2; Nig. Rf 4, Pd 5 mato per la tria, 1. Kh 1, d 3, 2. Rg 2, Re 4, 3. Rg 3 mato. — S-ro Bailey. Pro la malgranda ludpovo de la bl. D en la laste alsendita trimovulo estus rekomendinde igi la D kapteblan. La rezultanta varianto estus pli pura, gajnante je ŝparemo materiala. Ph 4 estus eble anstataŭebla per T. — S-ro Chmellarz indikas por la probl. 70 jenan definitivan pozicion: Bl. Ra 1, Dd 7, Td 1, Kg 2, Ĉa 2, b 1, Pa 5, c 2, e 2, e 4, h 2, Nig. Rc 4, Pa 3, a 6, a 7, c 5, e 3, h 4, h 5. Sinmatigo per la sesa. —

# REKLAMO

Nur anoncoj kun *samtempa* pago estas notataj. Ni akceptas la anoncojn laŭ la disponebla loko kaj ne povas garantii la aperon en difinita numero. Ni ne sendas pruvnumerojn kaj rekomendas al la anoncantoj aboni nian gazeton. Ni ne akceptas respondecon pri la sekvoj de anoncoj.

## TARIFO.

### Oficialaj prezoj en svisaj frankoj.

1. **Korespondado:** Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj) Fr. sv. 0.75. — Por ĉiu plia linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50. En naciaj prezoj 2/3 de la prezo de unu enskribo.
2. **Petoj kaj Proponoj. — Internacia Komerco:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50.
3. **Grandaj anoncoj:** Unu kolono-larĝeco Fr. sv. 2.00 po centimetro da alteco.

### Naciaj prezoj por la 3 kategorioj.

**Aŭstrio:** Kr. 2000, 2000, 12 500. **Belgio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Britio:** Ŝ. -|6, -|5, 1|6. **Bulgario:** L. 10, 8, 40. **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 2.50, 2.—, 7.50. **Danio:** Kr. 0.75, 0.50, 2.—. **Estonio:** Mk. 20, 15, 50. **Finnlando:** Mk. 5, 4, 12. **Francio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Germanio:** Mk. 600, 500, 10 000. **Hispanio:** Pes. 1.—, 0.75, 2.50. **Hungario:** Kr. 150, 120, 500. **Jugoslavio:** D. 4, 3, 15. **Italio:** L. 2, 2, 6. **Latvio:** Lat. 0.30, 0.25, 2. **Litovio:** Lit. 0.50, 0.50, 2.—. **Nederlando:** G. 0.35, 0.25, 1.—. **Norvegio:** Kr 0.80, 0.60, 2.—. **Polio:** Mk. 1000, 800, 12000. **Portugalio:** Esk. 2.—, 1.50, 5.—. **Rumanio:** L. 12, 10, 50. **Ruslando:** Sv. fr. 0.30, 0,25, 2.—. **Svedio:** Kr. 0.60, 0.40, 1.50. **Svislando:** vidu oficialajn prezojn. **Usono kaj Kanado:** D. 0.15, 0.10, 0.40.

## KORESPONDADO.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-ajo = *Esperantaĵo.*

Atentigo!

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Bulgario.

**Nevrokop.** — S-ro Damjan A. Baŝev, juĝisto, L, PI k. ĉ. l.
**Nevrokop.** — F-ino Rosica Botkova, instruistino, L, PI k. ĉ. l.
**Ruse.** — S-ro Konstantin Vassilev, Andreevai ulica 1, PM, nur vendas kolektojn.

### Ĉeĥoslovakio.

**Písek.** — S-ro Jan Huttar, studento, Nádražní tř. 387, L, PK k. ĉ. l.
**Plzeň 1.** — S-ro Ferdinand Votrubec, poŝtkasisto, L, PI, bfl k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Boža Koudelová, Ronovská ulice, PI k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — S-ino Anděla Prošková, L, PK, PI k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Manjo Rosendorfská, L, PK, PI k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Vlasta Pohořelá, placo 39 L, PK, PI k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Jarĉa Rozová, L, PK, PI k. ĉ. l.
**Rychnov n. Kn.** — S-ro Ladislav Šimerda, N-ro 446, PI k. ĉ. l. pri muziko.

### Danzig (Liberŝtato).

**Danzig.** — Leo v. Kiedrowski, Langgarten 81, dezirus ricevi tre bonajn precipe latvajn, litovajn, estonajn, rusajn, ukrajnajn, aŭstriajn PM kaj ĉiajn monerojn. Mi alsendus PM laŭ deziro danzigajn, germanajn, polajn kaj monbiletojn. Sendu ne malpli ol 100!

### Francio.

**Bordeaux.** — S-ro André Mialhe, 18, rue Esprit des Lois, L, PI k. ĉ. l., por reciproka perfektiĝado en la lingvo,
**Chalon-sur-Saône (S.-et-L.).** — S-ro Buisson-Monard, 4, quai Sainte-Marie, PM ne malpli ol 150.
**Châteauroux (Indre).** — S-ro Bernadaux, 7, rue Bourdaloue, PI.
**Dijon.** — S-ino B. Zaegel, 61, rue Marceau, PI, PK k. ĉ. l.
**Saint-Donat (Drôme).** — S-ro Egalité Faisant, place des Terreaux, PI k. ĉ. l.
**Strasbourg.** — S-ro Fred Spindler, stud. med., 8, r. de l'Observatoire, L, PI (precipe kun gestudentoj).

### Germanio.

**Breslau 10.** — S-ro G. Habellok, Schleiermacherstr. 19, papermonon k. ĉ. l. Sendas ankaŭ monerojn, PM. Ne sendas unue.
**Breslau 18.** — S-ro Kurt Bujakowski, Gabitzstr. 166, k. ĉ. l. PI, PM, papermono.
**Dresden-Dobritz.** — S-ro E. Friebel, instruisto, Residenzstr. 24, I. PI, L ĉiutemaj k. ĉ. l., preferas nur seriozajn gekorespondemulojn ĉiaprofesiajn.
**Elberfeld.** — S-ro Joh. Janssen, Lärchenstr. 51, PI, bfl, PM.
**Frankfurt a. M.** — S-ro C. Hildebrandt, Göringstr. 1, III, PM, rifuzas senvalorajn PM.
**Harburg (Elbe).** — S-ro W. Rusch, Talstr. 4, L (pri okultismo, prefere kun oriento) PI k. ĉ. l.
**Harburg (Elbe).** — S-ro Franz Hieronymus, Bremerstr. 57, PI, L, prefere kun Skand., Rusio, baltaj kaj ekstereŭropaj landoj.
**Kötzschenbroda.** — S-ro Plagge, Mathildenstr. 1, L, PM, PI k. ĉ. l.
**Pirna a. E.** — S-ro Paul Reimann, Gross. Sedl. Str. 17, L, PI, PM k. ĉ. l.
**Syke bei Bremen.** — S-ro H. Lange, Bassumerstr. 131, PM (ankaŭ laŭ mankolisto), PI, bfl k. ĉ. l. Havas krom Germanio (flugpoŝta, serva) ankaŭ Danzig (50 div.), Bavario, Sarre I.
**Wurgwitz-Dresden.** — S-ro A. Wolf, komercisto, 5, P, PI, L, PM, monerojn, monbiletojn kun eksterlando.

### Hispanio.

**Barcelona.** — S-ro José Coll, Calle Pujadas 90-1-2, PI.
**Barcelona.** — S-ro Daniel Gisbert, Calle Cataluna -30- Bajos, PI.
**Barcelona.** — S-ro José Gorriz, Calle Taulat 71-2-2, PI, L, PM k. ĉ. l.
**Nerva (Huelva).** — S-ro Gaudencio Vásquez, komercisto, calle Jaime Vera 26, kun komercistoj el ĉiuj landoj dezirantaj importi komercaĵojn en Hispanion.

### Hungario.

**Kaposvár.** — F-ino Heleno Medveczky, Berzsenyi 20, kun ekstereŭropanoj.
**Kaposvár.** — S-ro Ludoviko Heimlich, Kontrassy 9, L, PI, PM po 50—100.

### Italio.

**Genova.** — S-ro Elio Garello, Piazza Carignano 14-5, PM k. ĉ. l.
**Pisa.** — S-ro Cesare Moschini, Casella Postale 1, PI papermonoj k. ĉ. l.

### Jugoslavio.

**Novi-Sad.** — S-ro Stefano Klenk, Nemačka ul. 14, PM krom Hung., Germ., PI, bfl k. ĉ. l.
**Novi-Sad.** — S-ro Eugen Römer, Laze Telečkoga ul. 24, PM, PI, bfl, fot-aĵoj.
**Novi-Sad.** — S-ino Babet Csauth, Petefijeva ul. 3, PI, bfl, PM, krom Germ., Pol., Ĉeĥ.
**Zemun.** — S-ro Br. Rajšič, Kralja Petra 44, PM, PI kun ekstereŭropanoj.

### Pollando.

**Bydgoszcz.** — S-ro St. Fethké, Petersona 11, PM, L pri bankaj aferoj.
**Kolomea.** — A. Karatnyckyj, Jahajlonska 40, PI, PM k. ĉ. l.

### Svislando.

**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la jurista Societo „La Difesa", via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp.-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj ktp.).

### Ameriko.

**Buenos-Aires (Argentino).** — S-ro Eladio Vitienes, Victoria 1353, PI, L (en franca lingvo ankaŭ), portretoj kun fraŭlinoj.
**Rosario de Santa Fé (Argentino).** — S-ro J. E. Mayorga, Colon 1366, PI, L k. ĉ. l.

### Azio.

**Osaka (Japanujo).** — S-ro Masa Mizutani, Juatono, Kontonfadena Magazeno, Semba P. O. Kunai, L, PI, gaz.

## PETOJ KAJ PROPONOJ.

Al ĉiuj verkistoj-tradukistoj! Oni serĉas lertajn kaj persistofortajn tradukantojn por modernaj romanoj el Esperanto en naciajn lingvojn. Adresu: Fethké, Bydgoszcz, Petersona 11 (Polio).

---

Angla mono pagota (granda sumo) por ekzemplero de la Ostronier-aj Testamentoj en rusa lingvo, la Vostokov aŭ faksimilo. Skribu al Hirst, 19 Lion Chambers, Huddersfield, Anglujo.

**Atentu!** Por 150 bonaj diversaj PM, mi sendos rapide stampilon nur kun via nomo; por 300 diversaj, tutan adreson. Ankaŭ interŝanĝas PM. Buisson-Monard, 4, quai Sainte-Marie, Chalon-sur-Saône (Francio). Ĉiam valora.

**Atentu!** Eksterlandanoj, kiuj intencas aĉeti PM de tuta Germanio, malnovaj aŭ novaj, Bayern, Danzig, germana okupo dummilita ktp. Skribu al Joh. Janssen, Elberfeld, Lärchenstr. 51 (Germanio).

**Edziĝo.** — Fraŭlinoj kaj vidvinoj! Mi estas vidvo, 43 jara, havas 19 jaran filon kaj deziras konatiĝi kun fraŭlinoj kaj vidvinoj en ĉiuj landoj, eble farmistinoj, ĝis 45 jaroj. Otto Benedix, Leipzig-Gohlis, Georgstr. 27, Germanio.

**Fideian amikinon** serĉas junulo 23-jara, muzikamanto, ludas fortepianon, pensas tute internacie. Arthur Gitzinger, Dorperstr. 27, Solingen (Rheinland), Germanio.

**Filatelistoj.** Kontraŭ 20 fr. Fr. vi ricevos belan kolekton de 100 ordigitaj diversaj, malnovaj, novaj kaj militaj bulgaraj PM. Mi sendos por elekto kontraŭ mondepono aŭ bonaj rekomendoj. Mi vendas ĉiuspecajn bulgarajn PM. Mi ne interŝanĝas. Konstantin Vassilev, Andreeva ul. 1, Ruse (Bulgario).

**Filatelistoj!** Kontraŭ 100—1000 poŝtmarkoj samlandaj mi sendos samkvanton de Hispanio laŭ Yvert 1923. Gabriel Alomar, Prezidanto de „Esperantista Klubo", Vallori 14, Palma de Mallorca, Hispanio.

**Filatelistoj.** Mi nur vendas diversajn bonajn PM. Al demandoj bonvolu almeti afrankon. Precipe de germanaj kolonioj kaj surpresoj ekzemple: Südwest-Afrika, valoroj 1913 kontraŭ altoferto ktp. Gerhard Schubert, Breslau, Brandenburgerstr. 21 (Germanio).

**Francoj,** svisoj, belgoj! Kiu havigus por 20-jara junulo, fininta komercan ĉeflernejon, (parolas france), oficon ĉe banko aŭ alia entrepreno? Skribu al Ludoviko Totsche, Váci-utca 79, Budapest IV (Hungario).

**Juristoj!** Mi petas skizajn informojn pri la leĝaj punoj kontraŭ moralo, speciale adulto, sekreta kaj ŝtate tolerata prostitucio. D-ro Adolf Halbedl, Graz, Schulgasse 24 (Aŭstrio).

**Kiu** samideano helpus al vestaj-tranĉisto por sinjorinoj trovi oficon eksterlande! Li jam laboris du jarojn en Zürich. Joh. Simon, Friedrichstr. 26, Nowawes bei Berlin (Germanio).

**Kiu** sendos al mi francajn librojn (de gravaj romantikaj kaj klasikaj aŭtoroj) tiu ĉi ricevos interŝanĝe belegajn Pl aŭ polajn librojn. L. Kubisa, II. Aleja 32, Czestochowa Polio.

**Kolektantoj.** Sendu 100 aŭ pli elektitajn PM precipe samlandajn kaj laŭ valoro vi ricevos rekomendite bonajn esperantajn pipojn. A. Caire, pipfabrikanto, Poyat 20, St. Claude, Jura Francio.

**Latvaj PM.** Filatelistoj, mi prizorgas ĉiujn kursirantajn (neŝtampitajn) latvajn PM. Kontraŭ pago de la nomvaloro plus 25 proc. kaj sendkostoj. Sendu monbiletojn de via lando rekomendite O. Striedters, Ehrglos (Latvio).

**Ostronier Testamentoj.** Oni aĉetus bonpreze ekzemplerojn en rusa lingvo, Vostokov aŭ faksimilo. Skribu al Hirst, 19 Lion Chambers, Huddersfield (Anglujo).

**Pensiono** „Esperanto" Wien IV, Argentinierstr. 53, ekzistas jam 10 jarojn, malgraŭ tio ĝi gastigis nur malmultajn samideanojn. Tial ni invitas la Wien trapasontajn samideanojn loĝi tie.

**PM, PI,** monerkolektojn, fotografilon vendeblajn. Detalajn informojn pri enhavo de la kolektaĵoj sendos kontraŭ respondkupono: Paul Reimann, Gross-Sedlitzer Str. 17, Pirna a. Elbe (Germanio).

**Senkulpigoj.** Adam Sochacki, instruisto, Dzviniač p. Dupliska (Pollando), petas pardonon pro ne respondo. De 24. aprilo vojaĝas kaj ne havas fiksan adreson kaj iros baldaŭ Amerikon. Tiam li donos novan adreson en „Esperanto" kaj rekomencos korespondi. Petas legeblajn adresojn.

**Virinoj.** S-ro Louis Larson, Box 250, Boston, Mass. Usono, dez. kor. pri nuntempa stato de virinoj en Eŭropo, ekonomia, politika, morala, ankaŭ kiel kaj kiom ĝi estis ŝanĝita pro la milito.

**Zaleszczyki** (Pollando). Kiu el miaj amikoj apartenas al UEA bonvolu presigi sian nomon kaj membronumeron en la proksima numero de „Esperanto". Adam Sochackyj.

## INTERNACIA KOMERCO

**Dezirante** interrilati kun eldonejoj kaj vendejoj de esperantaĵoj, ni petas ke ili sendu al ni siajn katalogojn kaj prezarojn. Viuda e Hijos de Colmena, Avenuo Simón Bolívar 98, Habana, Cuba.

**Importo — Reprezentado — Eksporto.** Schernikau & Co., Schleusenstr. 4, Frankfurt a. Main (Germanio), firmo fondita en 1902, peras ĉiuspecajn negocojn, korespondas angle, esperante, france, germane, itale. Posedanto estas malnova samideano.

**Konstantinopola Komercservo.** Adreso: W. Zielinski, Galata, Pantelejmonhan, Konstantinopolo. Ĉiuspecaj komercaj aferoj kaj informoj. Eksporto de enlandaj produktaĵoj: lano, kotono, tabako, opiumo, sekaj fruktoj, nuksoj, orientaj frandaĵoj.

**Ornamaĵproduktanto** serĉas komercajn rilatojn kun importistoj kaj vendistoj de Gablonzaj artikloj. Mi liveras ĉiujn artiklojn, prizorgas aĉeton kaj informas senpage pri komerco. Rudolf Lang, Augasse 67, Gablonz a. N., Ĉeĥoslovakio.

**Paperfabriko** Franz Kromer, Troppau (Ĉeĥoslovakio), liveras ĉiuspecajn paperojn kaj paperaĵojn plej rapide kaj plej malkare. Petu specimenojn kaj prezojn alsendante modelojn.

**Teksaĵoj.** J. Kunert, Troppaŭ, Ĉeĥoslovakio, grandkomercisto kaj reprezentanto de jutvarkotonaj- kaj trikaĵfabrikistoj ofertas plej malmultekoste ĉiujn artiklojn de tiuj ĉi branĉoj.


# La Centra Oficejo de UEA

12, Boulevard du Théâtre, Genève

**deziras**

akiri la libron de *Couturat & Leau:*

**„Histoire de la Langue Universelle"**

Proponojn oni sendu al ni!

# VORTAROJ:

Eugen Wüster

**Maŝinfaka Esperanto-Vortaro**

**Prielementa**

(La maŝinelementoj; maŝinoj; plej gravaj esprimoj el la konstrukciado kaj teknologio.)

Germana eldono

esperanta-germana k. germana-esperanta kun nombroreferencoj

**XIV, 89 paĝoj; bele kartonita eldono 2.50 svis. Fr.**

Ĉi tiu volumo, kiu prezentas nepre necesan komplementon al ĉiuj vortaroj kunigas sur malplej granda spaco esperantan-germanan kaj germanan esperantan vortarojn. Tiu teknika vortaro estas verko, kiu konvinkos, same kiel la Enciklopedia vortaro de la aŭtoro, la plej skeptikajn sciencistojn pri la valoro de nia lingvo por sciencoj kaj teknikaj laboroj ĉiuspecaj. Ĉiuj fakuloj havigu al si tiun fonton de vortmaterialo — ĉiu grupo posedu ĝin en sia biblioteko!

**En Julio aperis:**

Eugen Wüster

**Enciklopedia Vortaro**

**Esperanta-Germana**

*Kun la enkonduko: Strukturo kaj disvolvo de Esperanto.*

**Unua Parto:** 160 paĝoj, formato 15 × 23 cm. Literoj A-Ĉ.

**Prezo: 2 dolaroj por mezvalutaj landoj**

**3 dolaroj por bonvalutaj landoj.**

Laŭ egalvalora sumo en alia monunuo.

**La malbonvalutuloj postulu la prezon de la eldonejo.**

**Prospekton kun specimenaj paĝoj laŭ peto senpage.**

**Antaŭmendu jam nun la duan parton.**

**Ferdinand Hirt & Sohn — Esperanto-Fako — Leipzig**

**Ĉiu komencanto kaj progresinto**

en Esperanto abonu je

**„ESPERANTO-PRAKTIKO"**

Instrua kaj literatura gazeto monata

por perfektigo en la Lingvo Internacia

Enhavo: Modelaj legaĵoj diversspecaj (precipe bone redaktitan literaturan parton), prilingvaj diskutoj, bibliografio, enigmoj kaj problemoj ktp.

Fondinto kaj ĉefredaktoro: Friedrich Ellersiek

**Specimena numero 1 resp.-kup.**

Abonprezon petu ĉe la eldonejo.

**Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, G. m. b. H.**

**Berlin SW. 61, Wilms-Str. 5 (Germ.)**

*Ĉiu literatur-*
*kaj artamanto devas*
*koni la revuon*

## *Literatura Mondo*

*Petu specimenon,*
*sendante 0.80 Fr. sv. aŭ*
*egalvaloron al la redaktejo:*
*Andrássy ut. 81, Budapest VI (Hungario)*

*Enhavo de lasta numero:*

*Du Pinarboj* — Teo Jung
*La Virinmalamanto* — Lode Baekelmans
*Maja Idilio* — K. de Kalocsay
*Hebrea Infano* — Salom Asch
*Dobra* — Alfred Lord Tennyson
*Kial havas la vulpo longan voston?* — A. I. Odobescu
*Modernaj Robinzonoj* — Th. Schwartz
*Mortemulo* — Marie Under
*Mondliteratura kaj arta observo*
*Bibliografio*
*Muzikaĵo: Maja Idilio*
*Reproduktaĵoj de 4 skulptaĵoj, 3 pentraĵoj kaj 1 desegno*
*Portreto de D-ro Leon Zamenhof*



La sola
semajna internacia gazeto,
redaktata ekskluzive en Esperanto, estas

## ESPERANTO TRIUMFONTA

Aperas depost 1920 regule kaj ĉiusemajne
en granda ĵurnala formato.
Presata sur bona papero.
Aktuale ilustrita.

Senpagaj monataj aldonoj:

**„Internacia Komerco"**
(praktika)

kaj 16-paĝa
**„Revuo"**
(literatura kaj popolscienca)

Petu senpagan specimenon de la administrejo de la
**ESPERANTO TRIUMFONTA**
**HORREM BEI KÖLN (GERMANLANDO)**


# La pacema rekonstruado de la mondo

## Jen la celo de la Unisma Federacio per Unuiga Kooperativa Metodo!

Aludante al la industria problemo, antaŭ kelkaj jaroj verkisto konstatis, ke la mondo bezonas novan ideon kiu povos liberigi la popolan menson por originala kaj sendependa pensado. Estas la deĵorado de la ĵus fondata Unisma Federacio disvastigi edukade tian ideon por rapide kreskigi nacian kaj internacian unuecon. La ideo mem estas facile komprenebla de ĉiuj kiuj interesiĝas sin pri politikaj kaj industriaj aferoj kaj kiuj samtempe plene komprenas, ke pacema ekonomia rekonstruado estas necesa por enkonduki sendanĝeran mondpacon.

La Federacio prenas sian titolon de nova vorto — la Unismo — kiu esprimas la principon de kooperativa laboro inter la subtenantoj de la individualismo kaj la kredantoj de la socialismo. Ĉar, rilate al la demando pri la posedo kaj kontrolo de la industria kaj komerca maŝinaro, oni klare rimarkas tutmondan pretigon de potencaj grupoj por decidigo aŭ per leĝaj rimedoj aŭ per metodoj militemaj. La individualistoj intencas, ke la produktado kaj distribuado restu sub kontrolo de privataj personoj kaj grupoj. La socialistoj insistas, ke ĉi tiuj funkcioj estu kontrolataj iamaniere de la ŝtato aŭ komunumo. La popoloj diverslandaj estas dividitaj laŭ siaj propraj opinioj. Dume pro militoj, maltrankviligoj kaj necerteco la industrio kaj komerco ne sufiĉe kontentigas la homojn rilate al bezonoj ĉiutagaj.

La Federacio sugestas, ke efika metodo por atingi nacian kaj internacian kunlaboradon estas trovebla per kunligo de la principoj de la individualismo kaj de la socialismo t. e. per la Unismo, kiu liveras la jenan kooperativan kompromison:

a) La Individuo devas produkti.
b) La Komunumo devas distribui.

Jam ekzistas bona kaŭzo kredi, ke la plimulto da personoj povos interkonsenti pri la kontrolo de la industrio laŭ tiu ĉi formulo — almenaŭ dum la kriza periodo de mondrekonstruado.

a) Signifas, ke la popolo konsentos, ke ĉiaj produktivaj industrioj estu starigitaj, organizitaj kaj disvolvigitaj per privata mono-kapitalo kaj per la energioj de privataj individuoj aŭ grupoj. Individuoj, publikaj akciaj kompanioj, kooperativaj produktivaj societoj, metiaj sindikatoj kaj aliaj tipoj de produktantoj tiel daŭros eksperimenti. Paŝo post paŝo solviĝos la malsimplaj problemoj de interna organizado kaj de direkcia kapableco.

b) Signifas, ke la komunumo protektos ĝustmaniere ĉiujn produktantojn kaj konsumantojn per sistemo scienca de distribuado. Laŭ tiu ĉi aranĝo ĉiaj funkcioj de disdonado, konservado kaj transportado estos komunume aŭ ŝtate kontrolitaj. Kiel gravaj eksperimentoj kaj spertoj jam pruvis oni povos fari uzon de la senperaj metodoj de spertulo kiel S-ro Hoover, samtempe utiligante la maŝinaron de la kooperativaj disdonadaj societoj. Komencante per la ĉiutagaj necesaĵoj popolaj la nova sistemo paŝo post paŝo etendiĝos kiel ebligos la sperto. Libera interŝanĝado de komercaĵoj disvastiĝos nacie kaj internacie tiel forigante danĝeran incitilon por militi.

Je la simpla metodo de la Unismo kaj ĉiuj kiuj konsentas *pri la principo* estas invitataj fariĝi anoj de la Federacio kiu propagandas du pluajn principojn reciproke akordiĝajn:

1. Nepartia registaro bazita je reprezenta parlamento per proporcia reprezentado; spertula administracio de ŝtataj fakoj.
2. Libera esprimado de opinioj kaj zorga konsiderado de aliaj reformemaj politikoj.

Ĉi tiuj principoj ebligos ĝustan reprezentadon por ĉiuj politikaj grupoj, kaj certigos, ke ĉiuj reformplanoj rilate al la tero, la financo, la edukado ktp. ricevos plenan konsideradon de popoloj kaj parlamentoj.

* * *

Iu entuziasmulo povos starigi tuj edukadan grupon de tri aŭ pli anoj. Ĉiu grupo devas esti sendependa kaj fari siajn proprajn regulojn kaj financajn aranĝojn. La ideo mem de la Unismo estas taŭga por originala pensado kaj diskutado kaj poste por uzado de tiaj disaj grupoj. Komuna kredo kaj deziro enkonduki paceman rekonstruadon al mondo tiel longe suferinta pro diversaj metodoj de la potenco estos la ligilo inter grupoj kaj individuoj.

Kiu helpos?

* * *

*(Senpagaj broŝuretoj pri la Unismo estas haveblaj ĉe honora organizanto S-ro Colin Unwin, Box 47, Fremantle, Western Australia (Okcidenta Aŭstralio). Bonvole demandu denove se broŝuretoj ne alvenos ĝustatempe pro malaranĝoj poŝtaj kaj aliformaj.)*

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N.